XXV-a jaro. N° 347-348 (7-8) Monata Julio-Aŭgusto 1929

# ESPERANTO

Oficiala organo de UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

Fondinto : H. HODLER. Redaktoro : D-ro Edmond PRIVAT. Direktoro de UEA : Hans JAKOB.
ADRESO DE LA REDAKCIO KAJ ADMINISTRACIO : 12, Boulevard du Théâtre, Genève.



## VIENO - BUDAPEST - PRAHA

La preparoj por la Budapeŝta Kongreso bele progresas kaj niaj sindonaj hungaraj amikoj nun estas helpataj de S-ro Andreo Ĉe, reveninta el duvintra senlaca instruado kaj apostolado por Esperanto en Svedujo. Estas bedaŭrinde, ke ne estis eble lasi kelkajn tagojn de interspaco inter la Edukista mondkongreso organizata el Usono en Genève kaj la Universala Kongreso de Esperanto en Budapest, ĉar ni estus dezirintaj veturigi multajn Amerikanojn al Hungarujo, por ĉeesti grandiozan manifestacion unulingvan ĝuste en la mezo de la plej multlingva parto de la mondo, tiu centra Eŭropo, kie apudvivas tiom da diversaj nacioj, grandaj kaj malgrandaj.

Dum la mezo de la somero la danubaj landoj vidos novan migradon de verdsteluloj kaj aŭdos en siaj stacidomoj la fluan sonadon de la internacia lingvo. La verda flago aperos ĉe vagonaj fenestroj kaj nova espero trapasos, flugante de loko al loko.

En Vieno la esperantistoj aranĝas solenan inaŭguron de la Esperanto-Muzeo, kiun ili fondis kun registara subteno. Ilia antaŭkongreso certe allogos multajn samideanojn el Okcidento. Postkongreson aranĝas la ĉeĥoslovakaj esperantistoj en Praha, ĝuste sur la vojo de Budapeŝto al nordaj landoj. Ili ĵus sendis al ni admirindan materialon historian, geografian kaj literaturan pri sia lando ĝuste laŭ la ideo, kiun ni rekomendis en nia lasta numero.

Estus bele publikigi similajn kajerojn pri Aŭstrio, Hungarujo, Finnlando, Polujo k.t.p. kaj utiligi nian lingvon por interkonatigi ĉiujn naciojn pli detale kaj amike. Ni kore esperas, ke la Budapeŝta kongreso estos impona demonstracio de tiu nia komuna celo.

Politiko ja sufiĉe zorgas pri ĉiuj aferoj, kiuj dividas la homojn kaj la popolojn. Esperantismo kulturas ĝuste la alian kampon, nome tion, kio unuigas. Ĝi estas vasta kampo kaj certe la plej necesa en la nuna epoko de l' mondo, pene baraktanta por realigi sian homaran samfamiliecon.

Nun la nacioj de Centra Eŭropo retrovis sian sendependecon kaj povas vivi sian propran vivan kun ĝiaj apartaj ecoj idealaj. La unua ŝtupo estas paŝita. Nun venas la dua: apudvivi en egaleco kaj paco. Unu ne iras sen la alia.

Antaŭ dudekkvar jaroj en Bulonjo sur Maro sonis la noblaj vortoj de Zamenhof: « Ofte kunvenas personoj de malsamaj nacioj, sed... tie la membro de unu nacio humiliĝas antaŭ la membro de alia nacio, parolas lian lingvon, hontigante la sian, balbutas kaj ruĝiĝas kaj sentas sin ĝenata antaŭ sia kunparolanto, dum ĉi tiu sentas sin forta kaj fiera. En nia kunveno ne ekzistas nacioj fortaj kaj malfortaj, privilegiitaj kaj senprivilegiaj. Neniu humiliĝas, neniu sin ĝenas; ni ĉiuj staras sur fundamento neŭtrala, ni ĉiuj estas plene egalrajtaj... ni ĉiuj sentas nin kiel membroj de unu familio. Ni konsciu la gravecon de la hodiaŭa tago, ĉar hodiaŭ inter la gastamaj muroj de Bulonjo sur Maro, kunvenis ne Francoj kun Angloj, ne Rusoj kun Poloj, sed homoj kun homoj. »

Nu, tiaj vortoj denove sonu inter la gastamaj muroj de la belega Budapeŝto! Tie la popoloj de Centra Eŭropo spertu la noblecon de tiu lingva egaleco kaj senĝeneco, kiuj liberigas mensojn kaj korojn. Ili decidu kunlabori pli vigle por ĝin etendi al la tuta mondo. Se ili scius kunligiĝi por igi Esperanton ĉiutaga realaĵo en siaj rilatoj kaj lernejoj, ilia forto tiom kreskus, ke ili nepre devigus aliajn, eĉ pli grandajn, sekvi la ekzemplon.

Edmond PRIVAT.

# EL NATURO KAJ SCIENCOJ

## La senfadena telegrafio kaj ĝia apliko en la Norda poluso

*De D-ro Behounek.*

Oni ofte asertis ke senfadena telegrafio ne montriĝis taŭga dum la itala nordpolusa ekspedicio. Tio estas entute nekorekta. Sen nia radioinstalaĵo ni neniam estus liberigitaj el la terura situacio post la katastrofo de la aerŝipo.

La sperto dum la milito montris, kiom malfacile estis por observanto el aeroplano identigi ekzemple artilerian pozicion, se tiu-ĉi estis lerte maskita. Ankoraŭ pli malfacila estas konstatiĝo el la aero en la glaciaj dezertoj. Sen niaj senfadenaj signaloj la rusa glacirompanto « Krassin » neniam estus povinta trovi nin. Oni supozis, ke ni troviĝas pli okcidente ol efektive, tiel ke la serĉoj direktiĝis je neĝusta loko. Sennombraj ombroj kaj reflektoj sur la glacio malfaciligis la observadon el la alteco. Malgranda grupo kiel la nia certe ne estis videbla.

La leĝoj kiuj reguligas la atmosferajn aperaĵojn kaj la radiadon ankoraŭ ne estas konataj. Necesas ankoraŭ kolosa klopodo en la studado kaj observado, ĝis ni havos nepre fidindan bazon por la estonta laboro kaj fiksos leĝojn kaj regulojn akiritajn el observado. Tiu-ĉi scienca fako estas entute ne esplorita kaj sekve prezentas tre interesan studproblemon. Mi dediĉis al tiu problemo mian tutan vivon kaj kiam mi aŭdis, ke mi povas profiti tian unikan eblecon de observado, kia ja estas ekspedicio al la Norda Poluso, mi ne pensis ke mi riskas mian vivon. Fine aviadistoj ja ĉiam riskas tiun danĝeron, kiam ili provas transflugi la oceanon en netaŭgaj aeroplanoj, kvankam la teoria ebleco por ĝi estis pruvita per tri sukcesintaj flugoj kaj do pliaj flugoj kun similaj maŝinoj ne povus havi praktikan valoron. Oni ne rajtas pensi je sia propra eta ekzisto, kiam temas pri tiom grava ĉapitro en la esploro de la sekretoj de l' naturo, ĉapitro kiu por la estonteco de la homaro povus malkovri grandajn eblecojn. La granda sekreto estas antaŭ ni, la giganta nubo, tra kiu ni dum momentoj kredis rekoni kolosan kaj senfinan mondon. Senfina vico da eblecoj malfermiĝas antaŭ nia imago, la esploro de la sennombraj mirakloj de l'Radio, jam malkovritaj kaj ankoraŭ trovotaj, la helpvokoj de la ŝipoj en mara danĝero, de l'viroj perditaj en la dezerto aŭ en la polusa regiono. Ĉio tio estas plilongigo de la homa laboro en la senfinon, plimultigo de niaj fortoj. La aviadilo, direktita per senfadenaj ordonoj el la tero kaj la majstrado de pluraj specoj de radianta energio estas pluaj problemoj de la sama speco.

Kvankam la radio nin savis de la certa pereo kaj pro tio la diro pri fiasko ne estas pravigebla, mi tamen devas konfesi, ke la teruraj tagoj, dum kiuj ni restis sur la glacio, pruvis al ni kiom ni ankoraŭ devos lerni pri la senfadena telegrafio. Forlasintaj Italion per la aeroŝipo, ni elprovis nian grandan senfadenan aparaton 80-voltan, kies dissenda distanco estis 2000 km. Ni elprovis ĝin super tero kaj akvo en la kutima maniero. Ni elprovis ĝin inter Romo kaj Milano kaj ankaŭ en aliaj lokoj kaj ĉiufoje kontentigis la dissendo kaj la akcepto. Tiam mi proponis fari pliajn provojn kaj ankaŭ mezurojn pli proksime al la poluso, sur Svalbard (Spitzbergen) kaj en Green Harbour kaj inter stacioj starigotaj ĉe tiuj punktoj. Malfeliĉe oni konkludis ke por teoriaj eksperimentoj tiaspecaj ne plu estas la tempo kaj tiam ni ekkomencis la vojaĝon ne konante sufiĉe la kapablecon de nia aparato sub arktikaj kondiĉoj.

Jam dum la ekspedicio Amundsen, kiam mi estis en stacio de Kingsbay, mi faris kelkajn spertojn, tamen ne sufiĉintajn. Ni nature ekvojaĝis tute ne kalkulante je katastrofo, sed ĝi tamen okazis pereigante la aerŝipon plej grandparte kaj per ĝi ankaŭ nian grandan radio-aparaton. Kiam ni surglaciiĝis, estis por ni granda konsolo, trovi ke ni posedas ankoraŭ malgrandan senfadenan aparaton de 25 Watt por mallongaj ondoj.

Komence niaj dissendoj estis sambonaj kiel la ricevoj. Ni povis rilati kun stacioj malproksimaj je kelkcent kilometroj. Ĉi tiuj stacioj povis nin aŭdi. Dume ni laboris pli malpli en la malhelo, subite nia aparato ĉesis funkcii. Konjekteble tio estas la sekvo de la influo de l'proporcia profundeco de la elektra tavolo atmosfera, la tielnomata « Kennelly-Heaviside-tavolo ». La bona ricevo de senfadenaj komunikoj dependas de du premisoj, de la rektaj ondoj kaj de la ondoj reflektitaj de la elektra tavolo. Ĉi-tiu troviĝas en niaj latitudoj proksimume 80 km alte, sed en arktika regiono multe pli malalte ĉar dum la somero la taga lumo daŭras senhalte. Pro tio silentiĝas la senfadena dissendo dum certaj tempoj. La ŝipoj, kiuj serĉis nin, devis troviĝi post nia katastrofo en tia zono de l'silento, tiel ke ili ne povis ricevi niajn dissendojn. Tiom longe kiom ni ne povas plilarĝigi konsiderinde nian scion kaj nunajn observojn, ni ne komprenos plene tiun problemon pri la multnombraj elektraj fenomenoj ligitaj kun la radioaktiveco kaj la kosma radiado. Estas eraro kredi, ke la aŭdebleco dependas senescepte de la situacio atmosfera. Tiu-ĉi situacio povas esti laŭ cirkonstancoj tre malbona kaj tamen la aŭdebleco tre bona eĉ dum ventego.

La plej grandaj perturboj tute ne venas el la atmosfero, sed el elektro-magneta deveno. Tiu flanko de la problemo ankoraŭ ne estas sufiĉe esplorita. Kaj tamen liveris jam tre bonan laboron la angloj Appleton, Burnett, Watt kaj aliaj. Niaj meteorologiaj stacioj devus esti kompletigitaj nepre per magnetaj kaj elektraj observ-aparatoj.

Kiam ni falis sur la glacion, ni ja nenion sciis pri tio. La sola fakto nediskutebla estis la konstato ke ni ne sukcesis rekontaktiĝi kun la cetera mondo. Post pluraj sensukcesaj provoj ni komencis dismeti la aparaton, supozante trovi ian malordon. Estis vera miraklo, ke ni ne ruinigis la tutan aparaton. Cecioni, la radiotelegrafisto plenumis sian devon en mirinda maniero. En la nepriskribebla malvarmo sur la glacio li sukcesis luti, preskaŭ sen ilaro. Li uzis por tiu celo reston de disrompita drato, vera pajlero, de kiu dependis nia savo. Spite ĉio la aparato rifuzis la laboron. Tiam ni pensis, ke la perturbo devenas el nesufiĉa izoligo de la anteno, kiun ni fiksis tiam sur du kunligitaj skiiloj. Sensukcese. Ni dismetis la aparaton kaj rekunigis la partojn. Tiu-ĉi terura situacio deveninta de elektro-magneta perturbo, daŭris kvar tagojn kaj noktojn, de la 7a de Julio ĝis la 10a. Je la dekunua de Julio venis la helpo, kiam la komuniko funkciis kaj ebligis al « Krassin » trovi nin. Plenprave ni povas aserti, ke la radio tute ne fiaskis. Multe ŝuldante al ĝi, ni tamen devas konfesi, ke la aparatoj malgraŭ ĉiuj plibonigoj ankoraŭ estas tro komplikaj kaj la baterioj tre pezaj. Eĉ se ni volas konsenti volonte, ni tamen devas akcepti konstaton, ke bona gramofono superas la plej bonan laŭtparolilon, ĉar la telegrafa transsendo dependas de tiom multaj magnetaj faktoroj, kiuj ankoraŭ estas por ni sekreto. Eĉ se pliboniĝos konsiderinde la tekniko de la senfadena transsendo, ni ankoraŭ ne estas kapablaj ekkompreni la magnetajn fenomenojn de la naturo kaj ni estas ankoraŭ tre malproksimaj de plena majstrado de niaj aparatoj, de la komunikoj kaj de la rilato ĉirkaŭ la terglobo.

Prilaboris *G. Agricola.*

## La Jafetida teorio de Marr.

De Ernest Drezen.

Nuna hindeŭropa lingvistiko ĝenerale konsideras la lingvon kiel spontan, necesan fenomenon, similan al Golf-fluo kaj aerfluoj, kies direkto kaj ecaro estas nedependaj de nia volo. Tiu vidpunkto bazas sur du jenaj tezoj : la sono fizika ĝenerale kaj la sono voĉa aparte estas fizika fenomeno kiu funkcias ekster la homo kaj lia cerbo, tial subregante la cerbo-procesojn de la homo ; la lingva evoluo kaj ĝia historia variado estas regataj de fiksaj fonetikaj leĝoj, sen esceptoj kaj same fatalaj kiel la sono mem. Refuti tiun lastan tezon estus refuti la principon de la lingva sponteco kaj neceso ; tiel pensas la plej famaj eŭropaj lingvistoj Ferdinand de Saussure (1) kaj Antoine Meillet. Konfesante fiaskon de la suprenomita vidpunkto, ili tamen ne donas anstataŭe ian novan teorion, kiu klarigus la faktojn.

La akademiano Marr konceptas tute alie la principojn de lingvistiko. Jam antaŭ 40 jaroj, studante en Petrograda Universitato orientajn lingvojn, M. N. Marr rimarkis ke en tiamaj sciencaj klasigoj kaj genealogiaj arboj forestis la lingvoj de Kaŭkazo kaj la baska. Li do entreprenis personajn studojn, irante vojon alian ol la oficiala hindeŭropa, kaj lia unua eltrovo estis la parenceco de la kartvela-georgia kun la ŝemida familio.
Poste, li pruvis ke multaj lingvoj, izole starantaj, posedas praheredaĵojn kaj ne povas esti klasitaj en iu grupo de la oficiala lingvista skemo. Fine, Marr alvenis konstrui larĝan teorion de la homa lingvo ĝenerale, laŭ kiu en pratempo ekzistis ne unu primitiva patrino-lingvo, sed male multaj lingvetoj, kiuj pro reciproka influo, kunfandiĝo, transformado, konsistigis pli grandajn lingvojn, kies nombro malpliiĝas konstante, irante al la estonta lingva unueco de la homaro.

Marr refutas malnovan dividon de la lingvoj je tri klasoj : unusilabaj, aglutinaj, fleksiaj. Laŭ li en ĉiu lingvo povas kunekzisti (kaj fakte estas) la trajtoj de la tri klasoj, en diversaj proporcioj. Sed kelkaj apartaj lingvoj prezentas tiun miksitan karakteron en plej alta grado, kune kun tre antikvaj heredaĵoj Tiujn lingvojn Marr nomis " jafetidaj ". Jam antaŭ 50-70 jaroj kelkaj filologoj provis uzi tiun terminon por nomi la familion nun konatan kiel " hindeŭropa " La vorto mem venis el la biblia legendo pri tri filoj de Noah : Ŝem, Ham, Jafet. En roma mitologio tiu lasta nomo ripetiĝas sub la formo " Japet ". Sed Marr aplikas ĝin nur al la escepte arkaikaj lingvoj : kartvela, georgia, svana, laza, baska, ĉuvaŝa, k.a. Laŭ Marr, la prahomoj havis unue gestlingvon, interparolon per la manoj. La mano ja estis unua instrumento, ilo " par excellence " laŭ Aristotelo. Tial, en kelkaj religioj la mano estas simbolo de penso, animo, fine de dio. En la kartvela " gel-gel " signifas " mano ", kaj en la armena " gel-g " signifas cerbo, spirito. (Ni aldonu ke la radikoj " man " mano, kaj " mant ", menso, penso, — estas sone parencaj). Unuaj ĝermoj de sona lingvo aperis el la religia kulto. Unue, la kanto estis senvorta, sed akompanata de man-gestoj kaj de muziko. Unuaj sonoj gorĝaj estis kompleksaj, nur poste ili diferenciĝis, translokante de la laringo al la buŝo. La sona lingvo iom post iom forigis la manan. Entute, la evoluo de la homa lingvo fluis sub la intima dependeco de la natura kaj socia medio, de la ekonomiaj cirkonstancoj. Tiel, la teorio jafetida ligiĝas al la materialista kompreno de la historio, tio estas al la marksismo, kiu estas oficiala doktrino de la soveta reĝimo.

Laŭ Marr, la lingvistiko devas sin okupi ne nur pri la pasinto, teorie studante la lingvojn, sed ankaŭ pri la estonto, preparante praktike la unuecon de la homa interkomunikilo.

Resume tradukis P.S. el " Bulletin de Voks ".

(1) Ferdinand de Saussure mortinta profesoro en Genève, Antoine Meillet, Profesoro de Collège de France, Paris.



## SOCIA VIVO



### La Nerezistado

La principo de la Nerezistado devenas nek el Tolstoj, nek el Gandi. Ĝi estas tre klare eldirita de Kristo: « Al tiu, kiu ekbatus vian vangon, turnu ankaŭ la alian. » « Preĝu por tiuj, kiuj persekutas vin kaj kiuj vin malamas ». Tolstoj kaj Gandi nur restarigas la Kristan ordonon. La sama principo estas la kaŭzo, ke oni mortigis Kriston: « Pli bone pereu unu homo, anstataŭ mortigo de tuta popolo ». — diris tiam Kajafo. Lia penso estis: « per la instruo de tiu-ĉi homo, per la instruo de la amo kaj de la Nerezistado, nia amata popolo estiĝus ŝafaro, ĉiam preta esti oferigota per ĝiaj fortaj najbaroj. » Kajafo ne estis simpla homo! Eble unu nuntempa ŝtatestro intime ne povus neigi la saman penson. Efektive, ekzistas du eblecoj: aŭ Kristo nenion komprenas pri la ŝtataj aferoj, aŭ la bona ŝtatestro ne estas bona kristano.

Kvankam ni nomiĝas kristanoj, ni ne kredas je la fundamenta penso de la kristaneco — la senfina pardonemeco kaj ĉiama preteco forgesi la malbonon kaj pagi kontraŭ ĝi per amo, per frata helpemo. Ni demandas nin — ĉu tio estas ebla kaj taŭga?

Prezentu al ni la sekvan bildon. Mi sidiĝas en unu gastĝardenon. Ni trinkas ian trinkaĵon kaj interbabiladas. Muziko ludas.

Subite venas ĉe mi unu sinjoro, krias furioze kaj batas al mi unu fortegan manfrapon. Mi estas forta viro. Mi povas tuj preni la seĝon kaj surmeti ĝin per tuta forto sur la ekflamiĝitan kapon de mia kontraŭulo. Sed mi estas ankoraŭ trankvila kaj sufiĉe saĝa. Mi ne donas tiel grandajn rajtojn al mia forto. Mi kaptas lin per la brakoj, kaj faras lin sidiĝi.

— Trankviliĝu, kaj poste ni parolados! mi ordonos! Nun — rakontu!

Jen la kaŭzo de la okazintaĵo! Antaŭ societo, en kiu estis fraŭlinoj kaj speciale unu kies opinion li multe taksis, ĉar li amis ŝin, mi malsaĝe rakontis unu historieton el lia vivo. Ĝi ne estis laŭdanta por li! En ĝi lia personeco aperiĝis sub malbona lumo. Mi ne diris eĉ unu malpravan vorton! Sed — mi povus ankaŭ ne rakonti ĉi historieton! Kiam mi finigis ĝin, mia konscienco komencis bati min: « kial mi rakontis ĝin? ĉu mi deziris lian bonon? Kial mi parolis aĵojn pri unu kamarado eĉ sciante, ke per ili mi neniun helpus? Ĉu mi ne scias, ke ĉiu vorto el mia buŝo devas helpi al iu ajn, sed neniam nigrigi niajn proksimulojn? Kulpa mi estas, senfine kulpa! »

Pasis tagoj, mia konscienco ne trankviliĝis. Mi serĉis rime-

dojn trovi mian amikon kaj iel ajn malkovri mian amon kaj purigi mian ŝuldon.

Nun fine — li helpas al mi! Mia konscienco povas esti trankvila, ĉar li, per unu manfrapo, ekpagis mian kulpon.

Ni interparoladas plitrankviliĝante. Fine mi demandas. — Se vi pensas, ke mia kulpo ne estas pagita — mi petas — ĉe mia alia vango! Frapu! Mi deziras ke ni estu kvitaj!

Tiel la krista ordono, prudente plenigita, liberigas mian konscion kaj redonas al mi la amikajn sentojn de unu ŝatata homo!

La rezistado donas forton al la malbono, same kiel ĝi donas forton al la dinamito. Malfermite ekflamiĝita, ĝi nenion detruas. La saĝeco de la Nerezistado estas: ne donu forton al la malbono!

Eraro estas, grandega miskompreno de la kristanismo, de Tolstoj'a kaj Gandi'a instruado, se oni sub la vorton: « Nerezistado » komprenus: « nebataladon ». Kontraŭe! Ni devas batali per ĉiaj niaj fortoj kontraŭ la malbono!

*Sed ne per ĝiaj armiloj!*

Ni malatentu la malbonon kvazaŭ ĝi ne ekzistas! Ni laboru per ĉiaj niaj fortoj por la bono. Eĉ la morto ne devas nin deteni de tiu persista laborado! Tiamaniere ni forprenos la fortojn el la malbono. Ĝia malbela nigra figuro komencos paliĝi kaj sekiĝi, ĝis, fine ĝi mem falos en la piedojn de la Bono kaj plorante demandos pardonon.

Vere! La plej malfacila agego dum la homa vivo estas kompreni la profundan pravecon de la Krista ordono. Sendube, ĝi ne estas por ĉiuj homoj! Ni kuraĝas diri: Se vi ne konfidas kaj ne komprenas ĉi universan leĝon, frapu du manfrapojn al via malamiko kontraŭ unu!

La Nerezistado ne estas armilo por la malgrandaj animoj kaj malfortaj homoj! Ĝi ne estas eco de la ŝafoj! Ili ĉiuj troviĝas en la situacio de la necesaĵeco, sed la « Nerezistado » subkomprenas liberan volon. Tial ĝi estas la armilo de la noblaj altleviĝitaj spiritoj, de la magoj, de la sanktuloj. Per senlima amo, profundega saĝeco, bonege konante la leĝojn, al kiuj subordonas la homaj rilatoj kaj la vivo mem, ili senbrue plibonigas la nomatan destinon kaj alportas veran pacon por la vane batalanta kaj suferanta homaro.

La Nerezistado estas eco kaj armilo de la superhomo, kiu malrapide naskiĝas el la hodiaŭa homaro.

*Oriono Bulg.*
*El la « Tutmonda Blanka Frataro »*

## Perforto aŭ Ne - perforto

Kun granda intereso ni legis la artikolon de Oriono Bulg. pri « Nerezistado ». Ŝajnas ke ĝuste tiu esprimo ne taŭgas ĉiam akurate por esprimi la intencitan ideon. Pli trafe estus eble diri « Ne-perforto ». Tio estas ĉiuokaze la senco de la hinda vorto « ahimsa ».

Estus certe erarige, se oni lasus kredi, ke homo kiel la menciita Gandhi ne rezistas. Lia tuta vivo estas ĉiutaga rezistado al aferoj, kiujn li konsideras malbonaj aŭ maljustaj, sed li organizas tiun rezistadon aŭ eĉ kontraŭbataladon per ne-perfortaj rimedoj, opiniante, ke oni rajtas oferi sian propran vivon por defendi rajton aŭ ideon, sed ne la vivon de la kontraŭulo.

Pri la deveno de la ideo estus eble verki multajn paĝojn. Dum la kvina centjaro antaŭ Jesu-Kristo ĝi estis jam predikata de Buddha. En la Junia numero de tiu ĉi gazeto ni presigis alegorion rakontitan de Buddha por ilustri sian instruadon pri tiu-ĉi temo. En sanktaj libroj de pluraj religioj ĝi estas trovebla. Laŭ siaj kredoj la homoj donas al ĝi devenon dian aŭ homan. Ĉiuokaze la deveno troviĝas en la konscienco de la plej puraj homoj tra la centjaroj kaj miljaroj. La plej konata eldiro pri ĝi en Okcidento troviĝas ja en la « Prediko sur la monto » de Jesuo.

Konscienco ne estas io malracia aŭ revema. Ĝi similas racion aŭ inteligenton kolektivan gvidante la homon al konduto necesa por harmonio de kunvivado kun aliaj individuoj.

Tiu malŝato de perforto ne estas nur afero de sento kaj amo al ĉiuj vivaj estaĵoj. Ĝi estas ankaŭ nura saĝo en sia plej alta kaj eterna formo. Efektive la batoj kaj frapoj ne helpas al klarigo de ia ajn diskuto. Se vi havas malkonsenton kun iu homo kaj li komencas uzi perforton anstataŭ argumenton, li malproksimiĝas de la vera temo. Se vi sekvas lin sur tiu vojo, vi ambaŭ jam estas for de la punkto. Baldaŭ viaj du memoroj estus plenaj, ne pri la afero mem, sed pri la vundoj ricevitaj kaj venĝotaj.

Tiel estas kun ĉiuj sangaj militoj, eĉ ofte kun revolucioj. Ĉe kadavroj de siaj mortigitaj filoj, la homoj ofte forgesis jam pro kio ili batalis, sed memoras nur la sangon, la detruon, la malbonon ricevitan dum la milito. Necesas longaj jaroj da retrankviliĝo por repensi pri la temo mem, pro kiu oni ekbatalis.

Tial, se iu ajn havas la povon haltigi la devojiĝon el la temo jam de la komenco ne redonante batojn, li certe montras altan saĝon. Sed granda spirita potenco necesas por tio, ĉar la instinkto emas alie.

Same la organizo de por-ideaj bataloj sen perforto postulas grandegan heroecon kaj memregon. Oni konas la malsatstrikojn en malliberejoj. Oni memoras ankaŭ la sinoferon de tiu angla sufraĝistino, kiu memvole mortiĝis haltigante la ĉevalon de la reĝo por atentigi lin kaj la publikon pri petskribo. En la pola historio ekzistas ankaŭ rimarkinda ekzemplo de granda popolamaso sin oferanta al pafado de rusaj soldatoj en Varsovio dum la « nacia funebro » de 1861.

Kompreneble tiaj heroaĵoj pli helpas konvinki kontraŭulojn ol ekzemple bomboj, kiuj mortigas iliajn familiojn. Ili ankaŭ faras pli profundan impreson je la publika opinio. La ordinaraj homoj ja pensas: « Por kuraĝi tiel brave kontraŭ ĉiu instinkto kaj riski sian propran vivon sen atako al aliaj, devas ekzisti potenca vero ĉe tiuj sinoferantoj. »

Estas fakto ke per tia pacienca batalado paca, suferinte ŝtonĵetadon, malliberigon k.t.p. la sudafrikaj Hindoj, gvidataj de Gandhi, fine ricevis rebonigon de maljustaĵo per la fama interkonsento Smuts-Gandhi, subskribita de la sudafrika registaro antaŭ la milito. Ĝi estas tre interesa ĉapitro de la moderna historio. Simile venkis la kamparanoj en la hinda provinco Bardoli nuntempe. Proteste kontraŭ tro alta takso ili rifuzis pagi, centmilope lasis sin aresti aŭ de si forpreni la brutaron k.t.p. sen ia perfortoĵo aŭ venĝo kontraŭ la policanoj. Fine estis neeble malliberigi aŭ puni tiom da homoj. La registaro devis cedi. Oni elektigis enketan komisionon, kies raporto ĵus aperis kun juĝo favora al la kamparanoj kontraŭ la tro alta takso. Oni certe ne povus nomi tiajn movadojn « ne rezistaj », sed « ne-perfortaj ».

E. P.

**Vian libertempon vi**

plej bone pasigos en *Budapeŝto* kio kunigas por vi kongreson, plezurojn de granda urbo kaj *sanigaj* banoj.

# Dro T.G. Masaryk

*De Prof. Bohdan Dobiáŝ.*

Amo al homo kaj al vero — jen la radikoj, el kiuj kreskas la granda personeco de la ĉeĥoslovaka respublikestro.

Forĝista lernanto eniris gimnazion nur en sia 15-a jaro. Laŭ aĝo kaj spirite pli maturiĝinta ol sia ĉirkaŭaĵo, li lernis la lernejon kaj la vivon alrigardi sen okulvitroj trompilaj, sen romantismo. Li ĉiam estis realisto, kiu postulas objekton, ne ŝajnon.

Veninte en j. 1882 kiel 32jaraĝa profesoro en la tiam ĵus fonditan universitaton ĉeĥan en Praha, li komencas organizi sciencan laboron en manieroj moderna kaj progresema. Baldaŭ li fariĝas gvidanto de la plej bonaj laborantoj, estante samtempe amegata de la seriozaj studentoj. Kun poeto li parolas al la studentoj: « Feliĉega, kiu en sia junaĝo estis juna! » La juneco estas ĝojo, laboro kaj morala seriozeco, pureco de la menso. Preparu viajn racion kaj koron por viaj venontaj taskoj: studadu por povi dum via vivo bone servi al viaj proksimuloj, al via nacio, al la homaro. Kaj precipe plenumadu la ĉiutagan, ŝajne negravan laboron kaj de la vero neniam retiriĝu. Via rekompenco estos via kvieta konscienco. Memoru, ke homo bonkaraktera devas havi ne nur viglan cerbon, sed ankaŭ varman koron. Tiel li parolas al la studentoj kaj same tiel ankaŭ al la vasta popolo dum siaj publikaj universitataj prelegoj.

Laŭ siaj vortoj li mem ĉiam vivis. Estas bela rerigardo je lia laboro scienca kaj vekanta.

Pro siaj sociologiaj kaj filozofiaj verkoj kaj pro sia agado parlamentana en Vieno li akiris eŭropan, eĉ mondan famon. Antaŭ la monda milito lia loĝejo en Praha, en strato de Tomáŝ, sub la antikva, neloĝigita reĝa kastelo, fariĝis celo por fremduloj, venantaj en Bohemujon por studi kulturan situacion; jam tiam ili venadis al li kiel al la spirita reprezentanto de la tuta nacio.

T. G. Masaryk, amanto de l' vero, eniris ja ankaŭ en konflikton kun la publika opinio, kiam li faligis falsajn idolojn estintajn kaj estantajn, kiam li batalis kontraŭ nevero kaj mensogo en scienco kaj en vivo. Tiu batalado, en fino ĉiam venkinta, fortigis lian karakteron, lian kuraĝon kaj persistemon.

De la bataloj hardita, ekipita je spertoj de scienco kaj de vivo, je kono de homoj, li kapablis fari en la granda mondrevolucio por sia nacio kun siaj lernantoj-helpantoj verkon tiom perfektan.

Kiam post kvar jaroj da monda luktado la granda proskribciulo kaj batalanto estis revenanta hejmen kiel respublikestro, li povis kun nobla fiero diri al la nacio lin bonveniganta: « Eĉ ne unu mensogon ni uzis por la batalo por libereco! » — jen kio estis plej grava kaj valora por tiu batalanto por verplena vivo.

Dekunuan jaron li estas nun estro de la restarigita ŝtato, fondita jam antaŭ 1200 jaroj, sed dum tempo subregita de Habsburgo. Kion li dum sia prezidanteco faris per sia racio, per sia koro, per siaj diplomataj talento kaj prudento, scias bone la dankema popolo kaj ankaŭ multaj en la vasta mondo.

Antaŭ la mondmilito en la strato de Tomáŝ en Praha, sub la forlasita reĝa kastelo li estis la spirita reprezentanto de Ĉeĥoj; post la milito la kastelo iam de bohemaj reĝoj kaj de imperiestroj romaj (Karolo IV., Rodolfo II.) fariĝis sidejo de la respublikestro, kiu reprezentas samtempe la kulturon de la nacio kaj de la ŝtato. Ŝanĝiĝis la loĝejo kaj la rango — sed ne la homo.

Lin oni nomis filozofo sur trono — kiel iam la imperiestron Marcus Aurelius. Venas ne nur diplomatoj kun oficialaj misioj, sed multaj aliaj kulturaj homoj de la tuta mondo por povi paroli kun tiu, kiu havas grandan intereson ne nur je solidigo de sia ŝtato, sed ankaŭ je solidigo de la tuta Eŭropo, ili venas por povi paroli kun viro, kiu amas sian nacion kaj ŝtaton, sed kiu super ĉio ŝatas la bonon homan. Oni rekonas kiom firman pledanton por la monda paco kaj kian bonan organizanton de celscia laboro havas Eŭropo en sia centro.

La demandon, kiu devus esti prezidanto de la unuiĝintaj ŝtatoj eŭropaj, se ili konstituciiĝus, signifoplene respondis diplomato brita: « Neniu alia ol T. G. Masaryk ».

Kaj la ĉeĥoslovaka nacio scias kiun ĝi havas en sia liberiginto, en sia unua civitano. Milionoj lin amas kaj honoras. Kien ajn li vizite venas, spontanee junaj kaj maljunaj rapidas kun ĝojo en la vizaĝoj por lin saluti. Kortuŝe estas vidi kiel la junularo bonvenigas sian « paĉjon »; ĝi instinkte sentas, ke li amas ĝin, ke li en ĝin kaŝas ĉiujn siajn esperojn. Kaj kiel tiu 80-jara viro scias saĝe paroli kun la saĝaj kaj instruitaj, tiel simple kaj kore li scias paroli kun la plej malgrandaj, per ilia propra lingvo, kvazaŭ li estus unu el ili.

Publikaj paroloj, reprezentado, oficialaj vizitoj tamen ne estas la ĉefa enhavo de lia vivo. Filozofo, sociologo, diplomato, politikisto, ŝtatestro, edukisto, kultura laboranto — en ĉiuj jenaj fakoj li estas neforgesebla.

Li estas unu el la kreintoj de la nova Eŭropo. Sian dummilitan laboron li priskribis en sia « Mondrevolucio », verko tradukita jam en ĉiujn ĉefajn lingvojn. Siajn opiniojn pri homo, socio, ŝtato li montras tie en la 10-a ĉapitro « Demokratio kaj humaneco ». La ombroj postirantaj demokration kaj humanecon ne povas forrabi lian spiritan harmonion, same kiel malbone komprenata religio ne povis tuŝi lian veran religiemon. Forta homo ne prijuĝas sociajn fenomenojn laŭ malbonaj ekscesoj aŭ fuŝpraktikoj. Se la mondo estas evitonta kaoson, ĝi devas praktiki demokration. Kaj la demokratio estas politika formo de humaneco.

Ĉeĥoslovaka respubliko havas saĝan kreinton kaj estron. Okdekjara viro kun ĉiam juna, elasta menso kondukas sian restarigitan ŝtaton laŭ tradicio de la fama Majstro Jan Hus.

---

# Statistiko pri nacieco kaj lernejoj en Ĉeĥoslovakio

*De D-ro Stan. Kamaryt.*

La enhavo de la nocio « nacio » diferencas en meza Eŭropo de ĝia enhavo en okcidenta Eŭropo. Diverseco de lingvoj en niaj regionoj kaŭzis tiun diferencigon. Nacieco signifas apartenon al la sociologia tuto karakterizata plej videble per komuneco de la lingvo, dume ŝtataneco signifas apartenon al organizita ŝtato. Ĉeĥoslovakiaj ŝtatanoj (Ĉeĥoslovakianoj) apartenas al dek diversaj nacioj, inter kiuj la plej grandnombra, la ĉeĥoslovaka, enhavas du trionojn de la tuta loĝantaro. La jena tabelo montras la realan situacion. La nombroj estas rezultatoj de la oficiala popolsumigo la 15.II.1921.

TABELO 1.

| Nacieco | Nombro | % |
|---|---|---|
| ĉeĥoslovaka | 8,760.937 | 65.51 |
| rusa, ukraina, rutena | 461.849 | 3.45 |
| serbokroata | 2.108 | 0.02 |
| pola | 75.853 | 0.57 |
| rumana | 13.794 | 0.10 |
| germana | 3,123.568 | 23.36 |
| hungara | 745.431 | 5.57 |
| juda | 180.855 | 1.35 |
| cigana | 8.446 | 0.06 |
| aliaj | 1.343 | 0.01 |
| fremduloj (neŝtatanoj) | 238.808 | — |
| | 13,610.172 | 100.00 % |

La lernejo estis ĉe ni eĉ ankoraŭ pli intense ol ĉe aliaj nacioj rigardata kvazaŭ rimedo por konservi la naciecon kaj por vekigi la dormantajn naciajn sentojn. La reciprokaj rilatoj de ĉeĥoslovakiaj naciecoj estas en la lasta tempo temo de diversaj diskutoj en la gazetaro ekster limoj de nia regno. Utilos al tiu diskuto kono de precizaj ciferoj pri lernejoj ĉe ni.

Lernejoj en Ĉeĥoslovakio estas trigradaj. La *unua grado* estas deviga kaj estas devigitaj viziti unuagradajn lernejojn ĉiuj infanoj 6-14 jaraj. La unuagrada lernejo havas du ŝtupojn. La suba, kvinklasa estas nomata lernejo *popola*, la supera, triklasa estas nomata lernejo *civitana*. Civitanaj lernejoj estas sole en pli gravaj lokoj, dume la popolaj estas en ĉiu iom granda vilaĝo. Laŭ teksto de la leĝo devas esti konstruita lernejo en ĉiu vilaĝo, kie estas almenaŭ 40 infanoj devigataj viziti lernejon. En realo ekzistas lernejoj eĉ por malpli granda nombro de infanoj. La instruplano de la popola lernejo estas aranĝita por 8 jaroj. Akiro de scioj de la unuaj kvin jaroj estas kondiĉo por esti akceptita aŭ en civitanan aŭ en duagradan lernejon. La sekvanta tabelo donas ciferon pri la stato de l'unuagradaj lernejoj en la lernejjaro 1926-27.

TABELO 2.

*Nombroj de unuagradaj lernejoj, iliaj ķlasoj, lernantoj ķaj instruistoj dividitaj laŭ la instrua lingvo.* (*En la jaro* 1926)

| Lingvo en kiu oni instruas | Lernejoj popolaj — Nombro de lernejoj | klasoj | lernantoj | Lernejoj civitanaj — Nombro de lernejoj | klasoj | lernantoj | Nombro de instruistoj en unuagradaj lernejoj | Je 1 klaso venis da lernantoj |
|---|---|---|---|---|---|---|---|---|
| ĉeĥoslovaka | 9.419 | 22.793 | 865.799 | 1.256 | 5.670 | 233.187 | 29.627 | 38,6 |
| rusa (kaj ukraina) | 484 | 760 | 42.677 | 11 | 57 | 2.033 | 810 | 54,7 |
| pola | 87 | 274 | 10.407 | 8 | 40 | 1.416 | 321 | 37,7 |
| germana | 3.287 | 7.966 | 292.338 | 433 | 1.697 | 66.965 | 10.141 | 37,2 |
| hungara | 794 | 1.397 | 74.372 | 17 | 57 | 2.235 | 1.468 | 52,7 |
| rumana | 2 | 4 | 246 | — | — | — | 4 | 61,5 |
| juda | 9 | 15 | 613 | — | — | — | 14 | 40,9 |
| pluraj | 76 | 351 | 16.779 | 11 | 110 | 4.174 | 484 | 45,5 |
| Sume | 14.158 | 33.560 | 1,303.231 | 1.736 | 7.631 | 310.010 | 42.869 | 39,2 |

Studante tiun tabelon oni malfacile ricevas impreson ke ĉeĥoslovaka nacio estas iamaniere preferata de la lerneja administrado. Du nacioj, la germana kaj la pola, havas klasojn kun malpli granda nombro da lernantoj.

Volante kompari nombrojn de tiu tabelo kun la nombro de loĝantaro oni devas atenti ankoraŭ la tabelon 3-an pri variado de la relativaj nombroj de lernantaro laŭ nacieco dum la lastaj ses jaroj; en tiu tabelo estas videbla efiko de variado de la popolacia kresko kaj malkresko, kiu estas ĉe diversaj nacioj malsama.

TABELO 3.

*Relativaj nombroj de lernantoj en unuagradaj lernejoj laŭ ilia variado dum la jaroj* 1921-1926.

| Nacieco | 1921 | 1922 | 1923 | 1924 | 1925 | 1926 |
|---|---|---|---|---|---|---|
| | El 100 lernantoj apartenis al la maldekstre montrita nacieco jena % | | | | | |
| ĉeĥoslovaka | 65,97 | 66,35 | 66,39 | 66,50 | 66,38 | 66,38 |
| rusa | 2,93 | 2,96 | 3,27 | 3,40 | 3,50 | 3,63 |
| pola | 0,96 | 0,96 | 0,90 | 0,83 | 0,81 | 0,78 |
| germana | 23,03 | 22,57 | 22,06 | 21,75 | 21,64 | 21,61 |
| hungara | 5,81 | 5,79 | 5,93 | 5,98 | 6,01 | 6,04 |
| rumana | 0,03 | 0,04 | 0,04 | 0,04 | 0,05 | 0,04 |
| juda | 1.23 | 1,30 | 1,35 | 1,37 | 1,43 | 1,42 |
| alia | 0,04 | 0,03 | 0,06 | 0,09 | 0,05 | 0.10 |
| Sume | 100 | 100 | 100 | 100 | 100 | 100 |

*Duagradaj* lernejoj estas *gimnazioj* (de tri tipoj: klasika, reala kaj reforma reala) kaj *reallernejoj*. Gimnazioj estas okklasaj, reallernejoj sep-klasaj. Akceptataj estas geknaboj finintaj almenaŭ kvaran jaron de la popola lernejo (do almenaŭ 10 - jaraj) kaj sukcesintaj ĉe la akcepta ekzameno. La studado estas finita per matureca ekzameno. En gimnazioj oni instruas klasikajn lingvojn (en la klasika gimnazio latinan kaj grekan, en la ceteraj sole la latinan) el la modernaj la francan kaj germanan en la ĉeĥoslovakaj, la ĉeĥoslovakan anstataŭ la germana en la ne-ĉeĥoslovakaj. En reallernejoj oni instruas sole la du modernajn lingvojn, anstataŭ la latina lingvo estas instruata deskriptivo kaj krome matematiko en iom pli granda amplekso ol en gimnazioj.

En statistiko estas kun gimnazioj kaj reallernejoj kalkulataj ankaŭ « *instruistaj institutoj* », lernejoj por eduko de instruistoj por popolaj lernejoj. Ili estas 4-jaraj. Akceptataj estas studintoj kvar subajn klasojn de la gimnazio aŭ reallernejo aŭ civitanan lernejon. Ili devas fari akceptekzamenon.

Tabelo 4-a donas ciferojn. Studante ĝin la leganto vidas, ke ankaŭ duagradan lernejon posedas ĉiu minorito (malplimulto) eĉ iom grava.

TABELO 4.

*Nombroj de lernejoj, ķlasoj, studantoj ķaj profesoroj en « mezaj lernejoj » (gimnazioj reallernejoj, instruistaj institutoj). En la lernejjaro* 1926-27.

| Lingvo, en kiu oni instruas | Nombro da lernejoj | klasoj | studantoj | profesoroj kaj instruistoj | En tio enestas en instruistaj institutoj da lernejoj | klasoj | studantoj |
|---|---|---|---|---|---|---|---|
| ĉeĥoslovaka | 244 | 2.245 | 72.773 | 4.421 | 46 | 180 | 5.472 |
| rusa | 8 | 62 | 1.870 | 154 | 4 | 16 | 440 |
| pola | 1 | 13 | 443 | 21 | — | 2 | 39 |
| germana | 93 | 793 | 22.884 | 1.698 | 12 | 38 | 944 |
| hungara | 4 | 88 | 3.312 | 132 | 1 | 5 | 122 |
| Sume | 350 | 3.201 | 101.282 | 6.426 | 63 | 241 | 7.017 |

Al duagrada lernejaro apartenas ankoraŭ *teķniķaj* lernejoj, kiuj preparas siajn abiturientojn al posteno en negoco tuj post fino de la studoj, dume la gimnazioj kaj reallernejoj preparas per sia precipe teoria instruo por daŭrigo de studoj en altaj lernejoj aŭ por posteno de publika oficisto. La teknikaj lernejoj akceptas post ekzameno studintojn de la 4 subaj klasoj de la meza lernejo aŭ de la tuta civitana lernejo, do gejunulojn almenaŭ 14 - jarajn. La plej superaj inter ili estas kvar - jaraj, sed ekzistas ankaŭ malpli longaj. Laŭ la fakoj estas tri-specaj: *terķulturaj, industriaj, ķomercaj*. Ilia celo estas videbla laŭ ilia nomo.

Tabelo 5-a donas ciferojn.

Rimarko por *ĉiuj* tabeloj: Indiko, ke en la lernejo estas « pluraj » instruaj lingvoj, ne signifas, ke oni instruas en unu klaso per diversaj lingvoj, sed ke sub komuna administro estas en la sama lernejo paralelaj klasoj ekzemple ĉeĥoslovakaj kaj hungaraj aŭ germanaj kaj hungaraj aŭ simile. Tia aranĝo estas ĉiam rigardata kiel provizora, pro nedaŭraj teknikaj kaŭzaj, kaj kiel videble el la tabeloj, ne estas ofta.

TABELO 5.

*Teknikaj lernejoj laŭ fakoj kaj lingvoj.*
*(Laŭ stato en la lernejjaro* 1926-27.)

| Lingvo en kiu oni instruas | Terkulturaj | | Industriaj | | Komercaj | |
|---|---|---|---|---|---|---|
| | lernejoj | kun klasoj | lernejoj | kun klasoj | lernejoj | kun klasoj |
| ĉehoslovaka ...... | 200 | 364 | 162 | 1.706 | 225 | 686 |
| rusa ............ | 3 | 4 | 5 | 20 | 2 | 4 |
| pola ............. | 1 | 2 | — | — | — | — |
| germana ......... | 54 | 98 | 94 | 590 | 110 | 317 |
| hungara .......... | — | 2 | — | — | 11 | 24 |
| pluraj ............ | — | — | 9 | 109 | 5 | 24 |
| Sume.... | 258 | 470 | 270 | 2.425 | 353 | 1.055 |

*Altaj lernejoj* estas ankaŭ dividitaj simile kiel la duagradaj lernejoj. *Universitatoj* estas kvar. El ili du estas en Praha, unu ĉeĥoslovaka, unu germana. Ili estiĝis en jaro 1880 per divido de la antikva universitato fondita per bohema reĝo Karolo IV. en jaro 1348. La ĉeĥoslovakaj universitatoj en Brno kaj en Bratislava estis fonditaj en jaro 1919. Altaj teknikaj lernejoj estas ankaŭ kvar, en Praha kaj en Brno, ĉie du, ĉeĥoslovakaj kaj germanaj. Krom ili ekzistas kelkaj altaj teknikaj lernejoj specialaj malpli grandaj (komerca, veterinara, minista kaj simile) kun ne tro granda nombro da studantoj.

(Ciferojn vidu sur la tabelo 6-a!)

TABELO 6.

*Universitatoj kaj Altaj teknikaj lernejoj laŭ stato en la lernejjaro* 1926-27.

| | Nombro da studantoj | Profesoroj, docentoj, lektoroj |
|---|---|---|
| Universitato en Praha, ĉehoslovaka. | 8.225 | 312 |
| » » » germana .. | 3.651 | 198 |
| » » Brno, ĉeĥoslovaka.. | 2.107 | 109 |
| » » Bratislava, ĉsl. ... | 1.417 | 74 |
| Alta teknika lernejo en Praha, ĉsl. | 5.495 | 318 |
| » » » » » germ. | 2.061 | 84 |
| » » » » Brno, ĉsl... | 1.573 | 72 |
| » » » » » germ. | 1.722 | 76 |
| Sume........... | 26.251 | 1.243 |

# NOTOJ

*Internacia Kongreso de Librotenado.* — Ĝi okazos de la unua ĝis 5a de Novembro 1929 en Barcelona sub la honora prezido de la hispana reĝo. Oni traktos pri: La eksperta librotenado; Studo kaj kompilo de simpla industria kaj komerca librotenado; Prezkalkulo de varoj; Komerca instruado. Laŭdire estas ankaŭ punkto pri internaciaj rilatoj kaj internacia lingvo. — P. B.

*La akcidentoj en Usono 1928.* — Dum la jaro 1928 oni registris en Usono la morton de 90600 personoj pro akcidentoj variaj. Tiu-ĉi cifero konigita de la National Safety Council en Chicago (Nacia Sekureca Konsilantaro) prezentas pliiĝon de 3,1 % kontraŭ la jaro 1927. Dum akcidentoj, de aŭtomobiloj kaŭzitaj mortis 27500 personoj. Akcidentoj dum flugado kaŭzis la morton de 368 kondukantoj.

*Foch pri Napoleono.* — Kiam oni festis la centjaran datrevenon de la naskiĝo de Napoleono, la 5 Majo 1921, marŝalo Foch, la venkinto de la mondmilito, mortinta en Paris antaŭ nelonge, faris la jenan paroladon, kies teksto estas interesa dokumento kiel sufiĉe severa juĝo de militisto pri militisto samnacia :

« Identigante la gloron de la lando kun la sia propra, Napoleono volis per armiloj decidi pri la sorto de l' popoloj. Ĉu estas eble rezultigi la feliĉon de sia popolo el tiam necesa sinsekvo de venkoj, tamen kostantaj dolorigajn oferojn ? Ĉu tiu popolo povus vivi el gloro anstataŭ laboro ? Ĉu la venkitaj nacioj trafitaj en sia sendependeco, ne devige stariĝus iam por ĝin regajni, por ĉesigi la fremdan sistemon kaj prezenti armeojn baldaŭ fortajn pro la nombro kaj nevenkeblajn pro la fervoro kaŭzata de l' batalo por la rajto? Ĉu, en civilizita mondo, la morala flanko fine ne venkas potencon kreitan nur el forto, eĉ genian ?

En tiu provo, eĉ Napoleono fiaskis, ne ĉar mankis al li genio, sed ĉar li provis la neeblon, ĉar li klopodis — kun forto jam ĉiel elĉerpita — alregi sub siajn leĝojn Eŭropon jam instruitan per ĝiaj malfeliĉoj kaj baldaŭ tute armiĝintan.

Finfine la devo restas al ĉiuj komuna: super la armeoj ordonotaj al venko, antaŭ ĉio la lando, servota por ties feliĉo tia, kia ĝi komprenas ĝin ; justeco ĉie respektota ; super milito staras paco.

Finfine la plej genia viro eraras en la kalkulbilancoj de l'homaro se li fidas nur sian propran vidpunkton kaj sian solan lumon kaj malproksimiĝas el la morala leĝo de l' societoj, bazita sur respekto al homoj, sur tiuj principoj de libereco, egaleco kaj frateco, kiuj formas la civilizon, estante la esenco mem de kristanismo ».

Interese estas kompari tiun juĝon de fama katoliko pri Napoleono kun ties memornotoj, verkitaj en Sankta Heleno antaŭ lia morto. Tie li parte konfesas sian eraron, sed tamen defendas sin certigante, ke li revis krei pacan federacian Eŭropon. Krei pacon per milito, tio estas la ĉiama frenezaĵo de l'homoj, kiuj agas pli ol ili pensas kaj ne vidas ke neniu celo naskiĝas sendepende de la rimedoj. Ĉu infanoj naskiĝas sendepende de la gepatraj korpoj ?

*La Usona Nacia Biografio.* — Oni preparas en Usono Leksikonon de amerikana biografio laŭ la modelo de la brita « Dictionary of National Biography » kiu aperis en 63 volumoj kaj daŭris de 1885 ĝis 1900. La usona leksikono limiĝos je 20 volumoj kaj la organizo troviĝas en la manoj de komisiono de scienculoj el la sciencaj asocioj usonaj. La unua volumo aperas baldaŭ kaj devos aperi ĉiujare tri ĝis kvar volumoj. En la biografio troviĝos ankaŭ personoj kiuj ne naskiĝis en Ameriko sed kiuj havis rilaton aŭ influon sur la usona historio.

# GEOGRAFIO KAJ TURISMO




## ĈEĤOSLOVAKO PRI SIA LANDO

*De D-ro Stan. Kamaryt.*

Ĉeĥoslovaka nacio estas la plej okcidenta el la granda familio de Slavaj nacioj. Ĝi mem ne estas laŭnombre iel tro granda. Laŭ la oficiala popolsumigo de 1921 ĝia nombro estis 8,760.957 en la ŝtata teritorio. La nombro de elmigrintoj el la nacia teritorio estas rilate la nombron granda, ĉar la estinta reĝimo ankaŭ ekonomie malbone administris la popolon; ili loĝas plejmulte en Aŭstrio (Wien), Hungario (okcidente de Budapest), en Jugoslavio, sed plej grandnombre en Usono (Chicago), kaj ilia nombro estas taksata je 1-2 milionoj, do la tutan nombron de Ĉeĥoslovakoj oni povas taksi je iom pli ol 10,000.000. La nacia teritorio koincidas proksimume kun nunaj ŝtataj limoj de Ĉeĥoslovakio. Sed la ĉeĥoslovaka nacio ne sidas en sia teritorio sola. Krom ĝi loĝas en ĉeĥoslovaka ŝtato Germanoj, Hungaroj, Rusoj, Ukrainoj, Judoj kaj Poloj. Sumo de ŝtata loĝantaro estas 13,611.349.

*Teritorio.* — Sian ŝtatan teritorion rigardas ĉeĥoslovaka nacio kiel sian teritorion nacian, sur kiu ĝi eklóĝis en komenco de historio en meza Eŭropo (ĉ.j. 500 post Kristo) kaj en kiu ĝi poste daŭre sidis, kulturigante ĝian surfacon kaj estante mem de ĝi formata. Tiu teritorio estas geografia tuto, apartenanta al unu sola tipo geomorfologia, kies limoj estas montritaj de la naturo mem. Ĝi estas fonta kaj disflua regiono de la plej gravaj centroeŭropaj riveroj: Elbe, Oder, Vistulo fontas sur ĝi, Danubo kaj Tisza (Theiss) prenas el ĝi siajn gravajn alfluojn. En sia tuto ĉeĥoslovaka teritorio estas grava kunigilo inter apudriveraj ebenaĵoj germanaj kaj polaj en nordo kaj hungaraj en sudo, ĉar ĝi formas ponton inter Karpatoj kaj Jura Montaro.



*Kastelo Orava en Slovakio.*

La tuteca karaktero de la teritorio certe kondiĉis, ke la nacio ne pereis eĉ dum cirkonstancoj tre malfavoraj. Tamen ĝi ne malhelpis, ke la historiaj okazintaĵoj sur ĝi estis diversaj kaj ke diferenciĝis 4 historiaj landoj, en kiuj estis la situacio ekonomia kaj kultura diversaj. Pro tio ili daŭras ekzisti eĉ en la ŝtato nove restarigita la 28an de oktobro 1918. Jen tabelo pri nombro de loĝantaro laŭ landoj.

| Nomo de lando | Areo en km² | Loĝantaro | Po 1 km² |
|---|---|---|---|
| Bohemio | 52.053 | 6,670.582 | 130 |
| Moravi-Silezio | 26.724 | 3,335.152 | 124 |
| Slovakio | 48.936 | 3,000.870 | 59 |
| Subkarpata Rusio | 12.639 | 604.745 | 47 |
| La tuta respubliko | 140.352 | 13,611.349 | 97 |

*Korpaj kvalitoj.* — Laŭ korpaj kvalitoj la ĉeĥoslovaka nacio ne tro diferencas de la meza eŭropa tipo. Ĝi ja estas produkto de la teritorio kaj de miksado korpa kaj anima kun antaŭuloj kaj najbaroj. Ĝi ankaŭ similas al aliaj nacioj pro sia ĝenerala



*Ĉefurbo de Moravio Brno.*

kontenteco kun siaj korpaj kvalitoj. Staturo estas meze 168-169 por viro; ekzistas plimulto da brunharuloj, sed samtempe plimulto da bluokululoj; kranio estas relative mallonga, cerbo multepeza (mezo 1368.3 g. por viro); skeleto kaj muskolaro estas firmaj.

*Animaj kvalitoj.* — Sed pri siaj kvalitoj animaj estas nia nacio multe pli fiera. Ankaŭ laŭ tio ĝi ne tro diferencas de la aliaj. Kiam en fino de 18-a jarcento la romantismaj patriotoj komencis sian celscian laboron por vivigi la ĉeĥoslovakan nacion, kiu pro politika subpremo ŝajnis preskaŭ neviva, ili tre profunde kaj sincere primeditis la demandon, ĉu ilia « vekiĝanta » nacio efektive meritas kaj kapablas esti valora membro en rondo de memstaraj nacioj. Kio nun por ni estas afero senduba kaj nepripensinda, tio estis por ili rezulto de dolorplena meditado. Sed nia memfido, bezona por ĉiutaga batalo por vivo, estas frukto de tiamaj doloroj. Tial ni ĉiam danke rememoras ilian rezonadon.

*Akcepto de kristanismo.* — La animaj kapabloj estas plej facile videblaj el manifestaĵoj de spirita kaj materia kulturoj. Jen la faktoj laŭ ni precipe atentindaj:

Baldaŭa (relative) akcepto de kristanismo, kiun organizis en j. 862 Grandmoravia reganto Rastislav. Sed li rifuzis akcepti la kristanismon proponatan de najbaraj germanaj episkopoj spite ĝia altrudemo, ĉar li klare komprenis, ke kristanismo ricevata el Germanujo signifus danĝeron por nacia sendependeco. Tial li zorgis por ricevi kristanajn instruantojn el la dua centro de tiama kristana kulturo, el Konstantinoplo. La kristanismo baldaŭ eldonis floron. Jam la dua episkopo en la ĉefurbo Praha, Vojtêch (Adalberto) estis partiano de la progresema reformo de Cluny, finpensis ĝin ĝis la lastaj konsekvencoj, kaj akceptis martiran morton predikante evangelion al paganismaj Prusoj.

*Husana movado.* — La plej reala manifesto de la liberiga tendenco dum la gotika epoko (komencinta en fino de la 10-a jarcento) okazis en nia nacio en la 15-a jarcento. Unusola nacio elrompis sin el la tiama eŭropa tuto, regata de la Katolika eklezio kaj komencis batalon por libereco de la konscienco, por rajto je libera meditado de la homa intelekto. Majstro Jan Hus estis la idea kondukanto de la nacio en ĉi tiu batalado. Kiam li estis bruligita en j. 1415 laŭ verdikto de eklezia koncilio en Konstanz, Jan Zizka (elparolu: Ĵiĵka!) militista geniulo, defendis la ideojn de Husanoj kontraŭ atako de ĉiuj najbaroj. Ke la nacio de li organizata sukcesis venke kontraŭstari dum 20 jaroj la ligon de ĉiuj potencaj najbaroj defendantan la estintan ordon de aferoj, estas signo de rimarkinda rezistemo. Kaj kvankam oni fine venkis la Husanajn soldatarojn, la amo de la popolo por libereco restis ne rompita.



*Ĉefurbo de Slovakio Bratislava*

*Petr Chelĉicky.* — Samtempulo de la husanaj militoj estis Petr Chelĉicky (1390-1450), la plej originala el ĉeĥoslovakaj pensuloj. Li predikis simile kiel ekz. Valdanoj, reformon de la religio, sed li diferencas profunde de ĉiuj tiaj reformantoj pro sia intensa atento pri la praktika vivo. Ne la eklezio estas celo, sed la laika civito, kiu devas esti organizata laŭ ordo de Dio. La vivokapablon de lia metafizika teorio plej konvinke pruvas la fakto, ke liaj lernantoj fondis societon de « Bohemaj Fratoj », kies komunumoj dum 200 jaroj estis modeloj de bona mastrumado.

Sed erarus tiu, kiu pro diritaj faktoj pensus, ke la religia trajto estas ia speciala kvalito de nia nacio. Kontraŭo ŝajnas esti pli reala. Modernaj reprezentantoj de nia spirita vivo estas religie malvarmaj.

*Comenius.* — Jam Johanes Amos Comenius (1592-1672), (ĉeĥe: Komensky), kvankam estis de la imperiestra registaro (tiam Habsburga, kontraŭnacia) ekziligita el la patrolando pro kaŭzoj religiaj, tamen li sian plej grandan intereson aligis al verko laika: reformi la pedagogion, kaj sukcesis tiom, ke li meritis al si titolon « instruanto de nacioj ».



*Ponto de Karolo kaj Malnova urbo en Praha.*

*Arto.* — Kaj niaj modernaj poetoj estas ĝenerale malmulte tuŝataj de religiaj problemoj. Ne metafiziko dolorigas ilin, sed la konkreta ĉiutaga vivo inspiras ilin por helpi per konsilo aŭ per ĝojo pro la belaj ritmo aŭ ideo. Ĉar la ĉeĥoslovaka nacio dum 300 jaroj devis vivi en Aŭstrio-Hungario, ŝtato por ĝi fremda ĉeĥoslovaka literaturo havis gravan funkcion eduki en la nacio ĝian konscion kaj memfidon. Ĝi tion faris sukcese dum tuta 19-a jarcento. Tial la libro havis ĉiam speciale gravan rolon en nacia vivo. La 19-a jarcento komencas per romantismaj romanoj kaj poemoj laŭ modeloj anglaj kaj germanaj. La plej bonan poeton de tiu ĉi komenco K. H. Mácha (1810-1836) plej influis Byron. Romantisma idearo atentigis la poetojn pri la popolaj kantoj kiel fonto de inspiro kaj imitinda ekzemplo laŭ formo. Ni fieras, ke niaj popolkantoj estas rimarkinde belaj kaj multaj. Poeto mirinde nacia kaj tuthomara samtempe estas Jan Neruda (1834-1891); li signifas jam definitivan finon de romantismaj humoroj kaj unuan klasikulon de nia literaturo. La plej eminentaj klasikuloj estas Svatopluk Čech (1846-1908) kaj Jaroslav Vrchlicky (1853-1912). La unua estas patosa oratoro por justeco, homeco kaj nacieco, la dua lirika mondcivitano ĉion scianta kaj ĉion komprenanta, poemanta laŭ ĉiuj formoj, sed super ĉio



*Parlamento.*



*Mondfama banloko Karlovy Vary-Karlsbad.*

amanta la homaron kiel kaŭzon kaj kondiĉon de ĉiu belo kaj bono. Sed la plej gravan doton al la tuthomara arto donis la ĉeĥoslovaka genio en muziko per verko de Bedrich Smetana (1824-1884). Li apartenas inter la plej naciaj artistoj kaj tamen li estas samtempe la plej tutmonda artisto ĉeĥoslovaka. Liaj ĉefaj verkoj estas operoj (8), inter kiuj « La vendita fianĉino » fariĝis la plej populara. La plej nacia pentristo estas Josef Manes (1820-1870) aperiganta kun granda stila konscio kaj muzika perceptemo sintezon de pejzaĝo. Ĉiuj tiuj artistoj spiras kaj vivas en atmosfero de aperaĵoj de la ĉiutaga, konkreta, laika vivo. Metafizikaj problemoj plej malmulte tuŝas ilin. Ili ploras kaj gajas pro la dramoj kaj komedioj ludataj de iliaj surteraj najbaroj en kusiloj de la gepatra domo, apudvilaĝa arbaro kaj urba tramo. La tragediojn regatajn de ĉionpovanta Dio, estu li mizerikordia, estu li enviema, ili ne tro ŝatas. La literaturo tre influis nian nacian vivon. Certe ĉe malmultaj nacioj la libro tiom efikis kaj kunlaboris dum la klopodo al nacia libereco, kiom ĉe nia nacio. La poetoj konscie klopodadis por vekigi la nacian memfidon kaj persistemon. Ekzemple dum la mondmilito, kiam ĉiu manifesto de la nacia ĉeĥa aŭ slovaka vivo estis severe malebligita, signifis por rimarkinde multaj Ĉeĥoj legado de historiaj romanoj de Al. Jirásek (1851) kaj por multaj Slovakoj legado de romantismaj poemoj de A. Sládkoviĉ (1820-1872) la solan konfirmon de ilia espero pri dezirata rezulto de estiĝantaj ŝanĝoj. Laŭ tiu vidmaniero oni povas diri, ke la plejparto de nia literaturo estis tendenca. Estas pruvo de granda interna arta potenco, ke la literaturo produktis verkojn de alta pure arta valoro.



*Kastelo Krivoklât.*

En la nuna moderna literaturo speguliĝas ĉiuj samtempaj ideaj celadoj. Pragmatisma filozofio tre influis la junan generacion. La plej sukcesa dramverkisto Karel Ĉapek (* 1890) estas pragmatisto tre konvinkita, kiu deduktis el ĝi la konvinkan amon al la homa individuo. Li tute ne estas sola. La tuta lia generacio estas forte influita de pragmatisma pensado. Sed, kiel ĉie, ankaŭ ĉe ni la pragmatisma vorto ne kontentigas ĉiujn spiritojn. Laŭtaj voĉoj aŭdiĝas de la dua partio, postulantaj la fikson de difinebla idealo morala. Ili diras tion en formo ne ĉiam kutima.

Cetere ankaŭ la samtempa internacio de la puraj devizoj havas ĉe ni siajn reprezentantojn; ankaŭ inter ni ne mankas propagandantoj kaj apostoloj de Man Ray, Ozefanti kaj aliaj diversfakaj avangardistoj. El iliaj organizantoj estu nomita K. Teige.

*Filozofio.* — Tre interese estas, ke la plej influaj filozofoj de nia nacio estis moralistoj: Johanes Amos Comenius kaj nuna prezidanto de la respubliko T. G. Masaryk (* 1850). La deziro pri la vero ambaŭn pelis al esplorado pri tio, kio devus esti vero. Comenius, predikanto de teorio pri eterna paco, la tutan vivon en ekzilo uzis al organizado por helpi sian nacion ĉe akiro de perdita libereco. Pro tio, ke liaj tiurilataj penadoj ne sukcesis, ili ne estas malpli noblaj. T. G. Masaryk estas animo malkvieta. Serĉi la veron, sed ne tiun veron, kiu enestas ie inter sferoj de Sunoj kaj de Ĉieloj, sed la veron, kiu devas



*Banloko Pieštany.*

regi rilaton inter homo kaj homo, estis lia pasia deziro.

*Politiko.* — Pri politika talento de ĉeĥoslovaka nacio diras niaj sociologoj, ke ĝi ne estis granda. La antikva ĉeĥa ŝtato perdis sian sendependecon en j. 1526, kiam supreniris la tronon Ferdinando I., Habsburgo. Dum 300 jaroj estis nia nacio devigita vivi en Aŭstrio-Hungaria monarkio, kaj suferis pro germanigo de sia ĉeĥa branĉo kaj hungarigo de la slovaka branĉo. Nur en jaro 1918 estis restarigita sendependeco de nia ŝtato, en kiuj ambaŭ branĉoj, la ĉeĥa kaj la slovaka, kuniĝis. La nova ŝtato estis konfirmita de la Packontraktoj, akceptis formon de respubliko kaj donis al si konstitucion demokratan. Demokrateco estas sincera celo de ĉiuj niaj politikaj partioj escepte komunisman. La plej ĉefa objekto de la politika batalo estas klasa batalo, klopodo de klasoj ricevi por si la plej grandajn partojn el la komunaj havaĵoj. La konsisto de la parlamento, elektata laŭ sistemo de fiksaj kandidatlistoj kun proporcia reprezento de la minoritoj, kaŭzas, ke tiuj malpacoj devas kaj povas esti reguligataj ĉiam kompromise. Tio ŝajnas garantii kontinuan evoluon de interna politiko en Ĉeĥoslovakio. Multjara ĉefministro Ant. Ŝvehla, kondukanto de agrara partio, estas rigardata kiel majstro de tiu kompromisa regosistemo. La

eksteran politikon kondukas de la naskiĝo de la ŝtato Ed. Beneŝ, pro tiu longa funkciado malofta escepto inter eŭropaj eksterlandaj ministroj. Estas ĝenerale konata linio de lia politiko: konservi per ĉiu maniero la pacon en centra Eŭropo. La packontraktoj kreis tiun pacon, ili do estas precipe konservindaj. Certe ne sole Ĉeĥoslovakoj ĝojas, ke la paca politiko de ilia ministro sukcesas.

*Ekonomiaj kondiĉoj de la lando.* — Ankaŭ pri la materiaj kondiĉoj donataj de nia lando al nia kulturo ni estas kontentaj same kiel estas ĉiuj nacioj kontentaj kun sia tero. Ĉeĥoslovakio havas kelkajn regionojn tre fruktodonajn, en montaroj estas gravaj minejoj, sufiĉo da karbo povebligas prosperan industrion, tiu ĉi kondiĉas bonan staton de terkulturado. Ĉeĥoslovakio multon eksportas. Precipe ĝi liveras sukeron, teksaĵojn, maŝinojn tre diversspecajn, speciale terkulturajn, bieron, lupolon, malton, sed ankaŭ — lignon. El fremdlando ni precipe importas: kotonon, lanon, grenon, fiŝojn, tropikajn kreskaĵojn, specialajn maŝinojn kaj ankaŭ — lignon.

*Turismaj atrakcioj.* — Ankaŭ laŭ turisma vidpunkto nia lando kontentigas la turiston, eĉ tiun, kiu jam multon vidis. La limlinioj estas markitaj per mezaltaj montaj ĉenoj, ie montegaj. Ĉiuj tiuj montaroj estas plenaj de pitoreskaj pejzaĝoj, posedantaj ĉarmon de kruda naturo, sed tre facile alireblaj kaj ĉirkaŭitaj de moderna komforto. Plej alta estas montaro Tatra



*Nacia teatro en Praha.*

(la plej alta monto en ĝi Gerlachovka, 2663 m.), en ĝi estas multaj unuarangaj komfortaj klimataj restadejoj (Ŝtrba, Tatranská Lomnica), sed oni povas trankvile pasigi tie la libertempon eĉ ne estante riĉulo. Tatra similas Alpojn, sed la konantoj asertas, ke ĝi superas ilin pro pli granda pitoreskeco. Ankaŭ tre bone aranĝita por turismaj celoj estas montaro Krkonoŝe (germane Riesengebirge) kun la plej alta monto Snezka (Schneekoppe) 1605 m. Tie oni povas entrepreni supreniron de montoj ankoraŭ kun pli granda facileco ol en Tatra. Sed la lando enhavas ankaŭ rimarkindan nombron da kuracakvoj, kiuj estas disponigitaj al malsanuloj en ĉiam bone kaj ne tro kare organizitaj banlokoj. La plej mondfama inter ili estas Karlovy Vary (Karlsbad), konata pro sia kuraciga fonto varma 60°. Sed ankaŭ multaj aliaj banlokoj bone meritas sian bonan reputacion. El ilia granda listo mi citas la plej gravajn: Františkovy Lázně (Franzensbad) kaj Mariánské Lázně (Marienbad) apud Karlovy Vary kun similkvalitaj akvoj, Pieŝtany tre bone efikanta kontraŭ reŭmatismo, Luhaĉovice kun fontoj alkalisalaj en ĉarmega pejzaĝo, Trenĉanské Teplice, tre komforta kaj gaja, Podêbrady fontoj alkaliacidaj en ebenaĵa regiono, tre sukcesaj ĉe kuracado de kormalsanoj, Sliaĉ kontraŭ virinaj malsanoj, Jachymov, riĉega je radiumo.



*Klimata loko Tatranská Lomnica.*

*Gastamo de la popolo.* — La ĉeĥoslovaka nacio ne tro fieras pri ia speciala kvalito. Sed ke ĝi estas speciale gastama, pri tio ĝi ne dubas. Ŝajnas al mi, ke jam sola ekzisto de tiu teorio iom ĝin pruvas. Tial oni povas facilanime rekomendi al ĉiu vojaĝemulo la viziton de nia lando. Ne timu, ke vi ne povos paroli kun ni. Preskaŭ ĉiu Ĉeĥoslovako parolas germane, kaj multajn vi renkontos parolantajn aŭ ruse, aŭ france, aŭ angle. Reto da ĉiam servopretaj delegitoj de Universala Esperanto-Asocio estas tre plena kaj bone funkcias. Tial mi ne timas, ke tiu, kiu venas en nian landon, malbenos min kiel inicianton de sia vojaĝo. Se vi ne estas amanto de restado en montaj aŭ kuraclokoj, vi povos vivi en urboj, kiujn vi preferas. Ĉiu el niaj grandaj urboj estas iel alie interesa, sed en ĉiu oni povas vivi komforte kaj nekare, interesate de muzeoj, teatroj, publikaj aranĝoj.

Kelkaj notindaj urboj estas: la tre vizitinda ĉefurbo Praha (676.000 loĝantoj), industria kaj komerca Brno en centro de la ŝtato, danuba haveno Bratislava, la rapide progresanta Hradec Králové, Moravská Ostrava, urbo de karbo kaj fero, Olomouc en fruktoriĉa kaj fekunda regiono, industria Pardubice, Plzen kun grandegaj maŝin- kaj bierfabrikoj, oriente lokita Koŝice, Liberec (Reichenberg) kun granda teksindustrio, Budêjovice en suda Bohemio.

---

Ĉiujn ceterajn informojn pri Ĉeĥoslovakio donos Ĉeĥoslovaka Asocio Esperantista, Socharská 333, Praha VII, aŭ la fremdula Oficejo, Cizinecky svaz, Obecní dum, Praha I.



*Plej alta monto en Krkonoŝe — Riesengebirge — Snêžka*

# POSTKONGRESA VOJAĜO TRA ĈEĤOSLOVAKIO

Ĉiu partoprenonto ĝuos fervojan rabaton, senpagan vizon (haveblan en Budapest) rabatojn je enirpago al Grotaro de Macoĥo kaj grotoj de Demänová, vidindaĵoj de Praha k.t.p.

*El Budapest forveturo de du karavanoj:*

*Unua karavano:*

9. *Aŭg.* 1929: Ĉirkaŭ la 9a horo forveturo al *Brno*. Laŭtempa vizito de la ekspozicio pri moderna komerco kaj reklamo, urbaj vidindaĵoj, amika kunveno kun la gesamideanoj kaj tranoktado.

10. *Aŭg.* 1929: Matene forveturo al Blansko (fervojlinio al Praha) vizito de mondkonata gulŝtona grotaro de Moravia Karsto kaj Abismego Macocha. Ĉi tiu grandega, neniam finesplorita grota labirinto plena de diversformaj kaj diverskoloraj gulŝtonoj, subteraj riveroj kaj lagetoj postlasos en la memoro de ĉiu vidindo neforgeseblan profundan impreson. Daŭrigo de la vojaĝo al Praha, Tranoktado.

11. *Aŭg.* 1929: Rondvojaĝo kaj vizito de la vidindaĵoj en Praha. Vespere amika kunveno kun la esperantistaro de Praha.

*Dua karavano:*

9. *Aŭg.* 1929: Matene forveturo tra Hidesnémeti-Koŝice-Poprad al Ŝtrba. Alveturo je la 20a horo. Frumatene, laŭ la decido de ĉeestontoj ekskurso al Rysy — 7 horoj tien kaj reen. Belega, ne tro laciga ekskurso. Aŭ malpli longa ekskurso tra la valoj al Popradské Pleso. Posttagmeze forveturo antaŭ 15-a horo al Sta. Nikolao-Sv. Mikulaŝ. De tie forveturo per aŭtobuso al valo Demänova, vizito al la grotaro, reveno al S-to Nikolao. Je la 20-a aŭ 21-a forveturo per rapidvagonaro (litvagono) al Praha. La 11-an je la 8-a horo matene en Praha. Litvagono estas tre rekomendita por povi ripozi, ĉar oni veturos la tutan nokton.

11. *Aŭg.* 1929: Laŭ programo de la unua karavano. (Vidu unuan kolonon.)



*Ponto de Karolo kaj Hradĉany, la sidejo de la respublikestro.*

*Praha*, ĉefurbo de la Ĉeĥoslovaka respubliko, kuŝas sur ambaŭ bordoj de la rivero Vltava kaj estas konata pro siaj belaĵoj. La urbo estas plena de historiaj memoraĵoj. Multaj antikvaj altvaloraj konstruaĵoj en stiloj romana, renesanca, baroka, k.a. dokumentas al ĉiu vizitanto la gloron de la urbo en tempo antikva — modernaj palacoj, pontoj kaj aliaj konstruaĵoj dokumentas la epokon modernan. Multaj belaj parkoj estas vera ornamo de la rapide kreskanta urbo, en kiu ĉiu nacio trovos ion al si memorindan kaj karan.

Partoprenu multnombre la postkongresan vojaĝon tra Ĉeĥoslovakio. Ankoraŭ hodiaŭ sendu vian aliĝon. Tiuj kiuj intencas veturi tra *Slovakio* kaj viziti la montaron *Tatry*, sendu kun sia aliĝo ian monsumon, minimume 50 kĉ., ĉar la efektiviĝo de ĉi tiu karavano dependas de certa nombro de fruaj aliĝoj. Sendita mono ne perdiĝos. Ĝi ne estas kotizo, sed garantio por via ĉeesto. Ĝin oni redonos dumvoje. Dum la kongreso en Budapest oficos nia reprezentanto.

**Komitato por postkongresa vojaĝo tra Ĉeĥoslovakio.**

*Esperantista Klubo, Na Perŝtyné 11, Praha I.*

# LITERATURO

## Ruĝa argilo

**De Ruzena Svobodová**

*Ruzena Svobodová, ĉeĥa verkistino, naskiĝis 1868 en Mikulovice ĉe Znojmo (Moravio) kaj mortis en 1920. Ŝi estas unu el plej bonaj ĉeĥaj verkistinoj kaj en siaj verkoj ŝi traktas pri moralaj problemoj kaj krizoj de nuntempa socio, precipe pri problemoj de virina animo el psikologia vidpunkto. El ŝiaj verkoj estas rimarkindaj « Nigraj ĉasistoj », « Vanaj amoj », « Amatinoj », « Sur sabla tero », « Sankta printempo », « Amikinoj » kaj « Heroa kaj senhelpa infanaĝo », kolekto de rakontoj, el kiu estas prenita tiu ĉi rakonto.*

La duonpatrino celis plilongigi la ĉeeston de la patro en la manĝoĉambro. Ŝi proponadis kokete sur blanka manplato unu fragon post la alia, frukton aŭtunan, arte kulturitan, jam ne odoran, sed ŝimon de tero. Li prenis el ŝia mano unu beron post la alia, sed ne rigardis ŝin, ŝian subtilan, sopireman vizaĝon kun malhelaj okuloj, postulantaj lian rideton.

Ŝia dika buŝo flustris kelkefoje timeman peton :

« Ludoviko, restu hodiaŭ ĉe ni ».

Anno, ŝia duonfilino dektrijara, sidis ĉe tablo kontraŭ ŝi, obstine apogita sur dorsapogilo de seĝo.

La duon-patrino ne rigardis ŝin, ŝian nemildan, supermezuran, jam maturan kapon, ŝiajn mallarĝajn, ankoraŭ infanajn ŝultrojn, sed ŝi sentis, ke ŝi mokas pri ŝi. Ŝi konis ŝiajn malhele brunajn, pasiajn, malicajn okulojn, kiuj venenigis al ŝi ĉiun delikatan momenton de juna edzeco. Ŝi ne povis ĉiam atendi kun siaj delikatesprimoj ĝis ĉeestanta Anno foriros. La edzo malkutimiĝus al ŝia amo, ŝi perdus lin tute. Necesis teni arte kaj senlace reston de lia disdonita koro.

Ŝi kliniĝis al li, mankaresis lian tempion, liajn grizetiĝantajn harojn.

Malhelaj, negrandaj kaj forestantaj okuloj de la edzo premiĝis apud kurba linio de karakteriza nazo, sub malafabla aŭ zorgoplena frunto. Li ĉiam senvorte ekrigardis pluan proponatan fragon, prenis ĝin per du fingroj kaj metis en grandan freŝan buŝon. Li ne pensis pri sia edzino, li ne vidis la pure ordigitan ĉambron, bele kovritan tablon, eĉ ne ĉeeston de la filino. Li meditis kaj la manoj de la edzino ĝenis lin.

Li estis kvardekkvinjara, lia komerco malprosperadis, li havis multajn zorgojn kaj eble eĉ ian doloron. Liaj okuloj iam malsekiĝis pro larmo. Li estis vireca, nesentimentala. Pro komerco li certe ne plorus. Kio doloris lin ? Ŝi enmetis sian doton bonfide en lian pereantan komercon kaj ne demandis, kien ĝi foriris. Ŝi enamiĝis je li, vidvo kun duonelkreskantaj infanoj kaj depost edziĝo elpetadis lian amon. Anno turmentis ŝin pleje. Ŝi malŝatis ŝian legadon, mokis ŝin, ke ŝi legas verkojn de Marlitt, ke ŝi malatentas gazetojn, ke ŝi nek scias, kun kiu ni militas kaj kiu estas kun ni, ke ŝi lasis klarigi al si, kio estas barbaro, kion signifas vorto « kulturo », kaj kiam li tion diris al ŝi, ke ŝi tion tuj forgesis.

Sed la malakordoj estis pli profundaj. La duonpatrino plendis pri la patro, ke li vagas, malfideliĝis al ŝi, ke li estas multajn horojn ekster la hejmo, nekonate kun kiu, nekonate kie, ke li revenas enpensiĝinta kaj malsekigita de roso. Anno pasie defendis lin. Li estas honesta, verama, kavalireca. Se iu forprenus la fidon, ŝi ne volus vivi. Kiel ŝi ne batalu kun la duonpatrino, kiu volis lin malsuprenigi al ŝi ?

Dota pendhorloĝo de la duonpatrino ekĝemis kaj sonoris kvin horojn pli sanktece ol decis por ĉambrohorloĝo.

La patro frapis la duonpatrinon je mano kaj ne plu akceptis la frandaĵon. Li rigardis sian horloĝon kaj leviĝis. Ĝi estis lia horo. Je la kvina li ĉiam foriris el la domo kaj eĉ ne haltis malsupre en oficejo. Kien li iris? Ŝi ne povis haltigi lin. Ŝi kolerigus lin, kaŭzus sensencan disputon, en kiu ambaŭ krius la samon kaj ŝovus kulpon sur la alian. Nenian demandon li evitis tiel ofendosenteme kiel tiun-ĉi.

Se li ekleviĝis, estis decidite. Nenio haltigu lin. Ŝi ekrigardis lin kun fiera ĉarmo.

« Ĉu vi diris, ke nova konsilanto estas ankoraŭ pli alta ol vi ? Mi vidis lin. Li ne povas egali vin », ŝi flatis.

« Li mezuras centnaŭdek kaj mi nur centokdek », li respondis indiferente jam survoje al la pordo.

La edzino kaj la filino pendiĝis sur liaj kubutoj kaj akompanis lin.

« Patreto » flatis Anno, « revenu sana ».

Li distre kisis ambaŭ sur la frunton, fermis antaŭ ili pordon kaj momenton li tenis ĝin, por ke ili ne sekvu. Li rapidiĝis. Virina adiaŭo daŭras horojn. La duonpatrino kaj Anno haltis ĉe fermita pordo kaj rigardis sin malafable.

La duonpatrino ekmordis la buŝon, fermetis la okulojn, renversis momente la kapon. Ŝi konsideris

Anno pensis mokeme :

« Ŝi supozas, ke ŝi havas grekan profilon ».

La duonpatrino rapide decidis sin, returniĝis, prenis de pendhokaro molan ĉapelon, surmetis ĝin, vestis mantelon kaj volis eliri. Anno baris la vojon.

« Restu hejme ! Ne postsekvu lin, ne iru... »

« Finparolu ! »

« Ne iru spioni », ekparolis Anno kun dolora aroganteco.

La duonpatrino ektremis.

« Sufiĉas al vi », pluenparolis Anno kolere, « se vi rigardos liajn ŝuojn, kiel alte ili estas rosigitaj, sufiĉas, se vi observos liajn ŝuplandojn, ĉu ili estas malpurigitaj de ruĝa argilo. Vi ekkonos, sur kiuj vojoj li iris, tra kia alta herbo li vagadis. »

La duonpatrino ekĝemis.

« Vi estas malbona, vi estas malbona ! Ĉu vi komprenas doloron ? Vi estas dektrijara malspritulino ! Vi defendas lin, vi protektas lin kontraŭ mi. Vi ŝajnigas, kvazaŭ vi kredus, ke li estas sankta. Kaj tamen vi konas de la infaneco tutan lian malnoblecon. Vi helpas al li perfidi min, kiel vi helpis al li perfidi vian propran patrinon ».

« Kion vi diras ? » ekkriis Anno kaj ŝia neevoluinta, neinfana vizaĝo malplibeliĝis pro kurba teruro. « Ĉu mi helpis al li perfidi mian karan panjon ? »

« Vi tamen bone scias, ke vi estis kuriereto de lia amo ».

Kia parolo. « Kuriereto de amo » estas malnoviĝinta vorto, vorto el malbonaj romanoj. Kaj ŝi malŝatis eluzitan vortaron de la duonpatrino. Ŝi ĉiam diradis ankaŭ « ĝi farigas » anstataŭ, « ĝi efikas ».

La duonpatrino rigardas indigne pezan kapon de la duonfilino, ŝian maturan vizaĝon kun malmolaj trajtoj, malheligitajn okulojn brunajn kiel formiko. Kaj ŝi fartas malbone pro tiu malamika infanaĉo, ŝi sopiras pligrandigi ŝian kolereman doloron kaj liberiĝi de sia sufero per tio, ke ŝi vundos ŝin neresanigeble.

La batado de ŝia koro plirapidiĝis. Ŝi sentis ĝin en la gorĝo. Ŝi detiris la ĉapelon de la haroj kaj ĵetis ĝin sur seĝon, demetis rapide kaj senzorge la mantelon, kaj malatente disŝiris punton. Indiferenta jam al provokantaj okuloj de la duonfilino, ŝi enkuris en dormĉambron neferminte la pordon. Anno aŭdis, ke ŝi dufoje provis ekbruligi alumeton, sed ne sukcesis. Ŝi decidiĝis, kuris al fenestro, suprentiris kurtenon, malfermis pordon de tolaĵŝranko kaj serĉis rapide, laŭmemore. Anno vidis ŝian moviĝantan dorson, malfirmigitan nodon de ŝiaj haroj ; lumo estis sur roza baldakeno, sur « Madono » de Smolik*, pendigita al ruĝa drapo super helaj, briligitaj litoj. Ŝi sin deturnis. Doloriĝis ŝin kuntirita ŝultrotuko de gipsa Mario, kiu transloĝiĝis kun la duonpatrino en la ĉambron, en kiu staris antaŭ du jaroj lumigita ĉerko de la patrino.

La duonpatrino revenis, traglitis preter Anno dorsturnita, kaj ĵetis antaŭ ŝi sur tablon ruĝan, delikatan marokenan saketon. Anno jam delonge ne vidis tiun ĉi ujon. Iam, iam en unuaj jaroj de sia vivo, ŝi povis ĝin karesi per pure lavita mano.

« Jen vidu ! » diris la duonpatrino senspire.

« Kion mi faru kun tio ? » kontraŭdiris obstine Anno.

« Legu tion ! Vi ekscios. Nur mi konsilas ke vi kun tio kaŝiĝu ie. Al mi ne estus agrable, se mi vidus vian emocion ! »

Anno sentis nun, ke ŝi ne povas daŭrigi, ke la certeco de la duonpatrino alportas ian pezigan argumenton. Ŝi provis ankoraŭ kontraŭstari.

« Ĉu mi ion malbonan ekscios pri la patro ? Lasu do tion. Vi ne makulos lin, kaj mi nenion kredos. »

« Eble, ke vi en via partieco aprobos, ke eĉ tio estas bela ! »

« Mi ne rigardos tion, se vi ne diros al mi, kio estas en la ujo ! »

« Mi do diros tion al vi, karulino ! » silabumis al ŝi la duonpatrino tute ĉe la orelo. « Ĝi estas amleteroj kiujn vi dum vivo de la patrino portis de sinjorino Malinovska al la patro. »

Anno ekridis. Deturnita de la duonpatrino ŝi etendis manon kontraŭ la ujo. La doloro mildiĝis. Ŝi ekridis pro delikata kredo je bono, je noblanimo de la patro, je afabla, nune jam mortinta amikino de patrino, je milda, liliora Malinovska, kiu flegis pene kaj ofereme ŝian martire suferantan panjon, ne bedaŭris pasigitajn noktojn, sian lasitan mastrumon propran, nekontentecon de sia edzo, siajn belajn manojn bruligitajn de kompresoj el kuirita vinagro, je korfavora anĝelo, kiel diradis al ŝi la panjo ĝis la lasta momento.

Jes, ŝi portadis leterojn de la patro, leterojn de sinjorino Malinovska. La patro vokis ŝin pro malpacienca sopiro de la patrino. Ŝi respondis al li, kiam ŝi venos, en kiu nokto ŝi lin anstataŭos ĉe ŝi. Tiujn oferemajn, sanktajn leterojn malsanktigi ! Ŝi fide prenis molan mansaketon kaj rigardis ĉirkaŭen, kien foriri kun ĝi. Ŝia ĉambreto ne havis pordon. Nur kraketantaj vitreroj pendis sur ĝi. Ŝi eliris el la ĉambro kaj rigardis ĉirkaŭen, ekvidis duonmalfermitan pordon al subtegmento. Ŝi ekkuris sur krutaj ŝtupoj, marŝis tra fojno, eksidis spireganta sur keston, sub tegmenta fenestro. Ruĝa brilo de subiranta suno lumigis sur ŝiaj genuoj amason da leteretoj, kiujn ŝi iam alportadis al la patro. Ŝi ekkonis la kovertojn, la rapidan skribon, la etajn ruĝajn sigelojn kun duobla krucigita « M ».

« Kara Ludoviko « ŝi ekvidis. Jes, tiel nomis ŝian patron sinjorino Malinovska, tamen neniam diradis al li tiamaniere. Ŝi alparolis lin ĉiam « sinjoro fabrikanto », kvankam tia li ne estis.

Ŝi ekrigardis subskribon. Kio estis tie ? « Via Matjo ». Jes, ŝi lasis diri al si « Matjo » de amikinoj eĉ de la edzo. Sed la patro neniam diris tiel al ŝi. Matjo. Ĝi estis sola makulo sur bela sinjorino. Kaj poste, ŝi havis nebelan buŝon. Se ŝi parolis, la buŝo kurbiĝis kaj aperis malegalaj, per oro riparitaj dentoj. Ŝi ne ŝatis rigardi ilin. Nur belan koloron havis ŝiaj vangoj. Haŭtkoloron ŝi havis kiel rozo. Kaj plue ŝi portis altan kronon da oraj haroj kaj scipovis elpensi karesajn vortojn. Ŝi iam kisis ŝin sur la okulojn. « Ili similas al okuloj de la patro », ŝi diris.

Anno sidis sur la kesto kaj pripensis. Ĉirkaŭe bonodoris sekiĝanta fojno kaj ligno de subtegmento. Ŝi levis ree la letereton.

« Kara Ludoviko » ŝi legis. « Hodiaŭ finas unu jaro post kiam ni ekkonis nin. Mi neniam forgesos tiun momenton, kiam vi eniris ĉe ni. Mi de unua momento komprenis, ke vin mi atendis tutan vivon. Mi volonte priskribus al vi, kiel mi fartis. Sed vortoj estas kiel plumtuboj. Nenion oni povas diri per ili pure. Sufiĉas nur, ke mi skribas al vi, ke mi amas vin freneze, ke mi volus servi al vi ĝis morto ». Kaj dua letero :

« Venu certe je duono de la sesa. La edzo forveturos je la tria. Vi restos ĉe mi ĝis la sepa. Ĝi estas lia horo. Mi pasie ĝojas je viaj kisoj. La leteron mi sendas per malgranda Anno ».

Kaj alia letero :

« La edzo subaĉetis la servistinon. Ŝi perfidis al li, ke mi sendas ŝin al teatro, kiam li ne estas hejme kaj kiam vi venas. Li demandis min malĝentile, ĉu mi amas vin. Mi respondis al li trifoje : Jes, jes, jes. Mi havas la korpon plenan je vundoj. Mi volonte suferas. Ĝi estas por vi. Mi montros al vi miajn kontuzojn. Vi resanigos ilin per viaj kisoj. Mi rapidas, Annon gratis katino, kun kiu ŝi ludis kaj ŝi estas senpacienca».

Ŝi prenis leteron el la lastaj.

« Mia amato, mi skribas al vi pro plej granda malespero. Oni diris al mi, ke vi aspiras riĉan Julion, filinon de konstruanto, ke jam vi ne longe estos vidvo. Ĉu vi ne plu pensas pri mi ? Mi ne vidis vin depost monato. Mi estas malsana. Mi kadukiĝas pro vundo, kiun ekbatis al mi sur brusto la pugno de edzo tiam, kiam mi konfesis, ke mi amas vin. Mi ne longe vivos.

* Smolik, ĉeĥa pentristo

Ne vundigu min per vundo netolerebla, per via edziĝo kun knabino Julio. Mi eble suferus frenezige. Mi scias, ke vi ne amas ŝin, mi scias, ke vi bezonas ŝian monon kaj ne perfidas min. Sed mi ne scias tion tutcerte kaj mi havas turmentigajn noktojn. Venu al, mi ».

Kio sekvis ? Bileto, skribita en nova edziĝa tago de la patro... « Dio benu vin, Mario Malinovska ». Ŝi ne plu subskribis: Matjo. Ĝi ne decus antaŭ homoj kaj kiam la amato edziĝis. Lasta papero en paketo estis nigre borderita. « Forlasis nin nia modela edzino kaj neforgesebla patrino, Mario Malinovska ».

Anno kunmetis la leterojn. En tuta korpo ŝi sentis doloron kaj oni disŝiris ŝian animon kiel pecon de tolo. Ŝia koro turmente skuiĝis. Ŝi fikse rigardis rememorigan mallumeton. Ŝi vidis morti la amatan patrinon. Eĉ ŝi turnis estingiĝintajn okulojn je ĉiuj paŝoj de la patro, demandis lin je la kvina horo dolorvoĉe : « Kien vi iras ? » Ŝi ofte ŝanĝis malsekigitajn pro larmoj poŝtukojn per la puraj. Ŝi ofte prezentis al ŝi speguleton, por ke ŝi rigardu en ĝin kaj ke ŝi ordigu la harojn, antaŭ ol eniris en dormoĉambron la patro. Kaj tiun ĉi martirinon de nekonata ĉagreno ŝi helpis trompi.

Ŝi falis en la fojno per tuta longeco de sia delikata duoninfana korpo kaj komencis ploregi.

Kiel ŝia juna koro forsavu sin de tiuj ĉi konfuzoj ? Kiel ŝi komprenu kurbajn vojojn, trompiĝojn, malfortecojn kaj kulpojn tie, kie ŝi antaŭ tio adoris perfektecon kaj heroecon ?

Plej perfekta estaĵo, kiun ŝi scipovis imagi, ŝia vireca, saĝa, eminenta patro mensogis kaj trompis. Li havis bluokulan, ĉarman, noblan virinon kaj estis iranta kisi bluajn vundojn de sinjorino Malinovska. Ŝi mokis la avineton, kiu rakontis al ŝi, ke peko de malfideleco edza estas tiom granda, ke nur episkopo povas ĝin pardoni. Ŝi ridis pri avineta antikva modeco, ne kredis jam delonge al episkopoj. Sed nun ŝi sentis, ke malfidelecon neniu povas pardoni, nek episkopo, eĉ mortinto sub argilo ne povas.

Ŝi senĉese ploris. La fojno bruetis ĉirkaŭ ŝia kapo. Neniu aŭdis ŝin. Ŝi laciĝis pro plorado, kvietiĝis. Ĉirkaŭ ŝi mallumiĝis. Ŝi devis leviĝi kaj reveni en vivon. Ĝi estis preme malbela. Ŝi ne volis vivi, same kiel ne volus malsupreniri en nigran, kotan akvon.

Ŝi ne povis reveni en tiun senĉesan, malican batalon. Ŝi ne havis en la mondo homon, al kiu ŝi nun irus, al kiu ŝi plendus. Ĉio vokis en ŝi faciligon, brakon, varmon, homon.

Al kiu ŝi iru ? Al neamata duonpatrino, kontraŭ kiu ŝi luktas ĉiutage du kaj duonon da jaro ? Al la patro, kiu foriras je la kvina kaj revenas je la sepa, kiu trompas vivulojn eĉ mortulojn ?

Ŝi volis leviĝi. Ŝia mano apogis sin kontraŭ la glata marokeno. Tie estas la leteroj. Kion fari kun ili ? Kiel detrui ilin ? Kiel ebenigi tiujn ĉi malakordojn ?

Ŝi pensis pri la patro. Ŝi ne povas ne kompati lin. Ŝi scias, ke li estas bona, suferanta kaj ke li amas ŝin. Ŝi iris kun li kelkfoje promeni kaj al la tombejo. Li rakontas al ŝi pri vivo, pri animo de homo, pri tio, kiel oni bezonas sopiri je perfekteco kaj kiel malkvieta homa animo malfacile gajnas ĝin. Ĉu la animo de homo estas malkvieta ? Jes, ĝi baraktas, bruas en trablovo de destino, ĝi estas blindigita de lumeco de kulpigo kaj punita de terura pento el ĝi. « Estu bona, estu pacienca, kiel estis via patrino », diris al ŝi la patro. « Ŝi ne riproĉis al tiu, kiu vundis ŝin kaj ŝi scipovis kompate pardoni. Li elpetis pardonon por pekuloj. Ŝi ne sciis pli frue, pri kiu li parolis. Ĝi estis li, kiu bezonis pardonon.

Anno malsupreniris silente en teretaĝon, rigardis ĉirkaŭen antaŭ la domo sur kota vojo, ĉu la patro revenas. Poste ŝi elpaŝis. Al la tombejo ŝi povis iri tra urbo, aŭ mallongigi la vojon, irante tra herbejoj kaj monaĥejo. Ŝi decidiĝis por vojo pli mallonga. Ŝi marŝis rapide sub malhele verda ĉielo, flankiĝis de marĉetoj kaj de reloj, inter kiuj staris akvo. La marokenan ujon ŝi tenis per ambaŭ manoj sur infana, ebena brusto, kaj pensis : « Mi komence supreniĝos sur riglilon, poste ekkaptos kradojn. Plej malfacile estos transpaŝi pintojn super kradoj. Sed poste mi jam apogos min kontraŭ lada subaĵo kaj malsuprensaltos. Se mi ektimos sur la tombejo ? Ne, mi estas jam granda kaj mi mokas pri timemuloj. Plue, ne estas noktomezo. Estas nur duono de la sepa. Nur poste, transpaŝante, mi ne disŝutu la leterojn el la ujo ».

Ĉe la tombejo ŝi momenton pripensis. Estos pli bone, traĵeti la mansaketon tra krado, poste transgrimpi. Ŝi haltis ĉe pordeto. Pli bone tamen estus trairi. La patro havas ŝlosilon de la pordo, sed li kunportas ĝin. Ŝi pendiĝis je klinko, kiu cedis. La tombejo estis malfermita.

Necesis iri tra ĉefvojo al kruco, poste maldekstren. Ĝi estas kvara tombo depost sonorilejo. Sur ĝi staras alabastra vazo kun du kolombetoj sin kisantaj, borderita de hedero. En ĝi estas freŝaj floroj ; ŝi enmetas ilin tien ofte.

Vento bruetis tra maldensaj kronoj de larikoj. Ŝi trovis flankan vojon, la sonorilejon, la kvaran tombon. Kiel eltranĉita, la luno lumigis la krucon kun surskribo : « Mario Malinovska ».

Ŝi eksidis sur la tombon kaj ekhezitis. Ŝi ne havis kun si ilon. Ŝi havis nurajn manojn. Argilo estis tamen cedema post pluvoj. Ĝis antaŭ nelonge ŝi pasie ŝatis lude fari kavernojn en argilo. Nun ŝi fosis malgrandan kavernon, eltiris la ĉirkaŭligitajn leterojn el la mansaketo, enmetis ilin en teron, ĉirkaŭgluis ilin zorgeme per argilo kaj ordigis sur ilin demetitajn terbulojn kaj batpremis la tombon.

Ŝi redonis la leterojn al tiu, al kiu ili apartenis. La duonpatrino ne plu minacos per ili, ne plu estos ili malhonorigo por la malĝoja patro. Ŝi zorgis pri ili ĉiuj. Dekstre ĉe preĝejpordo estas familia tombo. Tie kuŝas du malgrandaj fratoj kaj oni entombigis tie antaŭ du jaroj mallarĝan ĉerkon kun kara panjo. Ŝi devis ĉirkaŭiri la preĝejon, iri tra alta, malseka herbo. Sur tero, kuŝis elradikigita lariko. Vento fajfis tra nevitrigitaj fenestroj de la sonorilejo romanstila.

Ŝi trovis malsekigitan marmoron kun ventamasigita foliaro kaj kliniĝis profunde al ĝi. Ŝi volis paroli ion detalan, komplikitan, trosaĝan, sed nur ripetis kelkfoje per seka buŝo :

« Pardonu al ili, pardonu al ili ! Kaj igu, ke eĉ mi sciu pardoni ! »

Io malantaŭ ŝi ekmoviĝis.

« Por kiu vi preĝas en mallumo ? » ŝi aŭdis malantaŭ si ekflustri humiligitan voĉon de la patro.

Ŝi meditis momenton.

« Por ni ĉiuj », ŝi respondis.

Ŝi revenis hejmen kun la patro. Li ŝlosis tombejon per sia ŝlosilo. Ili silentis survoje, ili silentis ĉe vespermanĝo, ili ne levis palpebrojn.

« Kie vi estis ? » demandis milde la duonpatrino per maniero, kiun Anno mokeme nomadis « ŝi flatruzas ». « Vi ambaŭ estas malsekigitaj kaj havas plandojn malpurigitaj de ruĝa argilo ».

Anno rigardis ŝin tra repacigitaj ruĝigitaj okuloj kaj metis al ŝi sub tablo sur la genuojn la malplenan marokenan mansaketon.

« Mi redonis al posedantino, kion vi donis al mi », diris ŝi malsovaĝe. Kaj ŝi neatendite premigis al ŝi varmegan, tremantan manon.

La duonpatrino rigardis ŝin dufoje mirigite kaj ekpensis :

« Kiaj belaj kortuŝantaj okuloj estas ĉe nia Anno ».

El ĉeĥa : Ant. JANDIK.

---

# POEZIO KAJ PROZO

*De Jaroslav Vrchlický.*

*Jaroslav Vrchlický, pseŭdonimo de Prof. D-ro Emil Frida (1853-1912) plej produktema ĉeĥa verkisto. Prikantas la belecon de l'vivo kaj kredas je la evoluo de la homa spirito. Tradukis en sian lingvon ĉefverkojn de itala, franca kaj germana poezio. La jena rakonteto estas el kolekto « Koloraj vitreroj ». Vrchlický posedis riĉan poezian kreemon kaj tradukan kapablon; la nombro de liaj verkoj superas 250 volumojn.*

Ili ambaŭ loĝis en sama domo de flankesituita strato de granda urbo.

La bakisto, viro fortika, larĝa, kun muskoloj feraj, harditaj kaj evoluintaj pro laboro, okupis la tutan teretaĝon. Li estis, kiel oni diris vulgare, malnovmodulo, al kiu — juĝante laŭ la dika kaj bonanima vizaĝo — la metio bone efikis. Li sekve ne sentis emon al alia kampo de aktiveco.

La bakejo, de kiu eliris seninterrompe varma aerfluo kaj miriga odoro de fermentanta faruno kaj bakita pano, finiĝis en eta magazeno kun grandaj kradofenestroj kaj malgranda flanka pordo. Ĉe la pordo estas fiksita sonorileto, kiu ne ĉesis funkcii dum la tuta tago.

Super la bakisto loĝis parfumisto. Li ne estis ordinara metiisto — sed viro kiu sentis la inspiron de spirito inventista, ĉiam trovante novajn variajn odorojn. La aromoj de violoj kaj rozoj, de rezedoj kaj diantoj, de muskofloroj kaj de mosko ŝajnis al li banalaj, ĉiutagaj. La fakto, ke precize tiuj aromoj estas la plej ŝatataj, ne erarigis lin. Tutajn noktojn li tralaboris en sia malvasta laborejo — li distilis, kombinis, miksis, dissolvis, kribris, kuiris. Li lasis liberan vojon al la fantazio, mem trans la limojn de la bona gusto, nur por trovi novan mondon de novaj, ĝis nun ne konitaj odoroj. Li preferis la odorojn acidajn kaj acajn, kiel ekzemple tiun de kuiritaj tromaturaj kaj jam iom putriĝintaj abrikotoj aŭ ananasoj, por odorspecoj skuantaj la arteriojn, aŭ falsa sono ĉe violono aŭ kiel perforta kunigo de heterogenaj koloroj.

Pro la streĉa laboro li kurbiĝis kaj malgrasiĝis, en la okuloj brilis fajro kaj la nazo en la kadro de nigraj haroj ricevis pintan profilon pro la daŭra flaro de variaj odoroj.

La produktaĵojn li ne liveris al fabriko. Li nur havis malgrandan klientaron kaj ankaŭ ĝi ne estis certa. Foje sonis, kiel vera muzika sono en la eterna tintado de la bakeja sonorileto, tiu ĉe lia pordo — eniris knabineto aŭ duonmondulino aŭ juna viro aŭ maljuna dando — ekzamenis la varojn, elektis ion, kaj ĉiu forportis en malgranda fiolo el bela kristalo facetita laŭ formo orienta aŭ venecia, kelkajn gutojn de strange odoranta esenco en kiu opoponakso kuniĝas kun ĉina lilio aŭ ambro triumfas pri malnovmoda rezedo. La klientoj fariĝis ĉiam malpli multaj. Sed ĉiam li sidis ĉe la laboro serĉante je novaj impresoj, je novaj gutoj de la artifikemaj animoj de la floroj.

La sonorileto de la bakisto tintis ĉiam pli malagrable, aŭdiĝas la marĉandado de la homoj, la ĵeto de la mono sur la tablon, la gaja babilado de la bakistoj kaj kuiristinoj, la ridado de la infanoj, la krakado de la veturiloj, la kriado de la vendistoj — multkolora vivo kaj vagado —. Ĝis malfrua nokto daŭris la bruo ĝis fine silento. Nur brueto el la bakejo aŭdiĝis — oni povis konstati kiel la fornoj estas aranĝataj kaj hejtataj, kiel oni puŝas la panon en la fornon, ĝin reprenas kaj pretigas. Je la dua horo plena silento. Sed kvazaŭ la homoj ne povus atendi la matenon, rekomencis denove la bruegado je la kvara.

Dum tia nokto li sidis sola, kurbiĝinta super libroj, meditante pri floroj de ekzotikaj plantoj, pri materioj variaj, putriĝintaj, el kiuj li serĉas elpreni per sprita analizo aŭ lerta kombino la odoranimojn dormantajn. Dum tia nokto li aŭdis okaze en la silento, akompanita de la ĉirpado de cikado, el la bakejo la mirindan kanton de la pano:

« Mi estas la manao de la malriĉuloj, la hostio de la vivo, de homoj penantaj kaj lacaj pro laboro. Ĉiu peceto estas sankta, estas ŝvito de la laboristo, estas larmo de l'orfoj. Mi enpenetrigas la vivon, ĉar mi estas la vivo mem, mi venas el la tero, kreskas kaj grandiĝas, mi spiras patrinan aeron, mi estas karno kaj lakto, en mi estas fosfor-embrio por la cerbo de la pensuloj, sed ankaŭ ĉeloj muskolaj por la mano de l'laboristo. Mi estas la manao de la malriĉuloj, la hostio de l' vivo de tiuj penintaj kaj laciĝintaj pro la laborado. »

Li aŭskultis la strangan kanton. Grandaj larmoj falis de la palaj sulkiĝintaj vangoj. De la lipoj iris preĝo al la ĉielo: « Ho, Dio, kiom feliĉaj ili estas, kiuj povas provizi la mondon per iu ĉiutaga bezonaĵo. Tamen mi dankas al ci, ke ci ne igis min la bakisto tie malsupre — ke ci donis al mi por gustumi la opion de la elektitoj, eĉ pro la prezo de la vivo. »

Sed en sama momento lia mano eniris la poŝon, elprenis du mizerajn monerojn, balancis ilin en la manplato kaj diris kun dolora rideto:

« Jam estas tempo, por ke mi iru aĉeti panon. »

Trad. G. *Agricola.*

---

*Ni estos des pli naciaj, ju pli ni estos humanaj.*

*Ne amo al sia nacio, sed la ŝovinismo estas malamiko de popoloj kaj homaro.*

*Gardante sian tutan amon al nia propra nacio, ni kondamnas la nacian ŝovinismon kaj ni tenas idealon de internacieco.*

*Demokratio ne estas niveligo, sed kvalifikigo.*

*Politiko ne devas esti politikado, ne devas esti sagaceco, ĝi ne devas esti arto superruzi unu la alian.*

*Ŝtato kaj politiko sen morala fundamento ne sukcesos.*

*Sperteco instruas, ke amo al homoj (humaneco) fine rentumiĝas.*

*Demokratio ne estas ĉiama revolucio.*

*Ni volas ŝtaton, Eŭropon, homaron sen militoj kaj sekve ankaŭ sen revolucioj.*

*Demokratio estas politika formo de humaneco.*

T. G. MASARYK.

# PRI PERIOSTOZO

De Karel Ĉapek.

*(Karel Ĉapek (*1890) pleje reprezentas en eksterlando la novan ĉeĥan literaturon. En liaj verkoj, abundantaj per trafaj ideoj kaj spritaĵoj, el sub la racia kaj spekulativa trajto evidentiĝas kredo je pura humaneco. Ĉapek estas vaste, eŭrope klera, lia humoro ne ofendas. Pri ĉio li havas sian opinion, kiun li publike predikas kaj kiu iĝas publika posedaĵo. Grandan sensacion vekis liaj dramoj, precipe la satiro pri homa vivo « El la vivo de insektoj » kaj la utopia dramo « R.U.R. » esprimanta kritikon pri la mekanismigita mondo kaj kredon je humaneco kaj amo.)*

Kiam do la malbono estis jam ekstrema; kiam mi je la tria horo matene elsaltis et la lito kaj komencis ĉirkaŭkuradi la ĉambron tenante al mi la kapon kaj pepante kiel timigita muso, mi diris al mi mem: Ne, ĉi tiel oni tion ne povas lasi plu; oni ne povas silente toleri, ke la homaro tiom suferu; oni devas iom kontraŭ tio fari.

Jen mi plenumas la promeson donitan en la fatala momento kaj skribas kontraŭ tio artikolon: nome kontraŭ la inflamo de periosto.

***

La normala procedo de la malsano estas jena: komence la suferanto, regante sin, por tion diri laŭeble indiferente, anoncas al siaj proksimuloj, ke li sentas ioman dentdoloron. Post tio la proksimuloj konsoleme diras, ke ĝi estas tute sensignifa, ke ĝi eble devenas nur de aerblovo kaj ke plej bone estas sur la denton meti prunobrandon, vinagron, jodan tinkturon, malvarman kompreson, varmigitan lantukon, hidroperoksidon, acetatan acidon, kaj aliajn diversaĵojn laŭ ĵusa bontrovo. Per la uzo de ĉiuj nomitaj rimedoj oni atingas tion, ke la doloro, ĝis tiam nedifinebla, preciziĝas kaj komencas ĉizi, bori, fosi, skui, piki, ardi, pinĉi, mordi, boli kaj ŝveli. Sekve de tio venas la dua stadio de la malsano, kiam la paciento decidas tion ne plu toleri, kaj komencas englutadi diversajn pulvorojn, ekzemple aspirinon, amidopirinon, novamidonon, rodinon, trigeminon, veramonon, kaj amason da aliaj. Kaj tio fakte iom efikas: la boranta doloro malakriĝas, sed kompense la vizaĝo komencas ŝveli, kaj la homo per tremantaj fingroj ĉirkaŭpalpas la ŝvelaĵon, kiu ŝajnas al li esti pli granda ol ĉio, kion li iam en sia vivo estas tuŝinta. Intertempe la proksimuloj disigas sin en du partiojn: unuj asertas, ke sur la ŝvelaĵon oni devas meti malvarmajn kompresojn, por ĝin haltigi kaj forpeli, dum la aliaj predikas, ke oni ĝin ŝvitigu, por akceli ĝin. La suferanto uzas alterne ambaŭ metodojn kun tiu rezulto, ke la ŝvelaĵo iĝas pli granda kaj malmola, ĝis ke ĝi pro sia abundeco preskaŭ brilas, kaj el ĝi elnaĝas supren la doloro refreŝigita, vigla kaj mordema, entreprenanta pikajn atakojn dekstren kaj maldekstren; samtempe la koncerna dento kvazaŭ elkreskas kaj elstaras el inter la ceteraj, tiel ke ĝi ĉiam alfrapas la dentojn kontraŭajn, kio al ĝi ĉiufoje donas oportunan okazon, por ke ĝin traflugu konsterniga fulmo de doloro. En tiu ĉi stadio ekgrumblas la suferanto ion teruregan, surĵetas la ĉapelon kaj kuregos al sia dentisto. Ekzistas momentoj, kiam homo kapablas fari tiel heroajn decidojn.

Tute kontraŭatende via dentisto montras nenian fervoran kunsenton; duonbuŝe li nur diras: « Nu, ni tion rigardos », frapetas per ia ilo viajn dentojn, ne respektante viajn protestojn, kaj poste li iomete meditas. « Kredu », diras li kun mieno malserena, « tiu dento volas esti eltirita ».

En la sama momento penetras vin stranga nobleco; vi estas kvazaŭ samsanga patro, kiu traktas kun anĝela pacienco sian fikondutan idon, antaŭ ol forpuŝi lin de si. « Eble ni ankoraŭ atendu », proponas vi fervore, « pripensu tion, ĝi esepereble ja reprudentiĝos kaj oni povos ĝin savi, ĉu vi ne konsentas? » Ĉi-momente la « fikondutulo » efektive doloras iomete malpli multe; eble tio estas jam signo de reboniĝo —.

« Bone », ekmurmuras la dentisto, « ankoraŭ unu tagon ni atendos ». Kaj li vin liberlasas, preskribinte al vi ian ŝmirkuracilon kaj pomadon kaj kompresojn. Jam meze de la hejmenvojo ŝanĝas la dento denove sian pensmanieron kaj komencas furiozi kvazaŭ freneza; vi kuregas hejmen, ne povante ĝisatendi la entreprenotajn savlaborojn, kun poŝoj plenŝtopitaj per boteletoj kaj tinetoj, kiujn vi aĉetis en apoteko. Poste vi do kun superhoma sinoferemo provas savi la malfeliĉan denton (vi faras ja tion por *ĝia* utilo, ne por vi) ; vi gargaras, tralavas la buŝon, ŝmiras vin per brulaj tinkturoj, pomadas vin per fiodora jodaĵo, kompresas vin per blanka akvo kaj ree tralavas la buŝon kaj ree almetas kompreson kaj en la interpaŭzoj vi batas la kapon kontraŭ la muron kaj provas kalkuli ĝis cent kaj ĉirkaŭkuras la ĉambron, kaj entute vi klopodas vin iel distri; ne ekzistas ja legaĵo, kiu kapablus por kvin minutoj superefiki la periostozon. Mi volus iam en mia vivo verki libron, kiu estus tiel bona kaj forta, ke ĝi vekus intereson de homo suferanta pro periostozo; sed tion ĝis nun sukcesis fari neniu. Koncerne min, mi provis librojn bonpruvitajn ĉe aliaj malsanoj, ekzemple la Biblion, Tri muskedistojn, Dickens'on, detektivajn novelojn kaj ĝardenistajn prezolistojn; en neniu mi trovis konsolon kaj forgeson. La suferanto koncentras sin al unu afero: al la savlaboroj; kiel maristo sur dronanta ŝipo senripoze pumpas akvon, same senripoze almetas al si periostozulo kompresojn kaj tralavas la buŝon kaj pomadas la makzelojn; kaj se al li lia dentisto rekomendus preĝi inverse « Patro nia », post ĉiu sepa minuto trifoje ekkraĉi kontraŭ la nordo, ĉirkaŭligi la maldekstran piedon per ruĝa fadeno, ŝmiri la nazopinton per verda vitriolo kaj post ĉiu kvaronhoro engluti kulereton da hipokaŝtana infuzaĵo, li farus tion kun pasia akurateco, plene sin fordonante al sia agado; krome li per tio pli rapide pasigus la tagon.

La tago efektive pasis kaj venis la nokto. Tiun ĉi nokton oni ne povas priskribi, same kiel ĉio senfina estas nepriskribebla; sufiĉu diri, ke antaŭ la tagiĝo ĉio estas « pesita kaj sigelita ». Oni devas la denton eltirigi. Tuj matene mi vizitos la dentiston kaj diros rezolute: Sinjor' doktoro, la denton eltiru; faru, kion vi volas; mi estas preparita por ĉio. Mirinde tiu ĉi decido restas firma ĝis la mateno; matene oni konstatas, ke estas dimanĉo kaj ke ne ekzistas dentistoj. Estas ia speciala leĝo, ke periostozo maturiĝas kutime je dimanĉo. Ordinare en la nokto de sabato al dimanĉo oni konstatas, ke la dento devas esti eltirita. Tiu ĉi fenomeno tute certe rilatas iel al tio, ke en dimanĉo la dentistoj ne akceptas vizitojn.

Tiun fakton konsciiĝas al si la suferanto kun sento duspeca: unue li furiozas kaj insultegas la dentistojn, la sensencan kutimon, ke ĝenerale ekzistas dimanĉoj kaj festotagoj, la tutan mondon, kaj precipe tion, ke li la denton ne povas eltirigi; due li malkonfesas kaj subpremas en si strangan profundan memkonsolon, ke oni la dentiston ne povas viziti kaj ke sekve la dento ne devas esti eltirita. Almenaŭ ankoraŭ hodiaŭ ne. Oni devas atendi.

La lasta tago estas do tago de granda atendado. La paciento ne plu almetas kompresojn nek tralavas la buŝon nek sin ŝmiras per vato, sed etendas kuntirante sin, li kaŭre barakтas kaj kuradas ĉirkaŭronde, rigardante per okuloj malfermegitaj la horloĝon: mil diabloj, kiam ĝi fine ĉesos? Aŭ li sidas Post ĉiu duonhoro li englutas unu dormigan pulvoron, sekve de kio li eksentas veran naŭzon. En stato de kvazaŭa rigideco

li ĝisatendas la nokton kaj enrampas en la liton. Ĝi estas la lasta nokto antaŭ la ekzekuto.

La doloro, kiu ĝis tiam okupis unusolan denton, komencas disrampi; jam ĝi estas supre kaj malsupre, en la orelo, sur la tempio kaj en la gorĝo, varmega, brula, pulsanta; la suferanton skuegas frosta febro kaj furioza malpacienco, tiel ke li grincigas la dentojn — pro dio, kia fatalaĵo! Apenaŭ li ilin ekgrincigis, li elsategas el la lito pepante kaj ululante kaj trakuradas la ĉambron kun tremetantaj genuoj; kiam li ne plu povas, eksidas li sur la lito kaj balancas la korpon; kiam li ne plu povas, li falas en la kusenojn kaj ekgrincigas la dentojn kaj balancas la tutan korpon, por iom subpremi la konscion, kun furioza malpacienco, post kio la tuta historio ripetiĝas. Je la tria horo matene li decidas, ke oni tion ne plu povas tiel lasi kaj ke la homaro ne povas plue tiom suferi. Poste li sin kuŝigas kaj duone svenas. Koncerne min, mi eksonĝis, ke la doloranta dento kaj la kontraŭ ĝi troviĝanta ne estas dentoj, sed du katolikaj pastroj; ke unu, la malsana, estas vizitinta la papon kaj sekve de tio la alia ne rajtas lin tuŝi. Ĉiufoje, kiam li tuŝis lin, mi vekiĝis pro doloriga ekskuiĝo. ‚ Kial ', mirante mi demandis, rajtas tiun pastron neniu tuŝi? Tio estas ja malprudenta kutimo! — ‚ Jes ', klare kaj neopozeble sonis la respondo, sed ekzistas ja tia malnova dekretaĵo el la tempo de Roberto Guiscard '. — Paciĝeme mi tion akceptis, ĉar mi estimas la tradiciojn; poste mi komencis sonĝi, ke mi tute ne havas en la buŝo dentojn, sed kaktojn; la doloranta dento estas hirta opuntio, dum la kontraŭe staranta estas cereo kun longaj dornoj; se ili proksimiĝas unu al la alia, tuj ili sin per la dornoj reciproke ekpikas, kaj mi devas vekiĝi. Kun larmantaj okuloj mi parolis: Tiel zorge mi ilin el semoj elkulturis, kaj ili nun donas al mi tian rekompencon! — Akompanate de similaj sonĝoj la paciento finatendas la mateniĝon.

La fino estas mallonga kaj rapida. Genutremante sin ĝistrenas la suferulo al sia dentisto.

« Sinjor' doktoro — » provas li balbuti.

« Eksidu », ordonas la dentisto.

« Kaj ĉu mi ne sentos doloron? »

« Ne », diras la dentisto kraketante per iaj instrumentoj.

« Kaj... ĉu necesas ĝin vere eltiri? »

« Memkompreneble », respondas la dentisto frostece kaj alpaŝas al la malsanulo.

« Malfermu la buŝon! »

La suferanto ekbatas kelkafoje per la piedoj kaj pugnoj la ventron kaj bruston de la dentisto, estas realpremita al la apogilo, intencas ekbleki, kaj en tiu momento li ricevas injekton.

« Ĉu tio doloris? » demandas la kuracisto.

« N-n-ne », parolas la martiro necerte. « Ĉu ni ne povus atendi ĝis morgaŭ ? »

« Ne », murmuras la kuracisto kaj rigardas reveme al la fenestro. Ekstere promenas homoj, kiel se ĉi tie, apud tiu fenestro, ne okazus unu el la grandaj tragedioj...

« Nu, jam ĝi sufiĉas », diras la kuracisto kontente. « Malfermu la buŝon! »

La paciento fermas la okulojn, por ne vidi la teruran instrumenton. « Sed — »

« Malfermu ĝin plie! »

En la buŝo io ekkrakis; verŝajne la doktoro forglitigis la prenileton.

« Ĉu tio ne estos doloriga? »

« Tralavu la buŝon », grumblas la kuracisto kvazaŭ de malproksime kaj montras en la prenilo ion blanketan. Dio mia, ĉu do tiu dento ne estis pli granda?

Poste dum tri tagoj la suferinto iradas de unu homo al alia kaj rakontas detale, kiel lin turmentis la periostozo. Sed la homoj estas vere egoistoj; meze de via parolado ili ĝin interrompas: « Jen ankoraŭ bagatelaĵo; sed kiam *mi* havis periostozon — ». Kaj tiam ili priskribas al vi, kiel al ili devis kuracisto per ĉizilo trahaki makzelon, aŭ ion similan.

Kaj aliaj diras indiferente: « Periostozo » Tion mi neniam havis ». Kaj plue ilin via afero ne interesas.

Tradukis *Miloŝ Lukaŝ.*

***

## Germana Spirito

Oficisto de frenezulejo gvidas vizitanton tra la instituto. Malfermante la pordon de ĉambro, li diras : « Ĉi tiu ejo estas destinita por frenezaj aŭtomobilistoj ».

Vizitanto : « Sed neniu estas en ĝi ».

Oficisto : » Tamen : ili ĉiuj kuŝas sub la litoj kaj riparas ».

***

La edzo en la mateno tusis, terure tusis kaj restis en la lito.

Tagmeze la edzino iras al li, dirante : « Karulo, ne koleru ; sed via tuso maltrankviligas min. Mi telefonis, kaj nun li estas ĉi tie ».

« Nu bone, lasu la kuraciston eniri ».

« Kial kuraciston ? La vivasekur-agento estas ekstere ».

***

Sinjoro Misterulo ne ŝatas multe paroli, antaŭ ĉio ne hejme. Li deziras diri ĉion per unu vorto.

« Matenmanĝon ! » li diras matene. Kaj tuj oni alportas al li la matenmanĝon, la gazeton, la frizisto estas venigata, la aŭtomobilo veturas antaŭ la domon, la poŝtaĵoj estas malfermataj, kaj la kolumbutoneto estas varmigata.

Iun matenon sinjoro Misterulo vekiĝas kaj sentas sin malbonforta.

« Malsana ! » li diras ĉi tiun fojon.

La servisto malaperas. Tutan horon li forestas.

« Kie vi estis tiel longe ? » sinjoro Misterulo demandas lin severe post lia reveno.

« Venigis kuraciston, aĉetis medikamenton, mendis tombon, elektis florkronojn, notis funebran anoncon ».

***

« Kiamaniere vi perdis vian tutan havaĵon en Ameriko ? »

« La duonon mi elspezis, por havigi al mi trinkaĵojn, la alian duonon mi devis fordoni por monpunoj».

(El. « *Esperanto-Praktiko* »).

**Frizo kaj Harflego**

Ni serĉas aparatojn kaj rimedojn por frizo kaj harflego; ankaŭ licencojn por laŭpatenta fabrikado de tiaj rimedoj. Nur plej modernaj aŭ tute novaj objektoj interesas nin.

PERMATROLFABRIKEN

*Stockholm 6. Svedujo.*

# HEREDAĴO

*De Julio Baghy.*

Dekdu aŭ dektrijara mi estis, kiam la unuan fojon mi vidis mian patron ploranta. Tiel komenciĝis, ke iu frapetis sur nia pordo. Mi kuris por malfermi ĝin. Blankhara, maljuna almozulo kun frostoruĝaj manoj staris antaŭ mi. En la trouzita maldika vesto li tremadis pro la malvarmo. Milda petego vibris en lia voĉo kaj konteme li etendis ian skribaĵon al mi.

— Per iom da bagatelo bonvolu helpi al senhava orfa maljunulo... Mia eta nepo mortis kaj por enterigo mi bezonus... por enterigo. Mi ne estas ja... mi ne estas... malseke ekbrilis liaj okuloj.

Lia voĉo kuris al mia koro. Mia patrovoka vorto tiel tremis, kiel la frostoruĝaj manoj de la maljunulo. Mia patro venis el la ĉambro, rigardis pretere al la almozpetanto kaj serĉis en sia monujo.

— Nur iom da bagatelo por senhava orfa maljunulo...

La voĉo petegis. Mia patro ekatente levis la kapon. Lia almozdona mano haltis, lia rigardo longe kaj esplore fiksiĝis al la trajtoj de la maljunulo, kiu mallevis la palpebrojn. Estis videble, ke la almozpetado ne estis lia profesio.

Mia eta nepo mortis kaj por enterigo... por enterigo mi ne havas la necesan sumon... Mi ne estas ja... kaj tiel orfa, forlasita mi estas — kun mallaŭta lamenta voĉo li klarigis sian situacion.

La mieno de mia patro esprimis strangan embarason. Liaj brovoj kuntiriĝis, kvazaŭ li estus serĉinta ion inter siaj rememoroj. Iom post iom en liaj okuloj ekbrilis la rosoj de la koro kaj lia voĉo vibris pro la emocio.

— Hm, mi havas nur monerojn... Atendu, mi petas... Tuj mi serĉos. Eh, ne estas... nur moneroj.

Interna rideto karesis mian koron. Mia karega paĉjo kiel senkulpigas sin pro la moneroj! Depost kiam mi havas memorkapablon mia patro havis ĉiam nur monerojn. La blankhara maljunulo humile proponadis la skribaĵon je ekrigardo.

— Ĉu legitimilo? Ne, ni ne bezonas — diris mia patro.

— Ne legitimilo, nur la listo de tiuj, kiuj bonvolis doni ion. Subskriboj. Mi ne estas ja almozulo kaj iam mi klopodos repagi la ŝuldon el mia pensio... Bonvolu subskribi, sinjoro!

Mia patro subite ekglutis. Verŝajne li englutis la ploron. Mi kuris en la ĉambron, ĉar io kunpremis mian koron. Mi ne scias pri kio ili interparoladis, sed mi rememoras, ke post la foriro de la maljunulo mi klare aŭdis la ekploregon de mia patro.

Subite skiziĝis antaŭ mi bildo el tiu tempo, kiam ankoraŭ mi ne vizitadis la lernejon... Pasko. Mi, kiel eta knabo, vestita en nova festa kostumo, staras antaŭ montra fenestro de spicvendejo kaj rigardas jen al la sinproponantaj dolĉaĵoj, jen al la dudekhelera monero, brilanta en mia manplato. Apud mi gapas samaĝa knabeto ĉifonvestita, nudpieda kun hirtaj haroj. Konsternite mi rigardas lin.

— Hodiaŭ estas ja festotago. Kial vi ne prenis vian porfestan vestaĵon?

La okuloj de mia samaĝulo malame ekfulmas. En lia respondo indignas la fiera spito de la malriĉuloj.

— Mi ne havas alian veston. Mi estas malriĉa. Mi havas nur tian, kian mia panjo almozkolektas por mi de la najbaroj...

Liajn vortojn mi ne komprenas klare, tamen al ia interna voĉo mi obeas, kiam mi vokas lin sub la volbon de la pordego.

— Mi havas aliajn vestojn kaj hodiaŭ estas festotago kaj mia paĉjo diris, ke oni nur bele vestite povas iri en la preĝejon kaj ĉu vi pensas, ke oni lasos vin eniri tien en tiaj ĉifonoj? Mi donos al vi mian veston kaj tiam certe oni enlasos vin... nu mi pensas nur!

Sub la volbo de la pordego ni interŝanĝas la vestojn. Mia patrino ekvidante min kunfrapas la manojn kaj kolere ekrias, demandas, insultas kaj severe punas min. Mi aŭdas la kortimigan minacon pri la patra justofaro. Kaj venas mia patro, mia kara varmkora patro kaj li karesas miajn larmostritajn vangojn kaj... kaj unu semajnon li ne alparolos mian panjon. Kial puni la infanon, se lia koro ekparolas?

Tiu ĉi memorbildo reviviĝis en mia kapo, kiam mi aŭdis la singultan ploradon de mia patro kaj ankaŭ mia tuketo elpoŝiĝis. Prefere mi estus ĵetinta min al la piedoj de mia patro por kisi eĉ la postsignojn de liaj paŝoj, sed mi kontis miajn larmojn... Ho, kiel mi kontis ilin!

Kiam de la vendoplaco revenis hejmen mia patrino, mia patro komunikis, ke ni havos gaston ĉe la tagmanĝo. Li invitis malnovan konatulon, malriĉulon, al kiu li ŝuldas multon. En tiu momento mi sentis, ke mia patro ne diris veron kaj tamen mi konsideris tiun mensogeton la plej sankta kaj pardonebla peketo.

Dum la kuirado li faris longan priparolon kun mia patrino en la kuirejo. Jen li venis en la ĉambron por subvalore pritaksadi siajn plej bonajn vestojn kaj elektadi el inter ili.

— Nu, tiu ĉi vintra surtuto jam estas sufiĉe eluzita. Cetere mi havas du. Se tute severe ni pripensas, tiam ĝi eĉ ne estas vintra, nur transira, intersezona surtuto... Kaj tiu ĉi vestaĵo verŝajne jam estus malvasta por mi. Certe la brokantisto ne donus plenvaloron por ĝi... Kaj ĉapelo?... Nu, ĉapelojn mi havas tre multajn...

Kun ĉiu peco li elkuris kaj revenis. Tiel dum la tuta antaŭtagmezo. Sed je kiam la gasto alvenis, jam atendis pretaj por forportado kompleta vestaĵo, paro da ŝuoj, ĉapelo, vintra surtuto eĉ preskaŭ nova ganto. Ankoraŭ neniam oni karesadis tiel ameme malvivajn objektojn, kiel tiujn karesadis la rigardo de mia patro.

Tagmeze alvenis la gasto, la blankhara maljunulo kaj mia patro kondutis tiel dolĉe kortuŝe, kiel infano. Ho mia patro en animo restis infano ĝis la morto. Kun ĝoja ekscitiĝo li zorgadis pri la gasto. Ankaŭ en la okuloj de mia patrino tremadis larmoj, kvankam ŝi havis pli fortan sinregardon. Ŝi estis pli filozofiema ol sentimenta.

Post la festa regalo la emociita maljunulo, superŝutita de donacoj, kun larma danko foriris. Mia patro longe rigardis la malproksimiĝanton. La patrineto nur balancis la kapon.

— Jen la kaŭzo, edzeto mia, kial neniam ni povos havi provizon. Vi estis kaj restas ĉiam tia — diris ŝi kun milda riproĉo, sed kun bonkora rideto sur la lipoj.

Mia patro kisis ŝian manon kaj ŝi ameme glatigis liajn nigrajn buklojn.

— Jes ja, la heredaĵo... Ankaŭ via patro estis tia... tia plenmane donacema eĉ el la nenio... Jes ja, la heredaĵo...

Mia patro, dolĉe, laŭte feliĉe ekridis, momenton rigardis al la granda portreto de la avo sur la muro, poste prenis min sur siajn genuojn, rigardis longe esplore al miaj okuloj.

— Nu, knabo, estu vi juĝisto, ĉu mi facilanime agis aŭ ne? Mi diros al vi fabelon... Vivis iam tre malriĉa ĉarpentisto. Li

**Rapide vin informas**
la ĉiusemajna sendependa jurnalo de Esperantujo, kiu aperas jam en sia deka jaro — la grandformata, riĉenhava kaj riĉe ilustrita
**Heroldo de Esperanto**
**Specimeno senpage de la Administracio en KÖLN Germanlando, Brüsseler str. 94**

havis duonorfan fileton. Parenca amo nutris, vestis la orfon, ĉar tiutempe la ĉarpentisto havis pli da tempo ol laboron. La knabeto paŝetadis en tiaj grandaj botoj, ke la krurtubo de unu estus povinta servi por la tuta knabo. El malproksima kampardomo, malgraŭ koto, pluvo, frosto kaj nebulo, li trotadis ĉiutage en la urbon por viziti la lernejon. Bonkora juna viro estis lia instruisto, kiu tre ŝatis la diligentan bubon. Tamen foje la knabo ĉesis aperadi en la lernejo. Li fariĝis iom pli orfa. Unu el liaj pliaĝaj fratinoj mortis. Krome: grandaj truoj oscedadis sur la botegoj. Nu, la instruisto sendis severan skriban admonon al li, sed eĉ la plej severa admono instruista ne povas fari someron el la vintro, nek ŝtopi la truojn de la plandoj. La instruiston ĉagrenis la afero kaj iun tagon li ekpromenadis por viziti la malproksiman kampardomon kaj rigardi « kion faras tiu lernejevitanta friponeto? »... Li elpromenadis kaj repromenadis... Post unu semajno la fileto de la malriĉa ĉarpentisto, vestita en varmaj patalono kaj jaketo, kun peltoĉapeto kaj novaj boteloj rapidis en la urbon por atingi siajn kamaradojn en la sciencomanĝado. Jes, tiel okazis. Kion la severa skriba admono ne povis fari, tion faris la bona koro... Kaj, mia kara fileto, tiu malriĉa ĉarpentisto estis via avo, kies portreton vi vidas tie sur la muro. La kampardona knabeto kun la grandaj botoj estis mi, via patro kaj la instruisto, kies koro donis al mi la unuajn vestaĵojn por mia korpo kaj animo estis tiu ĉi blankhara sortomuelita maljunulo, kiu hodiaŭ tagmanĝis ĉe ni... Nu, diru vian opinion!

Mi ne diris eĉ unu vorton. Sed ne estis bezone. Mia bona patro divenis, legis la respondon el miaj baraktanta mieno kaj okuloj. Li kisis min, premis min forte al si kaj minacante per la fingro li diris ŝerctone emociite ion. Bone mi rememoras.

— Ej, ej, knabo, atentu, ĉar ankaŭ vi neniam riĉiĝos... Kiel mi vidas, ankaŭ vin bankrotos la — heredaĵo.

Ĉi tiun malnovan epizodon rememorigis al mi — mia trijara fileto, kiam antaŭ kelkaj tagoj mi fabelis al li pri « Neĝulino ». La sorto de la kompatinda Neĝulino kaj la krueleco de ŝia duonpatrino tiel forte turmentis lian etan koron, ke li laŭte ekploris... kaj li hontis siajn larmojn tiel, kiel mi iam. Nur tiam li konsoliĝis, kiam la malica duonpatrino estis severe punita kaj la bona Neĝulino kun la sep pigmeoj ricevis feliĉon merititan... Kaj mi sammaniere premis lin al mi, kiel iam mia patro min kaj sekigis per kiso liajn larmajn okulojn, kiel iam *li* — la miajn.

— Ej, ej, fileto mia, tiu ĉi heredaĵo... Ho, iel malutila heredaĵo, sed tamen la animo de via vagabonda patro nur ĝis tiam estos plena de ĝojo kaj fiereco, ĝis vi havos larmojn por la malriĉuloj kaj suferantoj... Kaj la ĉiutaga pano?... Nu, la Dio donos ĝin ankaŭ al vi, kiel al viaj prauloj...

---

La nuna numero estas 36 paĝa.

Kun ĝi estas sendataj:

Gvidfolio de la banloko Pieŝtany.

Prospekto *Eviunis*.

Prospekto Thorraduran.

Propagandilo pri la Pollanda ekspozicio en Poznan.

---

La venonta numero aperos dum Septembro kun raporto pri la 21a Kongreso de Esperanto.

---

# Tra la Libraro

**Internacia Mondliteraturo. — Fakverketoj. — Lernolibroj, vortaroj. — Kongresoj. Propagandiloj.**

---

Post publikigo de kvar serioj, tio estas 20 volumoj, la kolekto « Internacia Mondliteraturo » iom ripozis; nun ĝi revekiĝas ĉar aperas voluma 21a, traduko el lingvo rumana, ĝis nun ne reprezentita en la kolekto. La aŭtoro Mihail Sadoveanu estas nuntempa prozisto, kies verkaro pentras la rumanan teron kaj popolon; la tradukon faris nia konata pioniro Tiberio Morariu. La libro entenas ĉefe unu novelon *Nobela Peko;* ĝi rakontas kiel juna nobelo delogas fiŝistfilinon, kies patrino jam estis tia viktimo; la priskribo de pasia arda amo en sovaĝa naturo de regiono kun stepoj, marĉejo kaj kanejo, dramece finiĝas, ĉar la patro mortiginta sian senhonorigitan filinon ankaŭ mortas pafita dum lukto kun la amulo. Du ĉarmaj rakontetoj, unu diranta la agonion de ĉasita kapreolo, la dua pri infanoj endanĝerigitaj dum kristnaska nokto, finigas tiun interesan libron; ĝia enhavo kaj stilo estas laŭdinda, indaj je la antaŭe aperintaj volumoj de la kolekto.

---

*Diablidoj* estas rakonto pri kaj por infanoj, tre bone verkita, sed tre tendenca; tio estas, ke ĝi celas veki ĉe la junaj legantoj ne nur principojn pri socia justeco, kion oni volonte akceptus, sed ĉefe interklasan malfidon kaj malamon; se klasa lukto estas socia fakto, kies kaŭzojn oni rajte kritikas, estas eraro instigi infanojn partopreni ĝin, kaj estigi ĉe parto el ili suspekton al aliaj, kiuj ja ne kulpas naskiĝinte en alia medio ol la laborista.

Nova numero (5-6) de biblioteko « Nova Kulturo » alportas tri predikojn de l' Bulgara profeto Petro Dânov pri *La Nova Homaro*, Universala Amo, kaj Kosma Amo. Ili celas altigi nian animon per religiaj pripensoj, moralaj konsiloj; sed kredeble la persona influo de l' majstro devas ludi gravan rolon en lia prestiĝo, ĉar liaj paroladoj, kvankam interesaj, tamen ne entenas miraklan revelacion, nek blindigan novan kredaron.

---

Tre bonan ideon havis D-ro Pfeffer elektante por germanlingvaj lernantoj, kiel legaĵekzercon, la kolekton de la kongresaj paroladoj de nia majstro. *Esperanto-Reden* prezentas ilin kun la Esperanta originalo kaj la germana traduko sur kontraŭaj paĝoj; ilin akompanas la Bulonja deklaracio kaj la konata letero al N. Borovko. Efektive tiu prozaro estas plej taŭga fonto por ekkoni esperantismon; ĝi estas modela laŭ stilo, ĝi multon diras per simpla radikaro kaj la traktitaj temoj ne perdis sian valoron; fine la bone presita kaj eldonita libro estas malkara kaj ĝin ornamas tre bela portreto de nia majstro.

La simplaj tekstoj kaj demandaroj kunigitaj de A. Kenngott sub titolo *Ĉiutaga vivo* prezentas nur esperantan tekston; ili do povas servi en ĉiuj landoj, ĉu kiel kursa legolibreto, ĉu kiel lernolibro, kaj respondas la titolon liverante vortojn kaj frazojn por konversacio.

De la sama aŭtoro, same klare presita sur bona papero, estas la *Pocket Dictionary*, Esperanta-Angla kaj Angla-Esperanta kun proksime 7000 vortoj kaj resuma gramatiko. Taŭga helpilo dum kurs-aŭ memlernado.

Jam pli ampleksa estas por germanoj la bona Hirt's Esperanto *Taschenwörterbuch*, kiu en malgranda formato sub kartona kovrilo entenas pli ol 20000 vortojn. Pruvas ke tiu plaĉa libreto estis ŝatata la fakto, ke ĝi aperas en 3a eldono zorge revidita kaj kompletigita. Gramatikaj tabeloj (jam « end » sed

ne « mis » ĵus oficialigita, aperas en la listo de l' afiksoj) kaj praktika frazaro estas ankaŭ aldonitaj.

La *Wörterbuch Bausteine* ne celas saman servon; ĝi kolektas rimarkindajn aŭ instruajn tradukojn kolektitajn de D-ro Siegfried Lederer en verko de Goethe: « Geschwister » esperantigita de Grabowski, kaj en la Zamenhofa traduko de Rabistoj (Schiller). La duan parton entreprenis, honore al tia supre nomita kunfondinto membroj de Verda Stelo en Praha. Tiaj tradukkolektoj, malpli sekaj ol vortaro, instruas kiel lertaj tradukistoj laboras, kaj servos por detala posta plenvortaro.

---

Por la *20a Brita Esperanta Kongreso*, dum majo 1929, aperis belaspekta libreto kun programo kaj informoj, kaj bildoj pri interesa angla urbo Canterbury, kie ĝi okazis.

La *7a Hispana Kongreso* okazinta en Sevilla dum novembro 1928 estas rakontata en Raporto ilustrita kaj interesa, ne nur pro la protokoloj de l' kunvenoj kaj ekskursoj, sed ankaŭ pro du longaj poemoj de S-roj Jung kaj Mangada, kiuj ricevis premiojn en literatura konkurso.

---

S-ro Tieder Zsigmond verkis broŝuron hungarlingvan detale klarigantan la esencon de nia movado kaj ĝian valoron speciale por laboristaj rondoj.

Niaj nacilingvaj propagandiloj bezonas de temjo al tempo aktualiĝi. La broŝuro de S-ro Rollet de l'Isle: « L'initiation à l'Esperanto » plenumis tion por francoj. Por Germanoj ĵus aperis plena traktaĵo: *Esperanto ein Kulturgut*, lerte verkita de D-ro J. Kreutzer, en kiu samideanoj trovos abunde konvinkajn aŭ refutajn argumentojn, kaj neesperantistoj plenan informaron por nova idearo. Tiu serioza laboro, kun multaj referencoj al plej lastaj publikigaĵoj, ekzamenas vice ĉiujn flankojn de la problemo, kion montras ĉefaj ĉapitroj pri: malnovaj provoj de lingvo internacia, nacia lingvo kiel internacia, Esperanto kaj nacieco, kontraŭdiroj pri artefarita lingvo, firmeco kaj riĉigo de Esperanto, ĝiaj diversaj uzoj, civilizacio kaj helplingvo, Esperanto kiel instruilo, k.t.p.

En iom alia formo, la saman problemon studas, en tezo por akiro de doktoreco pri filozofio kaj beletristiko ĉe la universitato de La Habana, S-ro Ellias J. Johns. Sub modernega kovrildesegno estas scienca verko en hispana lingvo kun tiu komprenebla titolo: *El problema de una lengua auxiliar internacional y su solucion: el Esperanto*. En ĝi precipe la filologiaj demandoj estas traktataj kun tre interesaj pripensoj kaj komparoj; la aŭtoro apogas sin sur multaj sciencaj verkoj iel rilataj al internacia lingvo. La ĉefaj ĉapitroj studas: necesecon de helplingvo, solvojn de l' problemo, kritikojn kontraŭ Esperanto, postajn projektojn, Esperantismon k.t.p. Hispanlingvano ankaŭ ĉerpos el tiu verko multon utilan por propagando ĉe kleraj rondoj.

Dissendita estis nova prospekto por *Frankfurta Printempa Foiro;* estas mirege, kiom tiu entrepreno sukcesas varii la aspekton de siaj ĉiam novaj kaj efikaj reklamiloj. G. S.


# AVIZO

Pension **Wilkory** en Pieŝtany, Ĉeĥoslovakujo mondkonata banloko kuracanta iskiatikon, reŭmatismojn k.t.p. Malfermo je la unua de Junio. Unuaranga, agrabla kaj malkara loĝejo. Samideanoj ricevos rabaton. Ĉambrojn oni mendu ĝustatempe. Prospektoj kaj klarigoj en Esperanto. Posedanto : Ludoviko Wiltschek, Delegito de UEA en Pieŝtany, Ĉ. S. R.


## NOVAJ LIBROJ

*Esperanto-Reden*. Esperanto-Paroladoj. Dr. L. L. Zamenhof. Faritaj ĉe la malfermo de Universalaj Kongresoj de Esperanto, 1905-1912. Eldonis *D-ro Emil Pfeffer*. Tagblatt-Bibliotek No 776-779. Steyrermühl Verlag, Wien. — 168 paĝoj, 12 × 19 cm. — Prezo: 1,20 mk.

*Esperanto ein Kulturgut*. Sein Wesen und Wert im Feuer der Kritik *Dr J. Kreutzer*. 1929. Heroldo de Esperanto, Brüsseler Strasse 94, Köln. — 110 paĝoj, 15 × 22 cm. — Prezo: 1,80 mk.

*Hirt's Esperanto Taschenwörterbuch* für den täglischen Gebrauch. Zusammengestellt und bearbeitet von *A. Degen* und *B. Kötz*. 1929. 3a eldono (21-30 miloj). Ferdinand Hirt & Sohn, Leipzig. Esperanto-Abteilung. — 120 paĝoj, 11 × 15 cm. — Prezo: 1,20 mk.

*Nobela Peko. Mihail Sadoveanu*. El la rumana originalo tradukis *Tiberio Morariu*. Internacia Mondliteraturo, Vol. 21. 1929. Ferdinand Hirt & Sohn en Leipzig. Esperanto-Fako. — 64 paĝoj, 13 × 19 cm. — Prezo: 1,60 mk.

*Diablidoj*. Rakonto por la junularo de *N. Barthelmess*. Sennaccia Asocio Tutmonda, Eldono kooperativa, Leipzig. — 48 paĝoj, 13 × 18 ½ cm. — Prezo ne notita.

*Ĉiutaga Vivo, A. Kenngott*, A. M. Amerika Esperanto-Instituto, 604 Seventh Street, Rockford, Ill. U.S.A. — 56 paĝoj, 12 × 17 cm. — Prezo: 0,25 dol.

*Kenngott's Pocket Dictionary*. Esperanto-English and English-Esperanto. Amerika Esperanto-Instituto, 604 Seventh Street, Rockford, Ill. U.S.A. — 80 paĝoj, 9 × 15 cm. — Prezo: 0,25 dol.

*El problema de una lengua auxiliar internacional y su solusion: el Esperanto. E. Y. John*. Universidad de La Habana. 1929. — 168 paĝoj, 15 ½ × 23 cm. — Prezo ne notita.

*Wörterbuch Bausteine* aus Goethes « Geschwister » und Schillers « Räuber ». Eldonita de Germana Esperanto-Unuiĝo « Verda Stelo » en Praha. 1929. — 54 paĝoj, 10 ½ × 15 ½ cm. — Prezo ne notita.

*Közös elv - lözös nyelv. Tieder Zsigmond*. Kiadja a Magyarorszagi Esperantista Munkasok Egyesülete, Budapest VIII, Muzeum-Körut 10. II Emelet 12. — 32 paĝoj, 11 ½ × 15 cm. — Prezo ne notita.

*XXa Brita Esperanta Kongreso* en Canterbury, Majo 17a-20a, 1929. Programo kaj informaro. — 24 paĝoj, 12 ½ × 18 ½ cm.

*Raporto de la VIIa Hispana Kongreso de Esperanto*. Novembro 1928, Sevilla. Eldonita de la Organiza Kongresa Komitato. Sevilla, 1929. — 100 paĝoj, 15 ½ × 21 ½ cm.

*La Nova Homaro*. La universa kaj la kosma amo. *Petro Dânov*. Biblioteko Nova Kulturo, Noj 5, 6. Atanas Nikolov, str. Car. Iv. Ŝiŝman 19, Burgas. Bulgarujo. 1929. — 52 paĝoj, 12 × 19 cm. — Prezo: 1 No: 0,40 sv. fr., abono: 10 Noj, 3.— sv. fr.

*Frankfurt am Main. Printempa Foiro*, 14-17 aprilo 1929. 12 paĝoj, 11 × 22 cm.


## Vieno - Budapeŝto - Praha

Antaŭkongreso — 21a Kongreso 21a — Postkongreso
*Partoprenu kaj sukcesigu tiujn manifestadojn!*

## SUR GOLGOTO

*De Josef Svatopluk Machar.*

Je tria horo oni inter krucoj
starigis krucon. Ruĝaj de penado
sur la malmola, sanga ter' eksidis
soldatoj, dividante liajn vestojn.
Kaj pri tuniko lia ili lotis,
ĉar estis ĝi senkudra.
El la aro
alvenis multaj kaj rigardis supren,
skuante siajn kapojn: « Haha, haha,
depaŝu de la kruco nun, vi reĝo,
la detruitan templon rekonstruu!
Nu, savu vin! » —
Kaj staris tie ankaŭ
leĝistoj blankabarbaj kun la pastroj
kaj diris inter si: « Jes, estas vere!
Aliajn savis li, sin mem li savu! »
Kaj alrigardis eĉ virinoj multaj,
servintaj al li jam en Galileo,
Salome, Magdalena kaj Maria,
kaj lin sekvintaj en Jerusalemon.
Li kun krimuloj sur la kruco pendis,
senharigita, nuda. Vipaj vundoj
la korpon kovris. Ruĝaj strioj gutis
de l'brakoj kaj de l'kruroj sur la teron.
Rigardo Lia jam senbrila vagis
trans arbaretojn, trans la blankan urbon
al la montar', en kies sino kuŝas
la klare bluaj lagoj Galileaj...
La kapon klinis Li.
Jen ekbruetis
flugiloj. Ne anĝelo de la Patro
al la animo portis refreŝigon —
vespertajn jen flugilojn disetendis
spirito nigra, al Li alflugante.
Toleri devis Li, ke la Satano
ĉe Li eksidu kaj al Li sin klinu,
ĉar Li malforta estis por batalo.
Kaj la Satano diris: « Suferanto,
ni nin revidas sur la krucoligno
la lastan fojon. Estas decidite,
finbatalite. Pasis jam tri jaroj,
de kiam mi vin metis en dezerto
sur altan monton. Vi de tie vidis
potencajn regnojn, gloron de la mondo.
Vi ĉion povis havi, se vi falus
kaj volus min adori. Vi rezignis.
Ĉielan regnon iris vi prediki
al mizeruloj. Vi al puraj koroj
trezorojn altvalorajn volis doni,
kaj al animoj simplaj montri vojon
en gloron de la Patro. Kaj de l'homoj
depreni la malbenon de Adamo.
Rezignoplene iris vi al morto,
sen kontraŭstaro, kiel ŝafideto
vi verŝis vian sangon kiel roson,
por prosperigi vian grenon junan.
Rigardu nun, Jesuo Nazareta,
la homamasojn ĉirkaŭ via kruco!
Pli frue, kiam glore en la urbon
vi rajdis, ili al azeno via
substernis palmojn, vokis al vi: « Vivu! »
kaj vin nomadis filo de Davido,
ĉar ili kredis, ke la regno Dia
jam komenciĝas kaj ke venas tempo
de lakto kaj miel'. Sed vi rifuzis.
Vidante sin trompitaj, ili venĝe
‚ Krucumu lin! ' kriegis al Pilato.
Ĉi tie ili skuas nun la kapojn
mokante: ‚ Jen la reĝo de la judoj!
Li savu sin! Li estas fil' de Dio,
sed lia patro ŝajnas lin forgesi! '...
Kaj li forgesis. — Vidu la ĉielon,
en kiu vi lin kredis glore troni:
sennuba, klara ĝi trankvile montras
videton sian bluan, senkompatan,
jam kiel antaŭ vi, jen ankaŭ post vi.
Kaj birdoj en aero, kaj surtere
la bestoj vivis kaj ankoraŭ vivas
laŭ unu leĝo: nome laŭ la mia.
La malpli fortan manĝas la pli forta.
Ĉe l'homoj same. *Mia* regno estas
la tuta mondo, ĉar mi estas *Vivo*.
Mi loĝas en la koroj kaj animoj,
de tie min elĉasos aŭ elpelos
nek vi nek via Patro. Via regno
nur *revo* estas. Ĝin la homoj revu!
Centestro Roma nun sub via kruco
parolas pace kun leĝisto blanka.
Jen tiuj du heredis vortojn viajn.
Per via nomo unu la idolojn,
kaj la alia ŝanĝos sian Jahve,
kaj plue regos *mi* la tutan mondon!
Pro kio vi la regnojn kaj la gloron
el malavara mano ne akceptis?
Nun via juna vivo ne finiĝus
en malestimo, vi ĝin povus vivi
por ĝojo de vi mem kaj de aliaj.
Kaj kion semis vi? Batalon, morton.
Vi mem unua falas. Multaj centoj
da homoj verŝos sangon viakaŭze
sur krucoj, eŝafodoj, en arenoj.
Kaj kiam via revo ŝajne venkos,
je via nomo, nur je via nomo
la hombuĉado daŭros. Ĉiuloke
sur vasta horizonto flagros flamoj
kun bruloferoj, nur je via nomo;
je via nomo oni militados,
je via nomo ofte brulos urboj,
je via nomo landoj dezertiĝos,
je via nomo sonos mil malbenoj,
je via nomo korpe kaj spirite
servutos oni.
Vidu la centestron
kaj la leĝiston! Unu homojn buĉos
je via nomo, kaj je nomo via
lin la alia benos. Milionoj
da mizeruloj pagos vian revon
per sia vivo.
Super tiu sango
la revo pri l'eterna regno Dia
kaj pri ĉiela gloro flugependos —
ĥimera nur kompenso por mortintoj,
logilo al la morto por la vivaj!
Do kial vi la regnon ne akceptis
kaj mondan gloron? *Mi* la vivon regas,
*mi* estas Dio, estro de la mondo,
nur *mi* eterne loĝas en la koroj! »
Ekstaris la Satano. Li etendis
vespertajn flugilegojn siajn nigrajn,
kaj ili tuj kreskegis ĝis larĝeco
terure granda. Super la Golgoto,
la urbo, valo, super la altaĵoj
kaj vasta regiono, super montoj
kaj la bluakvaj lagoj Galileaj
kaj super kontinento, super maro
disetendiĝis la membrano nigra.
Mallumo densa kovris la ĉielon,
la tero tremis.
Kaj la lastan fojon
Jesuo ekrigardis, vokis grandavoĉe:
« Eloj, Eloi, lama zabaĥtami! »
kaj poste mortis...

---

## DU ENTERIGOJ

**Historia rapsodio**

*De Josef Svatopluk Machar.*

La reĝa kripto kun kandeloj mil
similis al stelriĉa firmament' —
la mortaj reĝoj en la maŭzole'
atendis novan ĉerkon inter si.
La rigardantoj kapojn levis nun:
la procesio venis al la kript'.
La torĉoj flagris, glitis ruĝa bril'
sur blankaj kaskoj, sur armila ŝtal',
sur luksa ĉerko de l' mortinta reĝ',
sur la ordenoj de la ministrar'
kaj sur la or' de ĉiu sinjorin' —
sed tiu brilo vane serĉis nur
eĉ unu solan larmon en okul',
por ŝanĝi ĝin je luma diamant' —
nur silkaj tukoj, nur la nigra vest'
kaj la malgaja de la pastroj kant'
ateston donis pri la funebrad'...
Ĉe l' pordo oni haltis kun la ĉerk'.
En duoncirklo staris ĉirkaŭ ĝi
personoj, kiuj nomas sin elit':
ministroj, princ', grafinoj de l' korteg',
ŝtatkonsilant', marŝalo, ĉambelan'
fremdlanda kaj enlanda nobelar';
soldatoj per tre longa, densa vic'
dividis ilin de l' popolamas',
de l' burĝoj kaj de l' homoj el provinc',
sin prempuŝantaj en la malproksim',
por partopreni ĉe la vidindaĵ'...
Alpaŝis al la ĉerko kardinal',
je orbastono apogante sin,
kaj ekparolis per tremanta voĉ':
« Eterna Di', akceptu kun favor'
serviston vian, reĝon de la land';
li, krime mortigita per ponard',
kun pekoj staras antaŭ via juĝ'.
Li viagrace estis nia reĝ',
ekzemplon bonan donis al popol',
li ĉiam kredis vin kaj amis vin — »
(la balbutado de la maljunul'

perfidis klare, ke mensogas li),
« por la popol' li estas defendant',
modelo brila por la soldatar'
en la bataloj por patruj' kaj rajt',
se rabi ĝin minacis malamik' — »
(kaj la soldatoj, kiuj aŭdis ĝin,
ekridis iomete pro kompat'
pri la mensoga frazo de l' grizul'),
« estimon vekis li por nia land'
per sia saĝo ekster ĝia lim' — »
(ambasadoroj fremdaj inter si
la kontentecon montris per ridet'),
« la arton kaj sciencon ĉiam ja
protektis lia malavara man' — »
ho, se ĉeestus unu nur artist'
el tiuj mil, mortantaj pro malsat'
en la mansardoj de la reĝa urb' —
li strange ridus ĉe ĉi tiu vort'!),
« vidvinojn, orfojn patre traktis li,
justeco estis lia ĉefa ec',
regnestrojn tiajn kun dankema sent'
eterne rememoras la naci' — »
(kaj bone estis, ke en malproksim'
ne ĝispenetris la tremanta voĉ'
al tiu palvizaĝa homamas'),
« modelo estis li de l' patra am',
modelo de la edza fidelec' — »
subite preskaŭ ĉiu sinjorin'
de la kortego' kaŝis per tuket'
perfidan ruĝon, kiu laŭte, ve,
ekkriis sur pudrita ŝia vang').
Parolis tiel plu la episkop',
la voĉo malfortiĝis pli kaj pli;
apenaŭ oni aŭdis, kiam li
al Dio preĝis pri kompat' kaj sav'
por la animo, kiun krima man'
tro frue sendis al ĉiela juĝ'...
Miregus certe la ĉeestantar'
(se aŭdus oni voĉon de l' anim')
pri l' vortoj, kiujn la grizul' ĉe l' fin'
enpense diris al la Eternul':
« Pardonu la mensogojn, ho Sinjor',
hodiaŭ parolitajn ĉe la ĉerk';
la vivon, kiu ja anstataŭ vi
la landon liberigis de tiran'
kaj pagis tion per terura mort',
bonvolu juĝi milde, kun kompat'! » —
Klininte sin, la brakojn levis li.

***

Kaj eksterurbe, sur nealta mont',
sur kiu estis la ekzekutej'
— post kiam preterpasis tagoj sep
de post la enterigo de la reĝ' —
kunvenis homamas' de ĉiu flank'.
Sur la malhela brak' de l' pendigil'
timige sin balancis morta korp'.
Gardistoj jam forlasis laŭ ordon'
postenon sian ĉe la kadavraĉ',
kaj nur de malproksime ili nun
atentis la agadon de l' popol'.
Deprenis la kadavron unu grup',
aliaj per pioĉo kaj fosil'
elfosis tombon sur la montdekliv'
(ekzistis ja severa malpermes',
ĝin enterigi en alia lok'),
alportis oni ĉerkon, kaj en ĝin
metita estis la malviva korp',
kovrita per neĝblanka mortkitel'.
Ĉirkaŭe genufleksis la amas',
la nudaj kapoj pie klinis sin,
kaj maljunulo, super kies frunt'
sub ventoblovo flirtis la harar',
laŭtvoĉe preĝis, kvankam simple nur:
« Vi, kiu volas, ke en liberec'
ni vivu kaj ke fratoj estu ni —
akceptu tiun viron kun favor'!
Se krucumita estis via fil',
por el sklaveco elaĉeti nin —
kompatu nun savanton tiun ĉi!
Li estis nura il' de via juĝ',
ĉar kontraŭ via volo nutris sin
per niaj sango, larmoj, nia ŝvit'
la sin nomanta viagraca reĝ'! »
La griza kap' sin turnis al la ĉerk':
« Trankvile sur la malbenita lok'
ripozu nun, vi ĝin sanktigas ja!
Ektedis vin la pezo de l' turment',
sub kiu ĝemis via kunular',
vi plej kuraĝa estis inter ni:
la landon vi senigis de l' tiran'
kaj pagis tion per la propra viv'.
Ni ĉiam benos vin, je via nom'
ni preĝos ĉiam, kaj al via tomb'
pilgrimos nepoj niaj kun piec' —
la voĉo de l' popolo, ho Sinjor',
hodiaŭ estu ankaŭ via voĉ'! » —
La ĉerkon oni enterigis ĵus,
kaj ĉiu: vir', virin', grizul', infan'
sur ĝin terbulon ĵetis kun fervor',
per floroj, kolektitaj sur herbej',
knabinoj belaj superŝutis ĝin,
ĝis kiam plena estis jam la tomb'.
Brunhaŭtaj viroj pecojn de la ter'
ĉe si konservis por la rememor'...
En okcidenta parto de l' ĉiel'
majeste flagris ore-ruĝa bril',
la regiono dronis en purpur',
kaj sub la ornuanca nubetar',
tre alte super tiu freŝa tomb',
funebran himnon kantis la alaŭd'...

***

Monato pasis... Frumatene jam
solenvestita svarmis homamas'
tra ornamitaj stratoj de la urb' —
kronfesto estis de la nova reĝ',
la fil' de l' mortigita kruelul'. —
Dum reĝis lia patro, jam pri li
sin disvatigis malfavora fam';
post kiam nun li surtroniĝis mem,
per tiranaĵoj li konfirmis nur,
ke sian patron li superas eĉ. —
Prempuŝis sin en stratoj la popol',
por partopreni ĉe la vidindaĵ',
kaj dum la muĝa bruo kaj tumult',
konatoj ĉe renkont' salutis sin,
kaj tuj naskiĝis vigla babilad'.
Dirinte laŭte frazojn du aŭ tri,
komencis ili plue flustri nur,
timante subaŭskulton de spion'
kaj diskutante pri l' mizera sort'.
En ĉiuj opinioj, kiujn nun
esprimis oni, montris sin timem':
— Ĉu al la reĝo turnis sin kun pet'?
Hodiaŭ eble li plenumus ĝin? —
Ne estis akceptita la propon':
La reĝo kolerema estas ja,
ankoraŭ ilin eble punus li.
— Ĉu do en fremdan landon migri for?
Sed kiel sin disigi de l' patruj'?
— Ĉu eble — kiel tiu juna vir' —
oferi vivon por la liberec'?
La parolanton konsternite nur
rigardis oni; kontraŭdiroj cent
el angorplenaj brustoj pluvis tuj:
— Sed ĉu ekzistas tia kuraĝul'?
— jen malsaĝaĵ'! Freneza jen konsil'!
— kaj kia sorto poste trafus nin?
— Nin simplaj vipoj batis en komenc',
nun ĉiu vipo nodojn havas ja!...
— Fidante Dion, ni suferu nur,
sentima estas lia providenc';
neniu scias, ĉu la malfeliĉ'
ne ŝanĝos fine sin je granda bon'! —
Kaj kelkafoje falis eĉ riproĉ'
sur ties kapon, kiu sur la mont'
de l' ekzekut' por ĉiam dormis jam.
Kaj la riproĉo en la homamas'
konsenton trovis, kreskis, kreskis plu —
kaj pliakriĝis preskaŭ ĝis malben'...
Post longa, post longega atendad'
eksonis paf' de apud la preĝej',
ĝin sekvis tuj la sonorila ĥor',
kaj eksterurbe la kanonoj jam
el faŭkoj siaj sputis pafojn mil;
aperis sur la strat' la procesi'.
Gvardio reĝa, da kaleŝoj vic'
mirigis ĉiun, kiu vidis ĝin,
kaj susurado, bruo kaj tumult'
ankoraŭ kreskis, kiam la kaleŝ'
de l' reĝo pasis preter la popol'.
Jen iu vokis: « Vivu nia reĝ'! »
« Jes, vivu li! » ektondris nova vok',
kaj sur vizaĝ' malbela de l' tiran'
rideto moka sin vidigis nun
kaj kompreneble estis ĝia senc':
Ci fipopolo, cin malŝatas mi!
Sed al la homoj plaĉis la ridet'
kaj ĉapoj, tukoj kaj ĉapeloj jam
salute flirtis kontraŭ la kaleŝ',
por ke la reĝ' ne ĉesu vidi nur.
La maljunul', preĝinta kun ardec'
ĉe l' entombigo de la mortigint',
la viroj, kiuj eble en la poŝ'
ankoraŭ portis teron el la tomb'
knabinoj, kiuj ploris ĉe la ĉerk'
kaj per bukedoj superŝutis ĝin —
plengorĝe ili ĉiuj kriis nun:
« La reĝo vivu! »

Tradukis *Miloŝ Lukaŝ.*



## TRA LA MONDO ESPERANTISTA



# XXIa Universala Kongreso de Esperanto, Budapest 1929

### La urbestraro de Budapest aranĝas kurson

*Oficiala internacia kurso de Andreo Ĉe por geinstruistoj. — Organizas la ĉefurba pedagogia seminario de Budapest en kunlaboro kun Instituto J. J. Rousseau de Ĝenevo. — La urbo Budapest per subvencio gastigas la kursanojn.*

Pro la diversloke montrita intereso pri la kursoj de pastro Andreo Cseh la Ĉefurba Pedagogia Seminario de Budapest en kunlaboro kun la Instituto Jean Jacques Rousseau de Ĝenevo decidis organizi specialan kurson por geinstruistoj sub la gvidado de Andreo Cseh, membro de la Internacia Eduka Oficejo en Ĝenevo, laŭ la modelo de liaj sukcesplenaj porinstruistaj kursoj en Svedujo kaj Estlando.

La kurso daŭros dum 11 labortagoj, de la 22- Julio ĝis la 2- Aŭgusto 1929 kun 4 lernhoroj ĉiutage, sen uzo de nacia lingvo, sen lernolibro kaj sen hejma laborado kaj kapabligos al facila konversacio en Esperanto pri ĉiutagaj aferoj. La celo de tiu-ĉi kurso estos ankaŭ observi la pedagogiajn flankojn de la Esperanto-instruado kaj diskonigi sukcesplenan metodon de lingvoinstruado.

La rezultojn de la kurso kontrolos la ĝeneva Instituto Jean Jacques Rousseau per siaj specialaj testoj.

La solena fermo de la kurso okazos la 3-an de Aŭgusto en la kadro de la 21. Universala Kongreso de Esperanto, kaj ĉiu partopreninto ricevos de la Pedagogia Seminario ateston pri la kurspartopreno.

*La urbestraro de la hungara ĉefurbo Budapest* kun simpatio kaj gastemo bonvenigas la internacian geinstruistaron kiel kursanaron kaj por tion pruvi ĝi *voĉdonis subvencion*, dank' al kiu *la partopreno en la kurso estos tute senpaga* kaj la loĝo kaj trifoja manĝo por unu tago kostos por la kursanoj la eksterordinare malaltan prezon de 4,50 hungaraj pengoj (1 hung. pengo egalas -.90 sv. fr.).

La kurspartoprenintoj la saman favoron de loĝo kaj manĝo povos ĝui ankaŭ dum la kongresa tempo (3-9 Aŭg.).

Super tiu favoro *tridek eksterlandaj gekursanoj* 15 esperantistaj kaj 15 ne-esp-istaj *estos gastoj de la Urbo Budapest*, kio signifas, ke ili ricevos ankaŭ la loĝon kaj manĝon dum la *daŭro de la kurso* (22- Julio-2 Aŭgusto) *tute senpage*.

La gekursanoj loĝos en la *Domo de l' Instruistoj* (VIII, Szentkirályi-strato 47.), kiu estas proksima al la Pedagogia Seminario (la kursejo), en la centro de la urbo (ĉambroj kun 2 kaj 3 litoj, apartaj etaĝoj por sinjorinoj kaj sinjoroj). La manĝado okazos en la Oficista Restoracio de la Ministerio por Popola Bonstato.

La kurslecionoj okazos matene. Por la posttagmezoj kaj vesperoj la hungarlandaj kaj ĉefurbaj instruistaj asocioj ellaboras laŭvole partopreneblan *programon kleriĝan kaj amuzan* (vizitado al muzeoj kaj ĉiuj vidindaĵoj de Budapest, ekskursoj al la belega ĉirkaŭaĵo, studaj vizitoj kaj ekskursoj, baniĝoj, akceptoj k.t.p.) ĉie kun plej altaj rabatoj.

En la kurso partopreni povos *ĉiunaciaj profesiaj geinstruistoj*
a) kiuj ankoraŭ ne scias Esperanto, kiel lernantoj,
b) jam esp-istaj, kiuj ĉeestos kiel studantoj de la kursmetodo.

La kursanoj bezonas pagi *nenian enskriban aŭ lernejan takson*, sola kondiĉo de la aliĝo estas aneco en la 21. Univ. Kong. de Esp.

Sekve de tio ĉiu kurspartoprenonto ricevos la samajn veturajn kaj pasportvizajn rabatojn, kiujn la anoj de la 21. Kongreso de Esperanto, (50 % rabato sur la hungaraj fervojoj kaj sur la danubaj ŝipoj kaj duonpreza vizo ricevota post la alveno en Budapest).

*Limtempo por la aliĝado:* 15-a de Julio.

Estas konsilinde aliĝi kiel eble plej baldaŭ, ĉar la nombro de la kurspartoprenantoj estas limita.

Ĉe la disdono de la senpagaj gasto-lokoj la organizantaro preferos la pli frue aliĝintajn kursanojn (konsiderante la daton de la aliĝforsendo) kaj el la esp-istaj aliĝantoj tiujn, kiuj kune kun si aligas ankaŭ ne-esp-istan kursanon.

Por la aliĝo ne estas bezonata aparta aliĝilo, sed sufiĉas simpla letero aŭ poŝtkarto, kiu enhavu respondojn je la jenaj demandoj: 1) nomo, 2) preciza titolo, 3) adreso, 4) ĉu jam esp-isto aŭ ne, 5) ĉu deziras ricevi senpagan gasto-lokon aŭ ne, 6) ĉu deziras la favorprezan loĝon kaj manĝon aŭ ne, 7) preciza alvendato, se eble.

Pro praktikaj kaŭzoj la prikursa korespondo estu sendata sub la adreso de la 21. Univ. Kongr. de Esp.

Por personoj dezirantaj ricevi senpagan gasto-lokon estas tre konsilinde *telegrafe antaŭanonci* la aliĝon, ĉar tio certigos al ili preferantan vicon. Sufiĉas telegrafi la jenan tekston: *Esperanto Kongreso Budapest Kursalighas* kaj la nomon.

Personoj kiuj ankoraŭ ne estas kongresanoj, sendu samtempe ankaŭ siajn kongresaliĝon kaj kotizon.

Adreso por leteroj kaj monsendo: *Esperanto-Kongreso, Kursdirekcio, Budapest.*

La kurso komenciĝos la 22-an de Julio, lunde, matene je la 8-a horo en la Pedagogia Seminario (VIII, Mária Terézia-placo 8.), do la kursanoj bonvolu alveni plej malfrue la 21-an de Julio, dimanĉe vespere. Personojn, kiuj antaŭe anoncis sian precizan alvendaton, oni atendos ĉe la stacidomo aŭ haveno.

Post la ricevo de la aliĝo estos dissendataj al la aliĝintoj la kurskarto kaj legitimacioj por senviza transpaŝo de la hungara landlimo kaj por la veturaj rabatoj.

Budapest, la 15-an de Junio 1929.

*Ĉefurba Pedagogia Seminario de Budapest.*

**Rapidu & Aliĝu**
al la 21a kongreso de Esperanto en Budapest
*Vi ne pentos sed ĝojos!*

# Alvoko al la esperantistaro

Kun ĝojo ni komunikas al la tutmonda Esperantistaro, ke la Urbestraro de Budapest decidis aranĝi internacian kurson de Esperanto por geinstruistoj sub la direktado de S-ro *ĉefdirektoro D-ro Frederiko Ozoray* direktanto de la Ĉefurba Pedagogia Seminario de Budapest, S-ro *Jozefo de Mihalik*, profesoro de instruistina seminario kaj prezidanto de L.K.K. kaj *pastro Andreo Ĉe*, kaj per bonvole konsentita subvencio gastame bonvenigas la ĉiunaciajn geinstruistojn esperantistajn kaj ne-esperantistajn al la « Reĝino de la Danubo ».

Tiuj-ĉi decidoj kun aparta graveco aliĝas al la serio de la lasttempaj sukcesoj de nia movado sur la pedagogia kampo, sed la interesoj de nia movado postulas, ke tiuj favoraj okazoj estu kiel eble plej efike kaj sukcese eluzataj.

Tiu-ĉi kurso devos pruvi la facilan kaj rapidan lerneblecon de Esperanto kaj montri tiujn kvalitojn de nia lingvo, kiuj metas ĝin super la aliajn lingvojn. La persono kaj metodo de la kursgvidonto kaj liaj ĝisnunaj sukcesoj estas garantio pri tio, ke la kurso havos plenan sukceson.

Sed estas ne malpli necese, ke kiel eble plej multaj ne-esperantistaj geinstruistoj partoprenu, kiuj post 11-taga lernado de la nova lingvo povas dum la kongreso ĝin uzadi per tio donos al nia movado la plej gravan kaj konvinkan argumenton. Tia argumento estas treege grava nuntempe, kiam ni proponadas Esperanton por uzado en fakaj kongresoj, parolanta filmo k.s. Ni devas pruvi, ke Esperanto estas vere ellernebla dum tre mallonga tempo.

Ĉar la kurson aranĝas estraro de grava mondurbo per sia plej alta pedagogia institucio kaj proponas al la partoprenontoj senekzemplan gastigon, ni devas al ili montri, ke nia movado estas grava kaj forta kaj ke inter la diverslanda instruistaro estas granda intereso pri Esperanto.

Fine, ni devas uzi tiun-ĉi eksterordinare favoran okazon por varbi al nia movado geinstruistojn el lokoj, kie Esperanto ankoraŭ ne estas instruata. La urba gastigo kaj aliaj favoroj estas sendube gravaj allogiloj por esperantistoj kaj ne-esperantistoj egale.

Nia L.K.K., klopodante efektivigi la kurson kaj akiri la favorojn aparte pensis pri la multaj instruantoj de Esperanto, kiuj ofte esprimis la deziron ekkoni la faman metodon de Andreo Ĉe, per kiu metodo dum la lastaj jaroj miloj da novaj samideanoj varbiĝis kaj ellernis nian lingvon. Nun prezentiĝos por ili bonega okazo por ĉeesti plenan kurson, ne nur specimenajn lecionojn, kiel en Edinburgo en 1926.

Fidante pri tio, ke vi bone komprenas la gravecon de tiu-ĉi aranĝo, ni petas ĉiujn samideanojn:

1) *Bonvolu traduki la prikursan informaron de la Pedagogia Seminario kaj zorgi pri ĝia kiel eble plej baldaŭa plena aŭ mallongigita publikigo en la nacia gazetaro de via urbo kaj lando, precipe en la instruistaj gazetoj.*

2) *Bonvolu varbi kursanojn precipe inter la ne-esperantista geinstruistaro kaj helpu ilin en la aliĝo.*

3) *Esperantistaj geinstruistoj uzu tiun-ĉi favoran okazon por ekkoni la elprovitan plej efikan metodon en la instruado en Esperanto, por profunde ekkoni la hungaran ĉefurbon kaj interamikiĝi kun la hungara kolegaro.*

4) *Ĉiu esp-ista kursano klopodu porti kun si almenaŭ unu ne-esperantistan kolegon, precipe el tiaj lokoj, kie ankoraŭ ne ekzistas esp-ta movado.*

Ni helpu, ke nia lingvo faru en Budapest grandan paŝon sur la vojo al la triumfo.

Budapest, 16 Junio 1929.

Kun samideana saluto.

*Loka Kongresa Komitato de la XX-a.*




# Informa Bulteno N-ro 6

1. *Protektantoj.* Jam multaj gravaj kaj eminentaj personoj akceptis aŭ promesis akcepti la protektadon de la kongreso aŭ aniĝo al la honora komitato. Inter ili estas grafo Stefano Bethlen, ministroprezidanto de Hungarujo. S-ro Francisko Ripka, ĉefurbestro de Budapest, grafo Julio de Zichy, ĉefepiskopo de Kalocsa. La plenan liston ni publikigos en Hungara Heroldo kaj en la Kongresa Libro.

2. *Senviza transpaŝo de la Hungara Limo.* Por plifaciligi la viziton de la kongreso, la kongresanoj povos per la legitimacio ricevota *sen vizo* transpaŝi la hungaran limon. La vizon ili povos aĉeti *poste* en Budapest en la kongresejo kun 50 % rabato.

3. *Fervojaj rabatoj.* La hungaraj ŝtatfervojoj donos al ĉiuj kongresanoj de la landlimo ĝis Budapest kaj denove al la limstacio 50 % rabaton sur ĉiuj vagonklasoj. La samaj rabatoj donataj al la partoprenantoj de la postkongresaj vojaĝoj al Debreczen, Lillafüred, Balaton, valoras, se ili formas karavanon de minimume 20 personoj.

Ni atentigas, ke la fervojaj prezoj komunikitaj en nia informa bulteno n-ro 5 kompreniĝas sen rabato. La 50 %-a rabato ekzemple de la aŭstria-hungara limo signifas ŝparon de P: 7.40 tien kaj same tiom reen: (rapidvagonaro 3-a klaso).

Tiuj, kiuj partoprenas la antaŭkongreson en Wien, ŝparas ekzemple pluajn P: 9 se ili eniras Austrujon tra Buchs kaj P: 4, 30 tra Passau.

4. *Studentoj, skoltoj kaj infanoj.* Studentoj resp. skoltoj, se ili venas en grupoj de minimume 5 personoj kun legitimilo de studenta aŭ skolta organizaĵo, ankaŭ infanoj, se ili venas kun gepatroj (ĝis 15 jaraj!) povas ricevi helpkongreskarton por P 14.—, sed ili ricevos la kongresdokumenojn kaj presaĵojn nur laŭ ebleco. La studentoj kaj skoltoj devos, se estos necesa, laŭeble helpi por subteni la ordon ĉe kunvenoj, ekskursoj, enirejoj, k.t.p.! Studentoj povos ricevi malmultkostan loĝigon kaj nutradon en studentaj kaj turistaj tranoktejoj (vidu en antaŭaj bultenoj), skoltoj de la *Hungara Skolta Ligo* en la skolttendara domo ĉe *Hárshegy* (tri-kvaron-hore per tramvojo de la kongresejo) por P. -.40 po nokte, nor la sama prezo matenmanĝon. *Templimo* por anoncado. 7-a de *Julio!*

5. *Kongreslibro en limigita kvanto.* Ĉar la L.K.K. povas presigi el la Kongres-Libro nur sur bazo de la aliĝoj ĝis la presado, ni atentigas ĉiujn, kiuj malfrue aliĝos, ke — kiel jam okazis en antaŭaj kongresoj — ni ne povos eble doni por ili kongreslibrojn, eble ankaŭ insignojn. En intereso propra kaj de la kongreso anoncu baldaŭ vian aliĝon!

6. *Premio por ĉiu kvindeka respektive centa kongresano.* La Urba Fremduloficejo de Budapest donacas al ĉiu kvindeka kongresano ĝis N-ro 500 kaj de iu numero al ĉiu centa kongresano belan grandforman albumon pri Budapest. Valoras la aliĝoj laŭ alveno kun la mono kaj enregistrigo en la kongresliston. La albumojn oni ricevos post alveno, kun la kongresdokumentoj.

7. *Publika prezentado de la « Ĉe metodo ».* Pro multaj petoj S-ro Andreo Ĉe donos dum la kongreso publikajn lecionojn laŭ sia konata metodo, por montri lian instrumanieron jam multloke iom popularan al la tutmonda esperantistaro.

8. *Jurnalistoj!* Personoj, kiuj reprezentos gravajn grandurbajn ĵurnalojn, sendante legitimilon de tiuj ĵurnaloj kun atesto pri kunlaborado kaj promeso, aperigi raportojn pri la kongreso kaj Budapest, ricevos 30 % rabaton en hoteloj kaj verŝajne senpagan veturbileton al kaj de Budapest. Oni povos akcepti nur limigitan nombron!

9. *Konkurso por Kongresmanifesto.* La Hungarlanda Esperanto Societo dezirus proponi al la Kongreso, ke ĝi direktu manifeston al la tuta mondo pri la praktika kaj ideala utiligo de Esperanto, por altiri per tio la atenton de la homaro al la kongreso. Por havi taŭgan kaj efikan tekston, la Societo alvokas la esperantistaron verki tian manifeston kaj sendi ĝin kun devizo (pseŭdonimo) kaj kun koverto, surhavante la devizon kaj enhavante la adreson de la verkinto, ĝis la 20a Julio al la ĉefsekr. de HES: P. Tolnai, Bethlen-tér 2. Unua premio: Luksa eldono de « La tragedio de l'homo » de Madach. Dua premio: La sama en simpla eldono. Tria premio laŭ ebleco, ankaŭ la valora libro. La premiojn oferas la librovendeja firmo: L. Kókai, Budapest. Kompreneble ankaŭ aliaj societoj kaj grupoj povas proponi tekstojn. La premiojn disdonos « Miss Esperanto » post ŝia elekto dum la kongresa balo.

10. *Fakaj kunsidoj.* (Vidu ankaŭ en bulteno N-ro 5). Novaj anoncoj kaj ŝanĝoj: *Turista.* Reprezentu lokajn turistajn societojn. Montekskursoj preparotaj! *Feminista.* Gvidanto: S-ino Nora Kozma, Budapest, VI., Andrássy-ut 5. *Heroldo de Esperanto.* Por la abonantaro, amikaro kaj ne-aktiva firmanaro de la semajna revuo « Heroldo de Esperanto » okazos fakkunsido. Gvidanto: S-ro Teo Jung, Heroldo de Esperanto, Köln am Rhein, Brüsseler Str. 94. *Paneŭropo* (Unuigitaj Ŝtatoj de Eŭropo). Kun partopreno de la viena centro kaj de hungara organizaĵo. Gvidanto: L. Kökény, Budapest., X., Pongrac-ut 17.XIV.71.

*Pedagogia* (*Tage*). *La* prezidanto de *Tage* anoncis fakkunvenon por la esperantista geinstruistaro. Gvidanto: lernejestro Albin Neuzil, Olomouc, Ĉeĥoslovakujo, prez. de *Tage.*

*Pacifista* (Universala Esperantista Pacifista Ligo). Gvidanto: Oscar Fraenkel, Berlin-Charlottenburg, 4, Krumme Str. 54.

*Scienca* (Internacia Scienca Asocio Esperantista). Kun vizitoj de sciencaj institucioj, ankaŭ de la nova astronomia observatorio sur la Ŝvaba monto. Gvidanto: prof. dr. Julio Rakusz, Budapest., VIII., Rottenbiller-utca 26. D.

Ni atentigas, ke nur tiuj fakkunsidoj okazos, al kiuj anoncas sin sufiĉaj partoprenontoj, do anoncu vin ĉe la fakestroj! La fakestroj bonvolu antaŭe sendi la programon de la kunsidoj! Politika temo ne povas esti tuŝata!

11. *Trapasantoj de Linz.* La delegito de U.E.A. en Linz ĉe la Danubo (Aŭstrio), S-ro Direktoro Karl Wannek, Weissenwolfstr. 31, atentigas, ke se iu deziras tie tranokti, nepre anoncu unu monaton antaŭe sian alvenon, ĉar dum la vojaĝsezono estas malfacile trovi ĉambrojn.

12. *Vestaĵojn, naĝkostumojn kunportu!* Dum aŭgusto en Budapest estas plej ofte sudlanda varma somera temperaturo, nur malofte malvarmeta, do sufiĉas somervestaĵoj, por festenoj eble unu pli malhela kaj komprenebla bela nacia vestaĵo, sed ne fantazia. Kiuj ŝatas bani, kunportu kompletajn naĝkostumojn, nepre necesajn en la publikaj naĝ- kaj bordbanejoj.

13. *Anoncu flagojn!* Kiu kunportas esperantistan flagon por hotelo k.t.p. bonvolu laŭeble antaŭe anonci al ni.

## XIV-a Itala Kongreso de Esperanto

(Udine — 28-29-30 Julio 1929)

La pasintjara Kongreso de Italaj Esperantistoj elektis Udine (ĉefurbo de Friulo) por la 14-a kongreso. La organiza komitato ekkomencis la laborojn kaj kunmetis programon tre interesan. La kongreso okazos sub la patroneco kaj per helpo de l' loka Urbestro kaj tio jam vidigas plenan sukceson de l' nunjara itala manifestacio.

Akcepto de l' Kongresanaro ĉe l' Urbdomo, vizito al tre interesaj najbaraj urbetoj (Aquileja, Palmanova, Cividale) vizito de l' urbo (inkl. Muzeo historia, k.t.p.), krom aliaĵoj, jen estas kelkaj eroj el riĉenhava programo.

Aliĝo kaj partopreno de fremdaj esperantistoj estas tre dezirata. Ĉiuj ĝuos plene la kongrestagojn kaj ne pentos sin por la alveno en la « Ĉefurbo de l' itala milito » kaj ĉefloko de Friulo.

*Sigelmarkoj.* — La L.K.K. eldonis artajn propagandmarkojn kiuj estas aĉeteblaj ĉe la suba adreso je alsendo de it.liroj 3.— (aŭ ekvivalento) po 100 ekzempleroj.

*Aliĝo kaj kotizo.* — La aliĝo al la 14-a Itala Kongreso estas fiksita je l' prezo de 25 it. liroj. Ĉiu aliĝinto ĝuos fervojan rabaton el ĉiu landlima urbo itala ĝis Udine.

*Kongresa-ekspozicio.* — Laŭprograme, dum la kongrestagoj estos malfermata granda publika elmontrado de esperantaĵoj. Estas dezirinde ke ĉiu eldonisto kaj ĉiu samideano bonvole sendu al suba adreso (kun noto: « Por ekspozicio ») ĉiaspecajn esperantaĵojn. — La pruntita materialo (se oni tion deziros) estos sendifekte kaj plej akurate resendota tuj post la tago de l' kongresfermo.

*Salutleteroj.* — L.K.K. varme rekomendas al ĉiuj (Societoj, Organizoj, Eldonejoj, Gazetredakcioj, izolaj gesamideanoj de l' tuta mondo) la alsendon de salutleteroj kiuj estos egotaj dum la Kongreso.

*Gruppo Esperantista Udinese*
*Via Beato O. de pordenone, Udine.*

## Internacia Kongreso de Nova Eduko

**Helsingőr (Elseneur) Danlando, 8-21 Aŭgusto 1929**

La kvina kongreso de la Internacia Ligo por la Nova Edukado okazos en dana urbo Helsingör (france: Elseneur). La ĝenerala temo estas: « La nova psikologio kaj la lernejaj programoj ». Pri informoj oni sin turnu al: Ligue Internationale pour l'Education Nouvelle, 11 Tavistock Square, London. Pedagogoj esperantistaj kiuj partoprenas tiun kongreson skribu pri tio al: Tutmonda Asocio de Geinstruistoj Esperantistaj, Sekr.: M. Goldberg, IM Lumbsch, Leipzig-Oetzsch (German.)


## Instruantoj

Laŭ deziro de multaj partoprenintoj en Ĉe kursoj la Sveda Instruista Esperanto-Federacio pretigis laŭvorte stenografitan tekston de la

KURSO DE ANDREO ĈE

143 grand-kvartformataj, hektografitaj folioj, nebinditaj speciale aranĝitaj por la instruanto. Aldonaĵoj. Eleganta forta ujo.

Prezo: 21 Fr. sv.

(Por anoj de Ĉe-kursoj 14 Fr. svis.)

Mendu ĉe: *S-ro E. Malmgren,*
Heleneborgsgatan 6, Stockholm.

## D-ro Běhounek pri Esperanto

*Mi vizitas la ĉeĥoslovakan sciencistan doktoron Bêhounek, la mondkonatan partopreninton de la pasintjara polusa ekspedicio itala, por peti, ke li permesu publikigi en « Esperanto » tradukon de artikolo.*

Mi trovas D-ron Bêhounek en ŝtata Radiologia instituto. Li interrompas sian laboron kaj kun afabla gesto metas sin je mia dispono. Lia sano jam plene revenis, ne plu estas konstatebla ia sekvo de la travivaĵo inter polusa glacio.

Volonte li donas la petitan konsenton kaj montras vivan intereson pri nia lingvo. Li mem iam lernis Esperanton, sed pli poste ne plu trovis okazon por okupi sin pri ĝi.

Li rakontas pri la lingvaj malfacilaĵoj dum la ekspedicio kaj akcentas la bezonon de komuna idiomo. Kvar lingvoj estis necesaj por interkompreniĝi sur la malgranda glacitabulo kaj tiu kompreno ne ĉiam estis bona. Kun la itala generalo Nobile povis paroli la ĉeĥoslovako Bêhounek angle, la svedo Malmgren sciis germane, iuj italoj france, iuj sole sian gepatran lingvon italan.



D-ro Běhounek

La tuta evoluo kaj la sekvoj de la katastrofo estus eble pli mildaj, se estus ĉiam kaj ĉie klara kompreno. Estas tre verŝajne, ke pro nekompreno de la radiosignaloj prokrastiĝis ankaŭ la savo. La stacio surglacia dissendis sian helpokrion itale. Ĝin kaptis jam en unuaj tagoj de Junio la rusa radioamatoro Ŝmidt, sed li ne komprenis. (La moskva « Pravda » de 6-a de Junio 1928 anoncas, ke laŭ supozo de Ŝmidt estas la depeŝo esperantlingva kaj Ŝ. ŝajne eĉ deĉifris kelkajn vortojn.) Kompreneblaj poste fariĝis sole la feliĉe jam internaciaj ciferoj de la geografia pozicio.

Kaj venis la rusoj kun Krasin. La koroj estis plenaj kaj sur ambaŭ flankoj tiom multe por rakonti kaj por ekscii. Dro Bêhounek povas paroli kun iuj rusoj germane, sed por la plejparto da italoj restis sole la eblo de senhelpa rideto.

Dron Bêhounek, kiu mem estas aŭtoro de plej detala libro pri la flugo de « Italia », tre interesas la informo, ke nova ĉeĥa verko pri la polusa tragedio*) estas tradukita el Esperanto kaj li konsentas, ke tiu vojo donas pli fidelan reproduktin ol rekta traduko el norvega originalo.

Ni havas en dro Bêhounek, kiu donacas al mi sian portreton, bonan amikon de nia afero.

OTTO GINZ,
UEA. Delegito, Praha.

* Odd Arnesen : Tragedio de la aerŝipo « Italia » vidita de proksime. El norvega lingvo en esperanton tradukis Jens Schjerve, el esperanto en ĉeĥan Otto Ginz, Eldonis Orbis, Praha.

## Filmstelo kaj Esperanto

La ĉeĥoslovaka filmaktorino Anny Ondra lernas *Esperanton*.



*F-ino Anny Ondráková (Ondra)*

komencis sian karieron en Praha. En lastaj jaroj ŝi ludis en Germanujo kaj Britujo en la konataj filmoj: « Saxofon-Suzi » « Any, atenton, policano! » kaj « Bibi ». Lasttempe ŝi kreis rolon en parolanta filmo.

## UNIVERSITATA LEKTORATO

Laŭ dekreto de la Instruada Ministro de l' 6 de Majo 1929 G. Z. 33652/1929/IV, D-ro fil. Emil Michal, estis nomita lektoro de Esperanto en la Germana Altlernejo Teknika en Praha. Ĉe la Ĉeĥa Altlernejo Teknika funkcias kiel lektoro de Esperanto jam de kelkaj jaroj, D-ro Pitlik. Praha estas la unua universitata urbo kie en du altlernejoj (universitatoj) Esperanto posedas lektoraton.

# La Sveda Parlamento Subvencias Esperanton

*Novaj venkoj en Svedlando. Novaj Ĉe-kursoj — nun ŝtataj — por la instruistaro. La instruistaj unuiĝoj aranĝos.*

Dum la lastaj jaroj la Esperanto-movado en Svedlando treege fortiĝis. Kaj jam antaŭ unu jaro ni povis raporti pri grandaj Esperanto-sukcesoj. Tiam la svedaj instruistaj unuiĝoj aranĝis Esperanto-kursojn por siaj membroj. Tiam ankaŭ la granda socialdemokrata partio decidis unuvoĉe subteni la Esperanto-movadon. Poste pasis la tempo. Kaj oni marŝis antaŭen iom silente sed kun la celo antaŭ la okuloj: ŝtataj Esperanto-kursoj. Aparte la sekretario de la Sveda Instruista Esperanto-Federacio, S-ro *Ernfrid Malmgren*, streĉis ĉiujn fortojn por atingi tiun rezulton. Dank' al bonega kunlaborado inter li kaj nia samideano, la parlamentano *Ernst Eriksson*, oni ankaŭ nun venis al la celo — aŭ pli bone al unu pli supra ŝtupo.

La proponintoj en la parlamento, samideano *Ernst Eriksson* kaj instruisto *Ruben Wagnsson* k.a. en sia propono rakontis pri la pasintjaraj grandsukcesaj Esperanto-kursoj por la instruistoj. En la propono estas cititaj la dankvortoj de la partoprenintoj en la tiamaj kursoj: « La subskribintaj instruistoj kaj instruistinoj partoprenis la Esperanto-kursojn, kiujn dum la somero 1928 okazigis la Sveda Instruista Unuiĝo kaj la Sveda Instruistina Unuiĝo. La kursoj, gviditaj de S-ro Andreo Ĉe, estis treege interesaj. La pedagogian konstruadon de la instrumaterialo ni dum la tuta kurso admiris kiel majstran, kaj la scioj, kiujn ni dum la dek tagoj de la kursoj ricevis, ŝajnas al ni mirinde grandaj. »

La parlamento unue transdonis la pritraktadon de la propono al la grava ŝtata komitato. Tiu komitato post kelkaj semajnoj al la parlamento redonis la proponon dirante: *« La komitato opinias, ke la proponitaj kursoj meritas ŝtatan subvencion. Pro tio la komitato proponas, ke la parlamento por la aranĝado de kursoj en Esperanto transdonu subvencion de 2.900.— sv. kronoj, laŭ kondiĉoj, kiujn la registaro — sur la fundo de la pasintjaraj Ĉe-kursoj — bonvolos sciigi. »*

La parlamento post diskutado decidis laŭ la propono de la komitato.

La traktado de la demando en la parlamento estis tre interesa. Ĝi montris, ke la kono kaj la intereso por la grava mondlingva demando vere kreskis dum la lasta tempo. Multaj membroj el ĉiuj politikaj partioj partoprenis la diskutadon, kelkaj kun rimarkinde bonaj kono kaj kompreno pri la temo. La plej longan paroladon faris la urbestro de Stockholm, S-ro *Carl Lindhagen*, kaj samideano *Eriksson* — la unua pli teorie interesita, la dua tre bona praktikanto de la lingvo dum multaj internaciaj kongresoj.

S-ro *Lindhagen*, kiu dum multaj jaroj antaŭe provis interesigi siajn kunparlamentanojn por helplingvo, klarigis la tutan ideon rilate al la diversaj popoloj kaj la ĝenerala utilo por ili per tia lingvo. Li akcentis, ke ofte la malriĉa parto de la popolo multe kaj vane laboris por iu ideo ne ricevante iun helpon de la ŝtato. Tial la sveda parlamento nun devas montri sian intereson por ideala afero per malgranda donaco al la proponita celo. Li tute ne kredis je vivanta lingvo kiel mondlingvo, cetere ĉiu lingvo escepte de la patrolingvo estas artefarita por la plej multaj homoj.

S-ro *Eriksson* konfirmis la grandan kaj gravan utilon de Esperanto, kion li multfoje povis konstati. Li akcentis la facilecon lerni ĝin kompare al aliaj lingvoj kaj rekomendis uzi sammulte da mono por la esperanta kiel por ekz. la angla lingvostudado, kaj la diferenco inter la rezultoj estus klare videbla.

S-ro *Wagnsson* donis kelkajn tre komprenigajn detalojn kiujn la kunparlamentanoj aŭskultis kun granda intereso.

S-ro *Olsson*, eksklerministro, rigardis kiel tre gravan la demandon pri helplingvo. Tiu demando postulas solvon, baldaŭan solvon. Homoj, kiuj ne povas lerni kulturlingvon, nepre bezonas helplingvon, kaj Esperanto ŝajnas esti la plej taŭga laŭ informoj ricevitaj. Oni ne povas fermi la okulojn por la fakto, ke la venko de Esperanto jam estas realaĵo. Do, la sveda parlamento ne malhelpu ĝin.

S-roj *Julin* kaj *Pauli* ambaŭ apelaciis al la parlamento subteni la proponon, kiu vere estas aprobinda.

Ankaŭ S-roj *Hellberg*, malnova sveda batalanto por novaj ideoj, *Holmgren* kaj *Mosesson*, estro de la granda misiista instituto, faris bonajn paroladojn por Esperanto.

La decido en la sveda parlamento pri monsubvencio por instruistaj Esperanto-kursoj estas granda paŝo antaŭen. Ĉar tia decido en la sveda parlamento signifas — reale — subvencion ankaŭ por la estontaj jaroj. Tiu ĉi paŝo farita estu instigo por aliaj landoj fari la samon. Tiamaniere ni venkos!

*Almida Zetterlund.*

---

# GRAVA SCIIGO!

La granda Tutgermana Unuiĝo de Instruistoj (kun pli ol 150.000 membroj) dum sia oficiala jarkongreso en Dresden, pentekoste 1929, akceptis jenan rezolucion:

*« Ĉiuj klopodoj, kiuj en la rondoj de instruistoj kaj lernantoj celas la disvastigadon de mondhelplingvo, estu subtenataj. »*

Mi petas vin, estimataj legantoj, kiuj vi legas ĉi tiun rezolucion:

1.) sciigi pri ĝi la instruistajn faksocietojn de via lando,

2.) se eble, traduki ĝin por fakgazetoj de instruistoj en via lando.

Nur se la instruistaro ankaŭ en aliaj landoj sekvos la proponon de la rezolucio, vera sukceso estos garantiita.

D-ro Dietterle,
*Esperanto-Instituto por la Germana Respubliko.*

***

**Kolekto de subskriboj por enkonduko de Esperanto en lernejojn**

La 21a kongreso en Antverpeno rekomendis, ke ICK ekzamenu la eblecon de subskribo-kolekto por enkonduko de Esperanto en lernejojn. Por respondi al diversaj demandoj la sekretariejo de ICK informas, ke ICK decidis ne organizi la kolekton pro diversaj malhelpoj taktikaj kaj financaj. Estas esperinde, ke tiu afero estos reprenata je konvena momento. — ICK.


# NEPRA POSEDAĴO!

de ĉiu Esperantisto. Noble broditaj silk-poŝtukeloj kun Esperantaj literoj!! *Ilustritan novan prezaron* pri tiuj kaj aliaj karakterizaj produktaĵoj en Japanujo, tuj poŝtkarte postulu de:

**DAIKOKUYA & K-IO.,**

P.O. Box 11, Akatsuka, Nagoya, Japanujo.

# Universala Esperanto - Asocio



Centra Oficejo:

12 Bd. du Théâtre, Genève, Svis

**Oficiala Informilo**

Administra jaro 1929. N-ro 9-10. Juli-Aŭgusto.

*Jarlibro 1929.* — Malgraŭ plej bona volo la presejo ne sukcesis fini la korektadon de la presprovo tiel rapide kiel fiksite. Pro tio la prokrasto en la sendo. Kvankam ni aplikis novan metodon en la redaktado kaj precize liveris la materialon konforme al la postulo de la presejo, la jarlibro nur eliris fine de Junio. Tio sekvigas por 1930 radikalan ŝanĝon en la tuta metodo. La komisiono de UEA nun ekzamenas proponon de la Direktoro pri alia maniero de laboro certiganta aperon de la libro dum la unua kvaronjaro.

La dissendo de la jarlibro okazis fino de Junio. Personoj nericevintaj ĝin bonvolu skribi al ni aŭ al la Ĉefdelegito enlanda.

**Novaj Delegitoj.**

(En lokoj kie ne estis D)

*Baarn* (Nederl.) D: Johann Hepp, ĵurnalisto, Veldheimweg 36.
*Baranów* n. Wieprz. (Pol.) D: Boleslaw Józwicki, instruisto.
*Bata* (Afriko) D: Alberto Diaz, Sobrestante de Obras Publicas.
*Biala-Podlaska* (Pol.) D: Nachman-Chaim Rozmaryn, dentteknikisto, Skrzynka pocztowa 39.
*Cadillac* (U.S.A. Mich.) D: Harold Oatley, instruisto, Hobart.
*Cape Town* (Afriko) D: W. Ch. Chatters, linotipisto, 2, Donne Str. Observatory.
*Cervera del Maestre* (Hisp.) D: Fr. Orti, Sekretario de urbdomo, P. Rivera, 58.
*Christchurch* (Nov-Zel.) D: N. M. Belle, Instruisto, 134, Fitzgerald Str. St. Albans.
*Cincinnati* (U.S.A. Ohio) D:R. E. Wise, desegnisto, 3948 Lindley Ave, Norwood.
*Covasna* (Rum.) D: Leo Weiss, oficisto. Jud. Treiscaune.
*Czestochowa* (Pol.) D: Abrahamo Karmiol, komercisto, Nowy Rynek, 5.
*Davenport* (U.S.A. Iowa) D: G. H. Sharpley, pastro, 1042 Charlotte Ave.
*Eger* (Hungar.) D: Samuel Holik, teol, prof. Seminario.
*Eisenach* (Germ.) D: J. Zinganell, horloĝisto, Georgenstrasse 6.
*Grodno* (Pol.) D: Aleks. Menczynski, instruisto, Brygidzka 32, ĉe Szmujlowicz.
*Hammond* (U.S.A. Louis.) D: C. H. Gibbons, Box 370.
*Harpenden* (Britl.) D: Paul Mathews, eksprofesoro, Stansted, Milton Rd. 49.
*Honolulu* (Hawaii) D: Herbert L. Thompson, Ĉef-komizo, Box 2417.
*Kahului* (Hawaii) D: R.E. Meyer, superintendanto de lernejo, Supervising Principal, East Maui-Schools.
*Litovel* (Ĉ.S.R.) D: Josef Socha, Kolonio Novy Zámek.
*Mena* (U.S.A. Ark.) D: F. A. Postnikov, Inĝeniero.
*Nowa-Wilejka* (Pol.) D: Leon Kozyro, fervoja oficisto, Koŝciuszki 4.
*Ponta Delgada* (Madeira) D: José L. Fernandes, doganoficisto, Posto fiscal.
*Porto* (Port.) D: J. Aug. Proença, komercisto, Rua do Rosario 215.
*Rimavské* Brezovo (Ĉ.S.R.) D: Pavel Knapp, mastra laboristo.
*Rioupéroux* (Francl.) D: L. Illachevitch, oficisto, Café des Alpes.
*Sallanches* (Francl.) D: Joseph Pion.
*Sao Jorge* (Madeira) M: A. Marques da Silva, instruisto.
*Tiranë* (Alban.) D: Cuk Simoni, komercisto.
*Ujpest* (Hungar.) D: Jozsef Oberhauser, fervoja oficisto, Tél. utca 82.
*Upice* (Ĉ.S.R.) D: Jan Müller, arĥitekturisto.
*Vitry-sur-Seine* (Francl.) D: F. Louis Buisson, tipografo, 12 Rue de Rû-Grand.
*Zabokreky nad Nitrou* (Ĉ.S.R.) D: Ŝtefan Hagara teĥnikestro.

**Ŝanĝoj.**

*Arad* (Rum.) D: F-ino E. Buczi, Str. Moise Nicoara, Baia Simay.
*Aussig* (Ĉ.S.R.) VD: Karl Hille, Kleische 3.
*Bournville* (Britl.) D: F-ino Violet Nixon, 15 Blackthorn Rd. Birmingham.
*Brasov* (Rum.) D: H. A. R. Westen Villa Westen, Str. Garei, fost locului czell.
*Bucuresti* (Rum.) D: Henriko Harabaĝiu, Bulev. Alex. Ion Cuza, 89. II.
*Chalon-sur-Saône* (Francl.) D: Louis Richard, 7, Place de Beaune.
*Deventer* (Nederl.) D: H. J. Bouwhuis, Spijkerboorsteeg 10.
*Elbeuf* (Francl.) D: Georges Saget, 4, Rue St. Jacques.
*Fukuoka* (Japan.) VD: Kijoŝi Eguĉi, Kabushuki-Torihikisyo Hakata.
*Gent* (Belg.) VD: Frans Deman, Rabotlaan 131.
*Ipswich* (Britl.) D: F. Douglas Murphy, 54, Constable Road.
*Kanton* (Ĉin.) VD I: Laŭ Pak Him, instruisto, P. O. Box 88. VD. II: Siu Chung, kuracisto, P. O. Box 88.
*Krefeld* (Germ.) VD: Peter Willink, Rosenstrasse, 21, St. Tönis b. Kr.
*Lappeenranta* (Finnl.) D: Onni V. I. Salin, Nikolainkatu 8.
*Novi Sad* (Jugosl.) D: Stevo Vidak, Streljacka ul. 7.
*Palermo* (Ital.) D: Francesco Pantaleone, Via Roma 175 (2-o Tronco) Arte Sacra.
*Pardubice* (Ĉ.S.R.) VD: Antonín Jandík, u Haldy 87.
*Radom* (Pol.) D: Jan Wojtas, tajloro, Ogrodowa 7. VD: Fr. Wrzesien, Podjazdowa 1/39.
*Reykjavik* (Island.) D: Olavo Kristjánsson, Njálsgata 10.
*Romford* (Britl.) D: C. Steel, 16 Burlington Ave.
*Rosendaal* (Nederl.) D: Adrianus P. Borghout, Boulevard 104.
*Stryj* (Pol.) D: S-ino Erna Zimand, Lwowska 65, I. VD: Norbert Steinberg, librotenisto, Szeroka 307.
*Valaŝské Meziříčí* (Ĉ.S.R.) D: Jaromír Lachman, Kriŝná 49/50.

En la jenaj lokoj ne plu estas delegitoj:

Bürgstein, Ĉ.S.R. — Habelschwerdt, Germ. — Honningsvag, Norveg. — Hronsky Sväty Benadik, Ĉ.S.R. — Langenberg, Germ. — Mitchell, U.S.A. — Mügeln, Germ. — Nechvalice u Sedlĉan, Ĉ.S.R. — San Remo, Ital. — Skutari, Alban. — Stammersdorf, Aŭstr. — Ŝiroky Dul, Ĉ.S.R. — Whiteway Colony, Brit.

**Statistiko de la delegitoj.**

| | |
|---|---|
| Stato je la 25 Aprilo | 1.759 Lokoj |
| Lokoj forstrekitaj inter 25. IV - ĝis 25. VI. 1929 | 13 » |
| | 1.746 » |
| Forstrekita pro nepago de kotizo 1928 kaj reveninta | 1 » |
| Novaj lokoj | 33 » |
| Je la 25 Junio, UEA kalkulis Delegitojn en | 1.780 Lokoj |

Genève, 25 Junio 1929.

Hans JAKOB, Direktoro de UEA.

## Oni dankas

*** D-ro Edmond Privat tutkore dankas la ĉi-sube nomitajn samideanojn, kiuj bonvolis kolektive sendi al li ŝrankon kun la dekses belegaj volumoj de la Brita Enciklopedio kaj afabla dediĉo « Pro fidela servado al Esperanto dum 25 jaroj ».

Al ĉiuj kortuŝan dankon.

Ge-sroj Applebaum, Liverpool; D-ro H. Arnhold, Dresden; S-ro Baruël, Kopenhago; S-ro Paul Blaise, Londono; Ge-sroj Blicher, Kopenhago; S-ro Narciso Bofill, Palma de Mallorca; S-ro Boutwood, Hastings; S-ro Buchanan, Glasgow; S-ro Bujwid, Kraków; F-ino Baxter, New York; S-ro Christaller, Stuttgart; Ge-sroj Clayton, Londono; F-ino Culver, Genève; Prof. Dietterle, Leipzig; S-ro Vuk Echtner, Praha; D-ro Ellerbeck, Berlino; S-ino Ford, New York; S-ro T. I. Guéritte, Londono; F-ino Herrick, Londono; Firmo Hirt & Sohn, Leipzig; S-ro Hromada, Praha; S-ro Isbrücker, Hago; S-ro Jahn, Kopenhago; S-ro Kreuz, Genève; S-ro Lebrun, Londono; S-ro Megahy, Preston; F-ino Melchior, Kallundborg; Sro John Merchant, Sheffield; F-ino Mikkelsen, Kopenhago; F-ino Noll, Kopenhago; S-ro Nyléen, Stockholm; F-ino Offerhaus, Hago; S-ro Page, Edinburgh; F-ino Petersen, Kopenhago; S-ro Petiau, Gand; S-ro Rollet de l'Isle, Paris; F-ino Root, Genève; Ge-sroj Roskes, Hago; S-ro Rousseau, Englien-les-Bains; S-ro Ruhani, Recht; S-ro Scholze, Reichenberg; S-ro Schoofs, Antverpeno; S-ro Setälä, Helsinki; S-ro Sklenĉka, Hradec Králové; S-ro Stroele, Neuchatel; S-ino Tissot, Basel; S-ino Umanski, Genève; S-ro Warden, Edinburgh; Familio Zamenhof, Varsovio; S-ro Felix Zamenhof, Varsovio; Grupo Stelo, Genève.

*** D-ro Eugen Omelskij, Ano de UEA n-ro 21739 kore dankas al la Delegito de UEA en Salzburg, S-ro Vogel kaj al Ge-sroj Hörtenhuber helpinte lin ĉiamaniere, helpante kaj agrabligante al li dum restado.

*** S-ro W. Mudrak, Vieno sincere dankas al samideanoj T. H. Rousseau D de UEA, S-ro Houbart, redaktoro de gazeto « La Movado » kaj S-ro Herlemont, por afabla helpo kaj subteno de liaj klopodoj por Esperanto okaze de la 6a Internacia Kongreso kontraŭ la Tabako okazinta en Paris post pasko.

**Thorraduran**

estas la nomo de nutriga produktaĵo pri kio informas vin *prospekto* aldonita.

## :: Turismo kaj Esperanto ::

Aperis dum la lasta tempo novaj gvidfolioj. Dum la paska konferenco en Frankfurt am Main, disdoniĝis tre bela gvidfolio *Aŭstrio* eldonita denove, de la Ministerio por Trafiko dank'al la klopodoj de samideano Hugo Steiner, Supera inspektoro. La gvidfolion, presitan tre lukse kun karto geografia de Aŭstrio ricevas ĉiu kongresano partoprenanta la Antaŭkongreson en Vieno.

La urbo *Kassel* en Germanujo eldonis tre belan kajereton laŭ la formato de UEA jarlibro kaj de la gvidfolioj de UEA. Ĝin ricevos la membroj de UEA kun la jarlibro 1929.

*Chemnitz* en Saksujo eldonis gvidfolion ankaŭ en luksa eldono kaj je granda kvanto (30000). Oni povas postuli ĝin de Esperanto-Societo, Altenhainerstrasse 34, Chemnitz.

La apuddanuba urbo *Linz* en Aŭstrio eldonis gvidfolion en la serio de la UEA gvidfolioj dissendata al la abonantaro de *Esperanto*.

Fine ni citu aperon de du gvidfolioj en Ĉeĥoslovakio: Hradec-Králové kaj Banloko Pieŝtany.

Pro teknika kaŭzo la gvidfolioj pri Kassel, Chemnitz kaj Linz estis senditaj kun la jarlibro 1929.

## *En kelkaj linioj...*

*** La Internacia Junularo Ligo (International Youth League — Weltjugendliga) informas, ke la unujara kampado okazos en Veilefjord, Danujo, Jutlando. Dato: 20. Julio ĝis 5a de Aŭgusto 1929. Detalaĵoj: Axel Pille, Daugaard Strand, Daugaard, Danlando.

*** En la eksterordinara ĝenerala kunveno de la akciuloj de l'societo « Centra Esperanto Librejo », 20a Aprilo la propono pri la ŝanĝo de la statuto, konforme al la nova nederlanda leĝaro pri akciaj societoj, estis aprobita.

*** *La Kristana Esperantista Ligo internacia* dissendas al la Kristanaj Asocioj de Junaj Viroj (angle: Young Men's Christian Association), al Kristana Celado (angle: The Christian Endeavour) kaj al aliaj, alvokon, lerni Esperanton. La tuta Esperantistaro, kiu simpatias je tiu ĉi laboro, estas petata, iamaniere helpi, ke la grava entrepreno bone sukcesu. Oni petu informon de: Paul Hübner, Pölkenstrasse 4, Quedlinburg, Germanlando.

## AMERIKA SPRITO

*** *La aŭtomobiloj alproksimiĝas rapide al la kulminacia punkto de la teknika perfekteco. Ili preskaŭ daŭras tiom longe kiom daŭras la partpagoj.*

*** *La inventistoj klopodegas fabriki telegrafstangojn kiuj kapablas elteni la kunpuŝon de aŭtomobilo veturanta je okdek kilometroj dum horo. Ĉu ne estus pli laŭcele, inventi telegrafstangojn, kiuj mem forsaltas de la vojo, kiam alproksimiĝas aŭtomobilo ?*

*** *Prospereco : La posedo de aŭtomobilo kiu kostis 2.000 Dolarojn, el kio la posedanto ŝuldas ankoraŭ 1.000 kaj el kio, ŝanĝante la aŭtomobilon kontraŭ alia oni kreditigos al li 350 Dolarojn.*

*** *Gepatroj ! Kiam vi aŭdas de via infano ordinarajn parolojn, kutimajn en marista kaj negra medioj, ne punu lin. En li eble kaŝas sin estonta verkisto de revu-teatraĵo.*

*** *Oni inventis maŝinon por komponi muzikaĵon. Necesas ankoraŭ inventi maŝinon kiu pacience povas aŭskulti la komponitaĵon.*

## :: Esperantista Parolejo ::

### *Oni proponas*

Ni esperantistoj ŝatas legi artikolojn, kiam alilandano rakontas al ni pri sia hejmlando, pri la ĉiutaga vivo, pri la kutimo kaj naciaj specialaĵoj. Sed ne nur la artikolojn ni legas atente, bildojn kiuj ilustras la rakonton ni ŝatas ne malpli, ĉar ili esprimas ofte ion pli precize ol cent vortoj. Pli bone ol simplaj poŝtkartoj kaj aliaj malgrandaj ilustraĵoj efikas filmoj projekciataj sur blanka ekrano. Se la bildoj estas lerte elektitaj de esperantistoj el la sama lando, tiam la filmo estas bonega komprenigilo pri la eksterlanda vivo kaj same bonega poresperanta propagandilo.

Mi intencas aranĝi inter esperantistoj filmservon kaj prunte dissendi al ĉiuj petontoj filmojn pri la diversaj landoj, pri la kongreso k.t.p. Mi pensas la aferon jene: Junaj gesamideanoj kiuj havas tempon kaj la ambicion pliriĉigi la programon de esperantaj kunvenoj aliĝas al la fondota esperanta filmservo. Ĉiuj aliĝontoj de la sama lando formos landan fakon kaj elektos estron. La landa filmservestro ricevas la pretan filmrulaĵon de mi kaj pruntos la filmojn al la filmservantoj. Sed li ne nur disdonos la filmojn, li ankaŭ kolektos belajn ilustraĵojn de la propra lando, sendos ilin por fotografado al mi kaj klopodos tiel veki la plej belajn impresojn pri sia hejmlando inter la tutmonda esperantistaro.

Nun mi petas ĉiujn, kiuj deziras aliĝi al la fondota esperanta filmservo sciigi tion al mi. Ĉar mi bezonas multajn kunhelpantojn el ĉiuj landoj por efektivigi la filmservon, kiu evoluiĝu ĝis kiam ni havos nian propran grandan propaganda-filmon kiel ĝin jam deziris multaj gesamideanoj.

*Dr. Ing. Ottmar Fischer*,
Dessaŭ Poststr. 8 II, Germanujo.

## :: PILORIO ::

**Samideanoj atentu !**

Jam kelkfoje ni havis okazon tie ĉi averti pri certa S-ro Hans Willeke en Bonn (estro de la Lavu-Export). Sekve la informo sub sama rubriko en la Aprila numero de *Esperanto* paĝo 79. D-ro jur. Müller en Düsseldorf konigis la plendon al la loka tribunalo. Ni konigas la respondon, laŭvorte tradukitan kaj petas ĉiujn samideanojn esti singardemaj. La rilata persono ne estas ano de UEA. La C. O. rifuzis akcepti lin kiel D por Bonn.

Supera Ŝtata Prokuroro
4 J 665/29 Telefono: 1751.
2 Bonn, la 27 an de Majo 1929.

Al la akuzo de l' 24. Majo 1929.

Provizore mi ne povas sekvi punjuran proceden kontraŭ *Hans Willeke*, ĉar tiu ĉi, kontraŭ kiu ŝvebas ampleksa procedo pro multnombraj trompkazoj, tie-ĉi, foriris al eksterlando antaŭ la konigo de l' akuzo. Li estas persekutata de tie ĉi kaj de aliaj instancoj.

Laŭ komisio: (subskribo).

S-ro Stanislaw Dyduch en Knurow, Polujo, petis esperantistojn de kelkaj landoj pri monhelpo pro fajrokatastrofo. La delegito de UEA en Knurów, S-ro Pierhala avertas, ke S-ro Dyduch estas fraŭlo, loĝas depost 1924 en tiu-ĉi loko kaj ne suferis fajrokatastrofon, nek havis ian posedaĵon.

## Esperantista vivo

**Naskiĝoj.**

*** Ge-sroj M. de Ketelaere-Wouters en Antverpeno anoncas la feliĉan naskiĝon de filineto Paula.

*** Al Ge-sroj Paola & Giovanni Vangelista, Del. de UEA en Vivenza, filino Flavia.

*** Al Ge-sroj John Gabriels, Vd de UEA en Rotterdam, filino Julia.

**Edziĝoj.**

S-ro Francisko Stanek, ano de UEA 26757 kun F-ino Vera Zajiĉkova, anino n-ro 33333 en Praha, 1. Junio 1929.

## Niaj Mortintoj

*Kun sincera bedaŭro ni ricevis informon pri la morto de jenaj samideanoj. Al iliaj familioj ni sendas la esprimon de niaj respektplenaj kondolencoj.*

S-ro Ferdinand Ambeel, MA 29351 en Spandau, German., 14 Majo 1929. Fondinto de la grupo en Spandau, propagandisto inter instruistoj.

D-ro med. J. Kocin, bofrato de D-ro L. L. Zamenhof, aŭtoro de Esperanto. 72 jara, 17 Majo 1929 en Kaunas, Litovujo.

S-ro Paul Küttner, Ano de UEA en Mannheim, 1. Majo 1929, 30 jaraĝa.

S-ino Alice Wicks, Delegitino de UEA en Victoria B.C. (Kanado) havis la malfeliĉon perdi amatan edzon, 12. Aprilo 1929.

*Sinceran kunsenton !*

**Sole per la praktiko** (= per oferpetoj kaj mendoj komercistoj varbeblaj al Esperanto).

**Tial** instigu vialandajn importistojn skribi iajn leterojn (ev. per via helpo) en Esperanto. Sendu tiajn leterojn al ni aŭ al niaj agentejoj por transdono kun naclingva traduko.

**Ni atingos** ... liveradon rektan sen plimultekostiga interkomerco.

* * *

Nia bulteno « La Komerco » enhavas ĉiam taŭgajn, interesajn ofertojn pri atentindaj varoj.

**KOMERCISTA ESPERANTO-UNIO**

Dresden-Radebeul (Centro) Friedrich Auguststr. 4

CAFFE' BAR MODERNO, Santa Luca 4558 (Campo). Du minutoj de la Santa Marka Placo. Ĉiuvespera renkontejo de la Veneciaj esperantistoj. Kafo, ĉokolado, lakto, likvoroj, biero, vinoj el ĉiuj bonaj firmoj. La eksterlandanoj trairantaj Venecion povas sin turni tien-ĉi por havi ĉiujn informojn pri la Veneciaj esperantistoj. Popularaj prezoj.

## Pollanda Ekspozicio Ĝenerala
### EN POZNAN

Ĉiujare okazas en multaj landoj diversaj foiroj kaj ekspozicioj, kies karakteriza eco estas internacieco. Ili jam ĉesas fari impreson sur la vastan publikon pro ilia abundeco kaj kio estas plej grava pro ilia specialeco. Nur fakuloj interesiĝas pri ili kaj vizitas ilin pro espero fari negocojn aŭ akiri ion, kio povas plej bone servi al modernigo kaj pligrandigo de la produktado.

La en la tagoj de 16. majo ĝis 30. septembro 1929 okazanta Pollanda Ekspozicio Ĝenerala en Poznan diferencas de tiuj ĉi ĉiujare ripetiĝantaj entreprenoj per sia celo kaj principo. Ĝi devas montri ĉion, kion produktas Pollando, ĉiujn ĝiajn riĉaĵojn, ĉiujn fakojn de pola laboro kaj entreprenemo ĉu materia ĉu spirita. La Ekspozicio estis pensita kiel festo de 10-jara jubileo post reakiro de sendependeco kaj al ĝia efektivigo oni jungis ĉiujn plej eminentajn fortojn de la lando. Laŭ skalo ĝi atingas nivelon de plej grandaj ĝis nun aranĝitaj ekspozicioj, ekzemple la Wembley-a Ekspozicio en 1924-5 okupis areon de 800.000 m2 dum la Poznanja okupas 600.000 m2. La konstruaĵoj okupas 150.000 m2 de surfaco, en kiuj trovas lokon 32 grupoj, dividitaj en 200 fakojn, kiuj reprezentos staton de kulturo, arto kaj scienco, de industrio kaj terkulturo, de bank- kaj asekurfakoj, de komerco, metio kaj korpa eduko, unuvorte ĉiujn branĉojn de materia kaj spirita vivo de la nacio. Kiu ĝis nun ne konis Pollandon kun ĝia loĝantaro, povos post vizito de la Ekspozicio ekkoni ĝin ĝisfunde kaj juĝi laŭ fruktoj de ĝia laboro.

Ni trakuru rapide la ĉefajn fakojn : jen en la centra halo lokiĝis la peza kaj petrola industrioj, proksime troviĝas pavilono de paperindustrio kun ĝiaj parencaj branĉoj, apude reprezentacia salono, impona konstruaĵo lukse meblita. Trairinte vastan placon ornamitan per verdaĵoj kaj florbedoj ni troviĝas antaŭ pavilonoj de ŝtata ekspozicio, kie ĉiu pola ministerio prezentas sian disvolviĝon en daŭro de 10 jaroj. La proksima palaco de arto permesas ekkoni nivelon de pola Belarto kaj kie estos kunigitaj 5.500 artobjektoj. Ĝin sekvas aerveturа kaj aŭtomobila industrioj. Jen pavilonoj de mara, sukera, terkultura, abela, bruta industrioj, de komerco ktp. ktp. Ĉion citi ne estas ebla, ni nur substrekas, ke en la Ekspozicio partoprenas ankaŭ poloj eksterlandaj plejparte el Usono. Se ni ankoraŭ aldonos amuzparkon, kiu ampleksas 30.000 m2 kaj kie okazos teatraj prezentadoj de plej eminentaj artistoj kaj popolaj regionaj trupoj, karakterizaj popolaj dancoj kaj multaj modernaj amuzentreprenoj kiel kabaredoj, dancingoj, kafejoj, ni havos tre skizan bildon.

Dum daŭro de la Ekspozicio okazos pli ol 200 kongresoj en- kaj eksterlandaj, diversaj sportaj aranĝoj kun partopreno de eksterlandaj sportistoj, kiuj venigos al Poznan multajn milojn da partoprenantoj. La bonega situo de la urbo en mezo de la Eŭropo kun multaj rektaj fervojlinioj ebligas al partoprenantoj el ĉiuj direktoj komfortan vojaĝon kaj specialaj faciligoj kiel senpaga pasporta vizo kaj fervojaj rabatoj konsentitaj ankaŭ de multaj ŝtatoj donas unikan okazon por ekvidi unuarangan aranĝaĵon en la Eŭropo. Vizitado de la Ekspozicio donas ankaŭ okazon por malkare viziti Pollandon, ĉar oni organizis specialajn tipojn de ekskursoj en daŭro de 4-12 tagoj tra la tuta lando.

La direkcio de la Ekspozicio, eldonis specialan flugfolion en Esperanto, informantan koncize pri ĉiuj faciligoj disponeblaj al la vizitantoj kaj invitantan esperantistojn al la lando de nia Majstro.

Ni esperas, ke tiun ĉi alvokon sekvos multaj samideanoj !

ALF.

## ALTA TATRA

Slovakio tiom riĉa je montaraj belaĵoj posedas sur ĝia norda limo unu el plej valoraj juveloj de tuta respubliko, nome la altan Tatra. Ĝi estas la plej alta parto super 2500 m. el longa ĉeno de Karpatoj kaj leviĝas senpere sen antaŭmontaro, el alte kuŝanta ebenaĵo, prezentante sin kiel impona grupo de granitgrandeguloj, hufeforme kunpendantaj.

Tio kion homa menso serĉanta senperan rilaton al la naturo deziras, troviĝas tie en miriga kvanto kaj en multnombraj formoj: Florornamitaj valoj kun muĝantaj torentoj, potencaj akvofaloj, herboriĉaj montdeklivoj, pitoreskaj scenerioj, vastegaj maljunaj pin-kaj abio-arbaroj. Kelkloke konservitaj en praarbara stato ĉie ozonriĉa kaj refreŝiga saniga aero. Ĉar Tatra estas facile atingebla fervoje de en- kaj eksterlando kaj dank' al cititaj avantaĝoj la nombro de ĝiaj vizitantoj ĉiujare kreskas kaj konstruiĝas ĉiam novaj luksaj hoteloj, turistaj hejmoj kaj sanatorioj, grandparte kuŝantaj sur montaro mem, kunigitaj reciproke per elektra fervojo kaj aŭtomobilstrato same kiel kun stacioj de la fervojo Košice, Zilina, Bohumin-Oderberg.

Estu nomitaj almenaŭ tri lokoj troviĝantaj sur tielnomata vojo de libereco. Štrbské Pleso 1356 metrojn, nomita perlo de alta Tatra, aŭ ĉeĥoslovaka Davos, mirige bela lago kun unuarangaj hoteloj kaj raviga panoramo, ambaŭ Smokovec kun mondfamaj sanatorioj, Tatranska Lomnica, belege lokita en naturparko kun luksaj hoteloj, elirpunkto por naturgardregiono de Javorina. Ĉie krom turismo, de plej facilaj promenekskursoj ĝis danĝeraj alpaj grimpekskursoj, oni vigle kaj grandmezure praktikas sportojn. Ĉijara longa vintra sezono superis ĉian atendon kaj post eksterordinara somera sezono pasintjara juĝante laŭ nuna intereso, sendube ĉi-somere, *Tatra* baldaŭ pleniĝos per vizitantoj apartenantaj al ĉiuj klasoj kaj nacioj.

Eble mankos nur internaciemeco en tiu socio kaj estus domaĝe, se niaj kongresanoj revenontaj el Budapeŝto norden kaj okcidenten, ne uzus donitan okazon por iom konatiĝi kun Tatra kaj tre vizitinda grotaro de Demänova, kaj ne aliĝus jam nun al karavano gvidota per subskribinto. Krom tiun ĉi, aranĝas esperantista klubo en Praha samtempe postkongresan vojaĝon tra *Brno*, (ekspozicio de moderna komerco) grotaro de Macocha kaj abismego, al Praha.

Profesoro Valdo JUKL,
*Komerca Akademio, Bratislava.*

*La bone konata helpilo*

**BES - ADRESARO**

de esperantistoj el ĉiuj landoj
ĵus aperis en oka eldono.

Kun portretoj de esperantistoj kaj registro laŭ profesio kaj inklinoj kiu ebligas trovi tuj la deziratan adreson. Prezo 1 Fr. sv. pagebla ankaŭ en respondkuponoj de UEA aŭ en B E S kuponoj. Detala prospekto senpage.

Eldonanto:
B E S, POTŠTEJN — Č.S.R.

# Universala Federacio de Pedagogiaj Asocioj

**III-a Dujara Kongreso 25. julio-4. aŭgusto 1929**

**ĜENEVO (Svislando)**

sub la Alta patronado de la Svisa Federala Konsilantaro




*Reproduktaĵo de granda afiŝo presita en naciaj lingvoj kaj en Esperanto.*

# VOJAĜI KAJ MIGRI

Grandstila ekspozicio tiel nomata, okazas dum la monatoj Majo ĝis Oktobro 1929 en Dresden kaj allogas multajn vizitantojn. La tri sekcioj de tiu granda elmontro, kiu uzas la plej modernan ekspozician teknikon, estas ĉiu por en- kiel por eksterlanda vizitanto. La unua sekcio « *La germana hejmlando* » gvidas per ĉiam ŝanĝantaj bildoj tra ĉiuj regionoj de Germanujo, de la Norda Maro ĝis la Alpoj, de la Rejno ĝis la Balta Maro kaj estas instigo al vizito de tiuj regionoj aŭ rememoro kaj refreŝigo de impresoj pri antaŭaj vojaĝoj. La dua sekcio « *La vojaĝo* » montras ĉiujn manierojn, uzitaj kaj uzataj por vojaĝi, en bildoj, modeloj kaj originalaj ekspoziciaĵoj. Ekzemple la Germana Fervoja Societo elmontras modelon de trajno el la jaro 1842 apud vera lokomotivo giganta de l'nuna tempo. La Germana poŝto ekspozicias malnovajn poŝtveturilojn apud moderna aŭto-poŝtomnibuso. La ŝipvetur-societoj de Elbe, Oder kaj Rejno same kiel ĉiuj aliaj trafikentreprenoj montras per planoj kaj tabeloj la eblecojn de senhalta komunikado el la diversaj vojaĝmanieroj. Ankaŭ la « Lufthansa » kaj la « Zeppelin » ne mankas. Kompreneble la industrio partoprenas kun ĉio, kio plikomfortigas la vojaĝadon, same kiel ĝi ankaŭ montras multon, kio estas utiligebla por « *La migrado* » kiu formas la trian sekcion de la ekspozicio. En ĝi oni vidas ĉiujn eblecojn do saniga kaj eduka migrado, la rezultatoj de taŭga migrado laŭ vidpunktoj botanika, zoologia, mineralogia, arta kaj socia, kiel ĝi efikas al korpo, spirito kaj animo. Dum la ekspozicio okazas plej diversaj praktikaj prezentadoj de unuiĝoj por migrado, sportuloj, plie festoj de la diversaj gentoj germanaj kun ludoj, dancoj kaj kantoj, propraj al ili. Sur speciala scenejo okazas prezentado de hejmlandaj teatraĵoj do por ĉiu vizitanto la ekspozicio montras abunde interesaĵojn.

La Dresdenaj Esperantistoj ne preterlasis la okazon, montri en bona loko, bildon (kiel vidigas la kliŝo), kiu efike ilustras kiel la lingvaj limoj estas baroj por la vojaĝantoj dum Esperanto estas ponto trans ĉiuj lingvaj limoj.

Samideanoj, kiuj deziras scii detalojn pri la ekspozicio kaj ĝia vizito sin turnu al la « Jahresschau Deutscher Arbeit Dresden 1929 » (Reisen und Wandern), Leneestrasse 3, Dresden-A. Vizitantoj anoncu sin al la Loka Societo Dresden de Germana Esperanto-Asocio, Königsbrückerstrasse 93 aŭ al la Dresdenaj Delegitoj de UEA. — Komunikis J. K.



**Suma eldono depost Septembro 1925 - 85.000 - ekzempleroj**

Al la plej multe aĉetataj libroj de nia literaturo apartenas la

**Esperantaj**

**Lernolibroj kaj Vortaroj de Tagblatt-Biblioteko**

**verkitaj de D-ro EMIL PFEFFER**

ĜIS NUN APERIS:

**Esperanto en 10 lecionoj.**
Metoda lernolibro por germanoj, por ellerni dum mallonga tempo ĝuste paroli kaj skribi Esperante. Enhavas elparoladon, gramatikon, ekzercojn, poemojn, traduk-ŝlosilon ktp. Por meminstruo kaj kursoj. 16-a ĝis 20-a milo. Fr. sv. —.40

**Unua Esperanta legolibro por komencantoj kaj kursoj.**
Elektita prozo kaj poezio kun laŭvorta germana interilinia traduko kiel ankaŭ lingvaj kaj literaturaj klarigoj. — Serĉado en vortaroj superflua! — 6-a ĝis 10-a milo. Fr. sv. —.40

**Vortaro Esperanta-Germana.**
Enhavas ĉiujn de la Akademio akceptitajn vortradikojn kiel ankaŭ la plej komun-uzajn fak-esprimojn. — 6-a ĝis 10-a milo. Fr. sv. —.40

**Vortaro Germana-Esperanta.**
180 paĝoj da teksto kun pli ol 20.000 germanaj vortoj kaj 30.000 Esperantaj tradukoj. (Kvarobla numero.) — 6-a ĝis 10-a milo. Fr. sv. 1.60

**Ĉu vi parolas Esperante?**
Enkonduko en la Esperantan konversacion. — Esperantaj dialogoj pri diversaj temoj de l'vivo kaj scio kun akompananta germana traduko kaj lingvaj klarigoj. — 6-a ĝis 10-a milo. Fr. sv. —.40

**Esperanta Komerca Korespondo.**
Komercistaj modelleteroj en Esperanto pri la plej gravaj okazaĵoj de l'negoca vivo kun akompananta germana teksto kaj fakaj klarigoj. (Duobla numero.) Fr. sv. —.80

**Humor' de l'mondo en Esperanto.**
(Dulingva Libraro de Tagblatt-Biblioteko.) La ŝerco, sprito kaj anekdoto de diversaj popoloj en Esperanto kun akompananta germana teksto kaj lingvaj klarigoj. (Duobla numero.) Fr. sv. —.80

**Fabeloj de l'Oriento en Esperanto.**
(Dulingva Libraro de Tagblatt-Biblioteko.) Fabeloj kaj legendoj el Azio kaj Afriko en Esperanto kun akompananta germana teksto kaj lingvaj klarigoj. (Duobla numero.) Fr. sv. —.80

**Zamenhofaj Esperanto-Paroladoj.**
Faritaj ĉe la malfermo de universaj kongresoj de Esperanto (1905-1912). Kun Bulonja deklaracio, letero pri la deveno de Esperanto kaj « Mia penso ». Originala teksto kun akompananta germana traduko kaj rimarkoj. (Kvarobla numero, ĉirkaŭ 170 paĝoj). Fr. sv. 1.60

**Fabeloj de malproksimaj popoloj.**
(Dulingva Libraro de Tagblatt-Biblioteko). Fabeloj kaj legendoj de diversaj malmulte konataj gentoj el Turkestano, Sudano, Kameruno k.t.p. en Esperanto kun akompananta germana teksto kaj klarigoj. (Duobla numero, en preso.) Fr. sv. —.80

Unuobla numero ampleksas 50 paĝojn da teksto

CENTRA ELLIVEREJO:

**WIEN I, WOLLZEILE 20**

**Disvendo por Esperantujo : Universala Esperanto-Asocio (Libroservo), 12, boulevard du Théâtre, Genève**

# REKLAMO

*MALLONGIGOJ* ; L = *letero*. PK = *poŝtkarto*. PI = *poŝtkartoj ilustritaj*. PM = *poŝtmarkoj*. bfl = *poŝtmarkosur bildflanko*. kĉl = *kun ĉiuj landoj*. Esp-aĵo = *Esperantaĵo*. fot-aĵo = *fotografaĵo*. *gaz.* = *gazeto*.

**Atentigo**

La personoj anoncantaj havas la moralan devon respondi almenaŭ unufoje al la ricevitaj petoj, klarigante ĉu ili deziras aŭ ne deziras daŭrigi la korespondadon. Kiu ne respondas peton konforman al sia anonco, tiu malutilas al la internacia korespondado. Ni atentigas plie, ke la redakcio ne respondecas pri la tekstado.

## Korespondado

*Interŝanĝo de objektoj*

*Alba-Julia* (Ruman.) — F-ino Ilonjo Székely, str. Andrei Muresan 71, L. PI PM. k.ĉ.l. Nepre resp.

*Arad* (Ruman.). — S-ro Deziderio Balogh, str. Ureche 3, PI., bfl., k.ĉ.l. Ĉiam resp.

*Arad* (Ruman.). — S-ro Ludoviko Szilagyi, str. Penes Curcanul 20, PM kun ĉiuj eŭropaj landoj sed kun Germanio, Aŭstrio kaj Ĉeĥoslovakio nur laŭ mankolisto (Michel aŭ Yvert). Certe resp.

*Bucuresti* (Ruman.). — S-ro Jozefo Schechter, Internacia Agentejo Select, Calea Victoriei 48, PM. Peradas ĉiajn aferojn.

*Friedland* (Bez. Breslau, German.). — S-ro Max Reichelt, PI, bfl. Ĉiam respondos.

*Gijon* (Hispanujo). — S-ro Alberto M. Gonzalez, 4 Sanz Crespo, PI, k.ĉ.l. Precipe kun anglaj kaj francaj samideanoj por perfektiĝi en tiuj lingvoj. Ĉiam respondos.

*Helsinki* (Finnlando). — S-ro Ensio Laine, fraŭlo 20 jara, Abrahaminkatu 15, B. 19, L. PI kun fraulinoj, PM k.ĉ.l.

*Harburg-Wilhelmsburg* (German.). — Esperantista Grupo, Rekte Antaŭen, Eisendorferstrasse 2-4, L, PI, k.ĉ.l. pri ĉia temo. Respondas certe.

*Kharkov* (U.S.S.R. Ukraino). — S-ro K. Sĉetkin, Ĉernyŝevskaja 56 A kv. 3, L, PI, kun USA, Kanado, Suda Ameriko, Aŭstralio, Novzelando, Japanujo, Suda Afriko (En angla lingvo).

*Konecchlumi* (Ĉeĥoslov.). — S-ro Josef Vitek, studento, del. UEA, ĉp. l. u Jiĉina, PI, G, L, PM, (sendas ĉsl. jubil.) k.ĉ.l. Korespondas esperante, angle, france, germane, hispane, itale, serbe kaj ĉeĥe. Certe kaj tuj respondas.

*Kyoto* (Japan.). — S-ro D-ro Junichi Nakagawa, Minamigosho-cho 37, Okazaki, Interŝanĝadi PM kun fidindaj filatelistoj.

*Le Mans* (France, Sarthe). — S-ro Le Bihan, 15 Flore, L, PI por junuloj.

*Malmö* (Svedujo). — S-ro Per Mellblom. Fylkinggatan 26, L, PI, Fot-aĵoj kun ekstereŭropaj landoj. Tuj respondos.

*Malmö* (Sved.). — S-ro John Berntsson, Exercisgatan 6, PI, L.

*Melbourne* (Aŭstralio). — S-ro Victor Fitcher, State School, No. 4314, Weybridge Street, Surrey Hills, dez. korespondantojn por siaj junaj studentoj 10-14 jaraj. L, PI.

*Nossen* (German., Sachsen). — S-ro Arno Grasselt, PM, k.ĉ.l. Vendas germanan papermonon el la inflacio de valoro de unu fenigo ĝis cent miliardoj. Certe respondos.

*Sabadell* (Hispan.). — S-ro Daniel Pons, str. Sallares 37, PI, L, k.ĉ.l.

*Sönderborg* (Danlando). — S-ro Hermann Jensen, Jernbanegame 18-III 19 jara komercoficisto, PI, k.ĉ.l.

*Tampico* (Mexico). — S-ino Mathilde J. de Guerra, L precipe kun gesamideanoj en Eŭropo.

*Tampico* (Mexico). — S-ro Ernesto E. Guerra, L kun sinjorinoj kaj fraŭlinoj kapablaj kulturi amikecon longtempe kaj sinjoroj kiuj ne estu kolektantoj aŭ funebraĵistoj. Prefere Eŭropanoj.

*Tientsin* (Ĥinujo). — S-ro T. Tanigaki, c/o Nippon Menkwa

*Turski Frastenik-Gara Pordim* (Bulgar.). — S-ro Aleksandr Ĥ. Ivanĉev, instruisto, L, PI, PM, k.ĉ.l. Ĉiam resp.

*Valaŝské-Meziriĉi* (Ĉeĥoslovakio). — S-ro Jaro Neĉas, studento, Vsetinska 49, PM, PI, ĉeĥe, germane, france, itale kaj Esperanto. Respondas ĉiam kaj tuj.

*Wellington* (Novzelando). — S-ro W. Mc Guigan, 119 A Kaisha, P. O. Box 17 Post Office, PI, L. Ĉevalbildojn. Kelburn Parade, PI, bfl, k.ĉ.l. Nepre respondos.

*Zaragoza* (Hispan.). — S-ro Eugenio Gil, San Lorenzo 40, PI, k.ĉ.l. precipe kun foto-amatoroj.

# Petoj kaj Proponoj

## INTERNACIA KOMERCO

*Atentu — Spertaj ŝtalgravuristoj.* — Viajn teknikajn laboraĵojn pri ŝtala gravuro kaj ĉizo perfekte aplikataj al progresiganta industrio en reliefinka stampado « Die Presse » aŭ aliaj similaj sistemoj, proponu sen heziti, pere specimenoj (presaĵoj) kaj notprezoj al presejo Grafica Industrial, Rambla 34, Sabadell, Hispan. — Dankon al tiu kiu interesigos specialistojn. Nura korespondado: Esperanto.

*Familia Nomo.* — H. Weiershäuser, Steinweg 26, Marburg a.d. Lahn, German., petas samideanaron kaj precipe la Delegitojn de UEA en Eŭropo, Ameriko kaj Aŭstralio pro alsendo de adresoj de la familia nomo Weiershäuser (Weyershäuser, Wayjershäuser) por celo de familia historio.

*Floroj.* — Mi interŝanĝas semojn de ekstereŭropaj ĝardenfloroj po miksaĵo malgranda kontraŭ samkvanta de Mezeŭropo. Hans Jungsschaffer, fakinstruisto, Ried im Innkreis, Aŭstrio.

*Fotografaĵoj.* — Deziras interŝanĝi diversajn fotaĵojn el abelkultura vivo plie abelkulturajn gazetojn. Stefan Hagara, foto-amatoro en Zabokreky nad Nitrov, Ĉ.S.R. Slovakio.

*Lignokomerco.* — S-ro Gelfand, Delegito de UEA en Grajewo, Polujo, komercas per ligno kaj deziras ligi seriozajn rilatojn kun eksterlandaj komercistoj. Adreso: Pilsudskiego 12, Grajewo, Polujo aŭ A. Gelfand, Prostken, German.

*Regnopartio Germana.* — Deutsche Reichspartei. — Germana Regno partio sendas programon germanlingvan senpage. Lüerssen, Essenerstrasse 4, Gelsenkirchen (Germanujo).

*Studentoj.* — S-ro Joĵa Mareŝ, estinta sekretario de Ĉiostudenta Asocio kaj de Corda Fratres serĉas kunlaborantojn por renovigo de ĉi-tiuj organizaĵoj. En Praha oni fondis ĉeĥan sekcion de Corda Fratres. Mia adreso: Ĉakovice u Prahy, Ĉeĥoslovakio.

*Ŝtopiloj.* — Kiu interesiĝas pri vendado de ŝtopiloj kartonaj, uzataj en laktejoj, refreŝigoj por fermi botelojn. Mi fabrikas tiajn en ĉiaj dimensioj kun kaj sen reklama teksto el plej bona kvalito. Ankaŭ maŝinojn kaj akcesoraĵojn por manfabrikado. Georg F. Klefe, Postbox 470 Lübeck, German.

*Teatra direktoro.* — Kiu opinias, ke Esperanto estas jam sufiĉe disvastigita, ke al la publiko estos agrable aŭdi esperantistan humoriston konferenciston? Ĉu intertempe filmoj ĉu alimaniere. Nur originalaĵoj. Ĉu estos io dum la Budapeŝta kongreso? Leterojn sendu sub Paccus 13 101, al la redakcio de *Esperanto*, kiu transdonos.


**HOTEL DE LA VILLE VENEZIA**

Telefono 26-26. Tute proksime al la fervoja stacio, sur la granda kanalo. Ĉambroj kun fluanta akvo, varma kaj malvarma personaj kabinetoj kaj internaj banejoj, Internacia Restoracio.

Oni akceptas personojn por kompleta pensiono ankaŭ por malmultaj tagoj. Prezo de 35 ĝis 45 Liroj po tage kaj po persono.



**Tipografo serĉata**

Postulata: Scio de Esperanto, korektado, enpaĝigo de nia gazeto ESPERANTO. Prefere enlandano (Franco) pro kondiĉoj de eniro.

Skribu al: **Imprimerie A. GRANCHAMP**
**Rue des Usines, 2, Annemasse (Hte-Savoie)**






**Banurbo PIEŠT'ANY**

**(Karpatoj, ĈSR.)**

**por la „reŭmo-malsana mondo"!**

El profundeco de 1700 m: Vulkanaj sulfur-ŝlimfontoj kontraŭ reŭmatismo, iskiatiko, artrito. Unuaranga hotelo « Thermia Palace », konstruita super la ŝlimfontoj. Teniso, golfo, stadiono. 400 akroj da parko. Informojn donas Bandirekcio en Pieŝtany aŭ del. de UEA, Pensiono « Wilkory ».

# VENU ĈIUJ NEPRE AL PRAHA!

## al la XIVa Kongreso de Internacia Katolika Unuiĝo Esperantista

**kiu okazos de la 11-15a de Aŭgusto 1929**

en internacia programo de miljarfestoj, honore al Sankta Venceslao

# ALIĜU TUJ!

**Vi ricevos**

Senpagan ĉeĥoslovakan vizon.

50 % fervojan rabaton tra Ĉeĥoslovakujo.

Profitu tiun ĉi eksterordinare favoran okazon, por viziti la belegan urbon *Praha* kaj travivi agrablajn tagojn en internacia societo esperantista.

**El Budapeŝto veturos speciala karavano.**

La kongreskotizo estas nur 33 kĉ. = 5 Fr. svis.

Aliĝilojn sendas kaj detalajn informojn kontraŭ respondkupono donas

**FRANT. KUDRNA, Sekretario de Loka Organiza komitato**

**Anenské nám. 4 PRAHA, Ĉ. S. R.**

# *NOVA SAPO*

**Eksterordinare puriga kaj blankiga efiko. Patento!**

Recepto kaj fabrikrajto por unuopaj ŝtatoj vendotaj (por Ĉeĥoslovakujo jam vendita!)

*La sapo havas bonan ŝancon kaj rapide akiras multan ŝaton ĉe la konsumantoj.*

JAROMÍR ZAJÍČEK, *delegito UEA*
kemia industrio
*ZELEZNICE U JIČINA* — Ĉeĥoslovakujo

# *SOLRAJTO POR VENDADO*

*je sia propra konto transdonota al viglaj, enkondukitaj, kapitale sufiĉe dotitaj personoj en diversaj ŝtatoj:*

**Vaksa pasto en tuboj** por koloraj ŝuoj. Bonege moligas ankaŭ malmoliĝintan ledon, lavas de la ŝuoj ĉiun malpurajon kaj makulojn de uzitaj pastoj, malebligas pliajn makulojn, konservas la originalan nuancon de la koloro kaj donas al la ŝuoj perfektan brilon.

**Higiena parfumigita bluigilo.** Delikata kaj pura! La bluigado samtempe dezinfektas tolajon kaj forigas malbonodorojn. Pro ĝia delikata parfumo oni ŝataas ĝin enmeti inter tolajojn.

**Dentopasto kun frukta postgusto.** Fabrikata el zorge preparitaj materialoj, sen malutilaj kemiaĵoj. Subtenas bonege konservadon de la dentoj kaj parfumigas la spiron. Vendata kun postgustoj de ribo, frago, frambo, oranĝo kaj persiko. La uzado donas veran ĝuon.

**Haŭtkolora pasto!** Beliga rimedo. Ĝi bonege subtenas la vizaĝmasaĝojn kaj efikas kiel kuracilo de la haŭto. Fabrikado laŭ propraj sekretaj receptoj. Kvalito kaj efiko nesuperebla.

JAROMÍR ZAJÍČEK, *delegito UEA*
kemia industrio
*ZELEZNICE U JIČINA* — Ĉeĥoslovakujo


L'IMPRIMEUR-GÉRANT: A. GRANCHAMP, 2, RUE DES USINES, ANNEMASSE